**Abonprezo por jaro: 9·—, duonjaro: 5·—, unu ekz.: 1·— svisaj frankoj, specimeno: 1 resp. kupono**
Kolektiva abono la duonon. Por kurzsuferaj landoj favoraj prezoj. Petu detalajn informojn.

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.
La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

# NIAJ ELDONAĴOJ

**Verkoj de JULIO BAGHY:**

**Danĉu Marionetoj,** noveloj tolb. 5.40, broŝ. — — 3.40
**Migranta Plumo,** noveloj tolb. 4.60, broŝ. — — 2.70
**Viktimoj,** romano tolb. 7.40, duont. 5.60, broŝ. — 5.—
**Hura!** romano tolb. 10.— broŝ. — — — — — 7.40
**Preter la Vivo,** poemaro tolb. 3.—, broŝ. — — — 2.—
**Pilgrimo,** poemaro tolb. 3.—, broŝ. — — — — 1.80

**Verkoj de KOLOMANO KALOCSAY:**

**Lingvo, Stilo, Formo** tolb. 4.90, broŝ. — — — 3.—
Malkara eldono bind. 2.50, broŝ. — — 1.50
**Streĉita Kordo** tolb. 5.70, broŝ. — — — — — 4.—
**Rimportretoj** tolb. 4.50, broŝ. — — — — — 3.—
**Eterna Bukedo,** Internacia poemantologio, 352 paĝa. Duonlede bindita — — — — — 11.30
**Madách: Tragedio de l' Homo** luksa 5.50, simpla 4.—
**Petőfi: Johano la brava** luksa bind. 7.—, simpla bind. 5.20, broŝ 1.50
**Goethe: Romaj elegioj; La Taglibro,** silkebind. — 5.— bind. 3.—, broŝ. 2.—
**Hungara Antologio** bind 14.—, broŝ. — — — 12.—
— **G. Waringhien: Kiel fariĝi poeto aŭ Parnasa Gvidlibro** bind. 5.—, broŝ. — — — — 3.60
**Dante: Infero** bind. 11.—, broŝ. — — — — 8.80
**Hekler: Arthistorio** I. bind. 15.—, broŝ. — — — — 13.—
**Dekdu Poetoj.** Poemantologio. Redaktis: Kalocsay bind. 4.—, broŝ. 2.50; luksa bind. 5.—, broŝ. 3.20
**B. Mussolini:** Vivo de Arnaldo, bind. 3.30, broŝ. 1.80 luksa bind. 4.—, broŝ. — — ( — — — 2.20
**Kalocsay—Waringhien: Plena gramatiko de Esperanto,** lukse bind. 10.50, bind. 9.50 bros. — — — 8.

**ALIAJ VERKISTOJ:**

**Bleier—Kökény—Sirjaev: Enciklopedio de Esperanto.** Vol. I. (A—J) bind. 17.—, broŝ. — — — — 15.—
Vol. II. (K—Z) bind. 17.—, broŝ. — — — 15.—
**S. Asch—I. Lejzerowicz: La Sorĉistino el Kastilio** romano bind. 5.—, broŝ. — — 3.50
**Grenkamp — Brzekowski: Pri l' Moderna Arto** bind. 9.—, broŝ. 7.—
**J. Forge: Mr Tot aĉetas mil okulojn** — Romano bind. 5.80, broŝ. 4.—
**Francisko Szilágyi: Poemaro el Hungarlando** bind. 2.50 broŝ. 1.50
**Francisko Szilágyi: Trans la Fabeloceano** novelaro bind. 4.50, broŝ — 3.—
**Teodoro Schwartz: Modernaj Robinzonoj** broŝ. — 1.50
**La Pentroarto en la malnova Hungarujo,** kun 95 ilustrajoj duonlede bindita — — — — — 15.50
**L. Totsche: De Paĝo al Paĝo** studoj bind. 4.—, broŝ. 2.50
**Engholm: Homoj sur la Tero** romano bind. 5.—, broŝ. 3.60
**Engholm: Infanoj en Torento** romano, bind. 3.50, broŝ. 2.—
**Kenelm Robinson: Homarisma Laboro** broŝ. — — 0.60
**I. Ŝirjaev: Peko de Kain** broŝ. — — — — — 1.—
**H. Weinhengst: Turstrato 4.** romano bind. 5.50, broŝ 4.—
**E. Alsberg: Fine mi komprenas la radion!** bind. — 6.— broŝ. 4.50
**K. Karinthy—L. Totsche: Vojaĝo en Faremidon** broŝ 1.20
**K. R. C. Sturmer: El Notlibro de Praktika Esperantisto.** bind. 4.—, broŝ. — — — — — — 2.50
**Slonimski—Grenkamp: Mia vojaĝo en Sovetio** bind. 4.20, broŝ. 2.70
**Teodor Herzl—B. Selzer: La Juda Ŝtato** bind. 4.20 broŝ. 2.70
**Hungara Ŝlosilo** — — — — — 0.18
**Jelušič—Rotkvič:** Cezaro bind. 11.—, broŝ — — 9.—

**R. M. Rilke—Münz:** Leteroj al Juna Poeto bind. 1.35
**Adamson:** Auli bind. 3.—, broŝ. — — — — — 1.60
**Jerome K. Jerome: Tri homoj en Boato** lukse bind. 6.—; bind. 5.50; broŝ. 4.—
**E. Privat: Interpopola Konduto** lukse bind. 5.—; bind. 4.50; broŝ. 3.—

**Prezoj en svisaj frankoj!**
Por neorbazaj landoj favoraj prezoj
Aldonu 10% por sendkostoj

# Niaj reprezentantoj:

**AUSTRIO:** Rudolf Foltanek, **Wien,** I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704
**AUSTRALIO:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, **Melbourne** 169 Exhibition Str.
**BELGUJO:** Belga Esperanto Instituto, **Antwerpen,** 21, Willemstraat. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk,** Magdalenastraat 29. poŝtkonto nro 3268.51.
**BRITUJO:** Brita Esperantista Asocio **London** W. C. 1. 142. High Holborn
**BULGARUJO:** Centra Librejo »Esperanto« **Sofia** str. Maria Luiza 38.
**ĈEĤOSLOVAKIO:** Ĉeĥoslovaka Esperanto Asocio — **Praha XIX** 447. Uralské nám. Poŝtkonto: Praha 9.602.
**DANUJO:** Isosek, sro L. Friis **Aabyhöj,** Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.
**ESTONIO:** Helmi Dresen, **Tallinn,** Poŝtkest 6.
**FRANCUJO:** Centra Esperanto Librejo **Paris** 6e, 11 rue de Sévres Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.
**S. Grenkamp-Kornfeld,** Paris XIV-e 117 Bd. Jourdan.
**GERMANUJO:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, **Berlin** 138084
**HISPANUJO:** Ferdinand Montserrat, **Barcelona,** str. Provenza 75, **2**—3a
**ITALUJO:** Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria Vittorio Emmanuele **II.** 92 Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.
**JUGOSLAVUJO:** Sudslava Esperanto Servo **Zagreb,** Primorska 11.
La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.
**NEDERLANDO:** Internacia Cseh Instituto **Haga** Riouwstraat 172. Poŝtkonto Nr. 162.626.
**NORVEGUJO:** Norvega Ligo Esp-ista, S-ro John Johanssen, **Hamar**
**POLUJO:** Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99. P. K. O. W. Nr. 27867.
**PORTUGALIO:** Saldanha Carreira, **Lisboa,** Av. Duqué de Louié 503
**RUMANUJO:** Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. Bravilor 15
**SVEDUJO:** Förlagsföreningen Esperanto, **Stockholm,** 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578.
**SVISUJO:** Nova Esperanto Grupo, f-ino Halter Prisca, Katharinengasse, 11. **St. Gallen**
**JAPANUJO:** Japana Esperanto **Instituto** **Tokio,** Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.
**USONO:** Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) 556 State Str.
**ALIAJ LANDOJ** ne menciitaj ĉi tie, bonvolu sendi poŝtmandaton **al P. K. O. Polujo,** Krakow Nro 403148 Administracja Literatura Mondo. 1 svisa franko egalas 1.72 zloty. Internaciajn poŝtajn respond-kuponojn ni akceptas en la valoro de 0.30 sv. fr. por unu.

# KRISTNASKA EDZIĜO

– TIBERIO MORARIU –

(kun amika dediĉo al **Raymond Schwartz.**)

Kiel venis Gösta el la plej suda sveda provinco, Skanio, en la nordan Dalekarlion? Nu, tra iom longa vojo. Tra la Nigra Maro kaj eĉ tra la Atlanto. Gösta ja denaske havis vikingan sangon. La veturemo igis lin ekdeĵori sur sveda ŝipo inter Malmö kaj »la vilaĝo de l' dana reĝo« Kopenhago. Tiuj gajaj danoj! Sudsvedo fartas pli hejmece en Danlando ol en norda regiono de sia propra lando. Kiom delikate tranĉitaj maldikaj danaj buterpanoj. Post la bruna pano — tutsama en Skanio — bonege gustas la malhela biero. Kaj se oni volas trinki guteton da »forta akvo«, oni ne bezonas montri al la aŭtoritatoj la kvitancon pri la lasta imposta depago, kunporti specialan libreton kun monataj kuponoj por fiksa kvanteto da alkoholaĵoj, eĉ vostece staradi en malvarma vetero sur la strato, en la longa vico de l' atendantoj, dum certa tago, kun kofro en la frostaj manoj, kaj malplenaj boteloj en la kofro. Boteloj ŝanĝotaj je novaj, plenplenaj. Kaj rapide malplenigotaj por plenigi gorĝojn kaj stomakojn. Poste plenmonata fasto... Ne, tiom da formalaĵoj nur en Svedlando. En Danujo oni simple eniras, mendas kaj ricevas. Oni bezonas nur monon. Kaj en Danujo neniu ridas pri lia »skhania elpharaŭlaŭ«. Dume ĉiuj aliprovincaj svedoj primokas la skanian elparolon tiom similan al la dana. Ja antaŭ eĉ ne plenaj tri jarcentoj Skanio apartenis al Danujo. Kaj eĉ la daninoj estus same ĉarmaj kiel skanianinoj, nur se ili ne havus dikajn cigaraĉojn en la buŝo...

Poste Gösta transiris en la servon de l' ŝiplinio Göteborg-London. Elegantaj pasaĝeroj: Gösta preskaŭ ĉiam havis senpagajn cigarojn. (escepte se skotoj formis la pli grandan parton de l' ŝipanaro, tiam Gösta ĝojis se li ne devis fordoni alifontan ricevaĵon). Sed la angla lingvo, nomata ankaŭ »gramatike organizita gargarado« tute ne ŝajnis al li malbela. Li ja ne komprenis multe el fremdaj lingvoj. Tamen la anghlaj shaŭnaŭj ŝajnis parencaj al la hejmsonoj skaniaj. Dumlonge klopodis Gösta por povi deĵori sur la amerika linio. Ne estis facila afero. Sed skaniano ne povas malsukcesi... Plej interesaj estis liaj veturoj, kiam de la amerika linio li transdiplomatis sin je tiu al la ekzotika sudo. Sudo... Ho, kiom li kompatis siajn ŝipistajn kamaradojn, kiuj per ŝvitiga gestlingvo manpieda, precipe per elokventa mon-logilo sukcesis konkeri nur negrajn servistinojn. Dume al Gösta estis malfermitaj la plej bonaj hejmoj preskaŭ en ĉiuj havenoj de la mondo, dank' al la mirakla ŝlosilo de l' kapoj kaj koroj: Esperanto. Oni ĉie volonte akceptis la vivgajan, blondan nordanon kun la verda stelo. Kaj Gösta ne estis mallertulo. Lia notlibro enhavis dekduojn da virinaj adresoj el plej diversaj landoj kaj kontinentoj. Generale li ne skribis pli ofte ol 2—3-foje pojare al ĉiu korkamaradino. Sed ju pli proksimiĝis lia ŝipo al iu haveno, des pli oftiĝis la leteroj kaj belaj ilustritaj poŝtkartoj al la korelektito en la koncerna havenurbo. Tiele la knabino koleretinta antaŭe pro malofta ricevo de poŝtaĵoj, ĝoje pardonis pro pasintaj kulpoj al lastatempa konvertiĝinta korespondanto kiu nun preskaŭ ĉiusemajne bombardis sian duonkonscian viktimon per dolĉaj linioj. Kaj ĉe la alveno de l' sveda ŝipo neniam mankis bonveniga kiseto de samideaninoj jen platine-blondaj, jen korvbuklaj. La knabinoj tamen ne estis ĉefafero por Gösta. Ĉu noktkolorajn, ĉu marbluajn okulparojn havas la knabinoj, ĉu ili pentras siajn lipojn karmine ĉu cinabre, ili estas nur knabinoj. Eble nuancaj laŭ haŭtkoloro, sed esence tutsamaj en Malmö, Constanta, Alexandria kaj Marseille ĉiuj estas egale malfidelaj. Gösta estis certa, ke ili same trompis lin kun siaj samlandanoj, kiel li trompis ilin kun alilandaninoj. Ĉefafero estis, ke li ĉie estis hejme en la mondo, li nur devis enrigardi la jarlibron de UEA — En la jarlibro post la adreso de l' delegito staris ankaŭ la datoj kaj lokoj de l' klubkunvenoj. Kaj kiam Gösta estis laca pri privataj promenoj kun knabinoj, li diligente vizitis la samideanajn kunvenojn kaj montris belajn lumbildojn pri Svedlando...

Hodiaŭ tie ĉi, morgaŭ tie, varias marista vivo. Sed oni naŭziĝas eĉ pri troa bono, laciĝas pri konstanta veturado. Krome Gösta ja ne estis kapitano, sed simpla maristo. Kaj tian iston skuas ne nur maro. Hajlas sur lin ordonoj riĉe spicitaj per blasfemoj. En lia brusto ofte furiozis la ondoj de l' kolero. La liberama animo de nia vikingo iam kaj tiam ektajdis ribele, sed denove trankviliĝis, kiam li pensis pri la samideana akcepto en la haveno... Ho, mirakla Esperanto.

Ok monatojn antaŭ la findato de sia kontrakto kun la ŝipsocieto, li ricevis kortuŝan leteron de siaj maljunaj gepatroj. Kun varma voko al la hejmlando. Svedlando... Kun markisataj bordoj. Hela herbtapiŝo senpara en la mondo. Skaniaj ebenoj, vasthorizontaj ebenoj. Helaj somernoktoj... La gepatroj skribis, ke ili volonte revidus sian filon. Ili neniel volus rompi lian karieron. Sed ĉu ne pli bonus serĉi fiksan laboron hejme. Li ja estas lertmanulo. Oni ja ne povas vagadi dum la tuta vivo. Gösta ne estis sentimentulo. Tamen li volonte enspirus iom da hejma aero. Kaj salutus la gepatrojn ankoraŭfoje, antaŭ ol ili ekripozos por ĉiam en la »preĝejkorto«... Sed logis lin la maro. Kroĉe katenis lian koron la liberaj akvoj. Li restis surmare.

Post kelkaj monatoj venis nova letero el la hejmlando. Gösta heredis dometon post mortinta onklo. Refoja hejmenvoko. Sverige, fosterlandet... Svedlando, patrujo... Glorhistoria, packrona patrujo. Iam mondpotenco. Nun eta land' Sed ega kultur-piramido. Ekvilibrita ekonomio. Ja duone terkulturista, duone industria. Svedan feron portas svedaj ŝipoj ĉiudirekten. Kaj provizojn produktitajn el abundaj arbaroj. Sub ĉielblua, sunokruca sveda flago. Fiere flirtanta sur la masto. Same nun sur la ŝipo de Gösta.

Nun Gösta serioze pripensis la aferon. Post tri semajnoj estis preta lia decido. Li ne petos plilongigi la kontrakton. Likvidos sian postenon. Iros hejmen.

Komence li ne bedaŭris sian decidon. Jam la ĝojego kaŭzita al la altaĝaj gepatroj valoris la paŝon. Kiom ĝoj-treme verŝis lia patrino la bonvenigan kafon en la tason. Kun kia kontento maĉsuĉadis lia patro la donacitan pipon. Poste la honora akcepto ĉe la anoj de lia hejma komunumo. Neniu el la malnovaj kamaradoj kuraĝis kamarade saluti lin preterire per mallonga »hej«-o kaj mansvingo. Ĉiuj levis la ĉapelon. Oni riverencis la »milionulon el Ameriko«. Milionulo? . . . Gösta ŝparis iomete. Ne centmilojn, eĉ ne dekojn. Kelkajn miletojn da svedaj kronoj. Do li povis permesi al si libertempon antaŭ nova eklaboro. Nova laboro,

sed kiuspeca? Eh, sed kial zorgi ĉiam pri laboro. Kvincenton aŭ unu milon oni rajtas forfesti. Kiam oni estas fraŭlo. Sed nuraj danco-trinko ne tre kontentigis lian amikon. Eĉ malpli la hejma sidado. Li ne povis resti senfare. Neniu ordonis nun al li. Des pli gustis propra iniciato. Jen li riparis la kamentubon, jen la pordon de l' patra dometo. Lia patro eĉ ne skuetis la kapon. Sed kiam Gösta novpentris la malnovan, senkoloriĝintan dometon per vivruĝa koloro, la maljunulo premis lian manon. Mallonge sed firme. Similan senton kontentan li havis foje kiam li renovigis la kajuton de l' kapitano per brila blanko, iam, dum iu veturo, kaj la kapitano honorigis lin per manpremo, eĉ kuntintis glaseton da brando kun la simpla maristo.

Sed kiam la gepatra dometo estis novpentrita, Gösta denove enuis. Li legis anoncon de la svedaj fervojoj pri rondvojaĝo laŭ favora prezo. Al la plej nordaj provincoj de la lando. Kial ne utiligi la okazon por ekkoni sian patrujon. Li eĉ devus honti. La vidis la dunonan mondon, sed ne konis la propran landon. Kaj revenante de Lappland kaj Jämtland, li povus halti en Dalekarlio, por rigardi la dometon hereditan post la onklo, kiu iam »elmigris« el Skanio.

Sorĉa suno noktomeza ravis l' animon de Gösta. Li ekŝatis ankaŭ la blankan neĝon, kies mola kovrilo ĝentile mildigis subitajn falkontaktojn de lia sidparto kun la tero, kiam la novulo vole-nevole glitfaladis dum la ski-lernado. Sed li ne povis longe resti norde. Kiel skaniano li kutimiĝis al glata ebeno kun vasta horizonto. En nordo baris liajn rigardojn altaj montoj. Li neniam povis sufiĉe amikiĝi kun la montoj.

Malpli altis la montetoj de Dalekarlio. Kaj en tiu valoriĉa regiono preskaŭ same viglis terkulturo kiel en lia hejmprovinco, Skanio, la »nutraj-provizejo de Svedlando«. Plaĉis al li la blanktrunkaj betuloj. Sed la dalekarliaj dometoj, reklamitaj en turistaj broŝuroj kvazaŭ ruĝegaj, ŝajnis al li grizaj, preskaŭ senkoloraj. Dalekarliano ja pentras nur solan fojon sian domon, kiam li finkonstruis ĝin. Poste la farbo maljuniĝas kune kun la domposedanto. Post la morto de la patro eble la filo novpentras la domon antaŭ la edziĝo. Se li ne edziĝas, ankaŭ la maljuna dometo vane sopiras kaj atendas junan farb-edzinon. Dalekarlianoj estas ŝparemaj. Se dalekarliano sukcesis kunŝpari naŭ kronojn, li provas prunti unu kronon, por ke li povu rondsume enmeti dekon en la poŝtŝparbankon.

La heredita domo ne ŝajnis malbona. Du etaj kaj unu granda ĉambro malsupre. Sama tiom supre. Tamen oni nepre devus renovigi, modernigi la tutan. Li havas kapitaleton. Sed se li tute investas ĝin en la domon, el kio li vivos? Gösta meditadis dum semajnoj.

Li multe promenis tra la komunumo. Kaj demandadis la enloĝantojn. Ne estis facila afero. Dalekarlianoj travivis multajn politikajn uraganojn. Kaj ili ege devis elbatali sian porvivon el la malmola tero. Ĉi ĉio igis ilin fermiĝi en si mem. Ili ne tre ŝatas babiladi. Parolaĉo ne prosperigas, nur laboro. Laboro, jes ja, ĝuste pri laborebloj demandis Gösta ilin. Ĉu la komunumo havas pentriston? Kial pentriston? Dalekarlianoj mem pentras la domon, se ili bezonas. Sed oni ne bezonas ofte. Eĉ se troviĝus specialisto, li sendube mortmalsatus se li volus vivteni sin per nura pentrado. Tamen Gösta ne forlasis la ideon, kiun li foje enkapigis al si. Li fariĝos pentristo tie ĉi. Nun estas printempo. Baldaŭ estos somermezo. La plej granda festo en tuta Svedlando, speciale en Dalekarlio. Se li sukcesos fari iom da reklamo, li certe igos la homojn pentrigi siajn domojn. Li aĉetis instalaĵojn por la pentrista ateliero. Renovigis sian domon. Sed la ŝparaĵo fatale finiĝis antaŭ ol li estus povinta novpentri la domon. Skaniano estas pacienca. Li finpetros sian hejmon kiam li enspezos iom per pentrado al aliaj.

Ĉiam pli proksimiĝis somermezo. Sed ne la atenditaj mendoj, malgraŭ kostega reklamo. Alvenis la somermezo. Ĉie oni ornamis la altajn majstangojn per verdaj branĉoj, belan florkronon pendigis ĉe la supro, kie koro kaj du sagoj regis simbole la maston. Antaŭ la grizkoloraj domoj oni starigis junajn betulojn, eble por kovri la nepentritecon. Sed neniu laboro. Gaja danco apud tirharmoniko, nur ne laboro. Gösta nur staradis je certa distanco de la gaja junularo. Kaj rigardis kiel Einar, la filo de la pastro, kaj Ivar, kies patro estis konata kiel riĉa bienposedanto, rivaladis ĉirkaŭ Tora Alvarsson, la plej bela knabino en la komunumo.

Kiam li tiel staradis flanke, droninta en amaraj pensoj, alparolis lin blankhara, altkreska kamparano, sur kies fortika staturo la tradicia blua jako streĉiĝis impone.

— Ĉu la skaniano ne dancas? Ĉu ne havas tempon por amuziĝo eble pro troa laboro...

— Ĉu moko? demandis Gösta.

— Nur ŝerceto. Nu, sed se oni atendas okazon por pentri domon, oni eble ĉiam nur atendos. Kial ci ne pentras meblojn laŭ dalekarlia maniero?

Göstan iom ŝokis la ciumo, sed ĉiu dalekarliano parolas tiamaniere. Cetere la ideo pri meblopentrado ne estis malbona.

— Permesu, mia nomo estas Gösta Rasmusson.

— Alvarsson.

La parolintoj klinis sin kaj disiris.

Gösta estis energia homo. Kaj li havis lertajn manojn. Ne daŭris tre longe ĝis kiam li ellernis pentrornami la seĝojn kaj tablojn per koraj kaj floraj motivoj. Iom post iom alvenis pli kaj pli da mendoj. Sed nesufiĉaj por okupi lian tutan tempon. Li enuis. Post pripensado jen trafulmis lian kapon gajiga ideo. Li gvidos esperantan kurson. Sed kiel rompi la indiferentecon de la malvarmaj dalekarlianoj? Plej bone per ekspozicio. Li ja havas aron da belaj poŝtkartoj ilustritaj, venintaj el la tuta mondo. Li decidis aranĝi interesan kolekton el sia korespondado en elmontrejo. Vere, la ekspozicio vekis grandetan intereson. Pleje oni admiris la belajn kartojn el Japanujo. Kaj ĉe la provleciono preskaŭ la tuta lerneja ĉambro estis plena de interesemuloj. Pli ol kvardek sin enskribis al la kurso. Gösta estis vigla skaniano kaj la Ĉe-metodo donis kvazaŭ flugilojn al la instruisto. Dekkvin paroj da brilaj knabinaj okuloj sekvis kun simpatiego la gestojn de Gösta. Li ne malŝatis la knabinojn. Sed li devis resti bona diplomato. Se li enrigardis iun inan okulparon, tuj glitis lia rigardo al aliaj knabinoj kaj eĉ knaboj, lerte okulmanovrante tra la ĉambro, por ke oni ne rimarku ke la rigardo de l' instruisto tro longe fiksiĝis en tiun aŭ alian direkton.

Sed ne mankis knaboj en la kurso. Eĉ la skeptikemaj Einar kaj Ivar estis inter ili. Gösta bone komprenis, ke ili ne venis tiom por lerni Esperanton, kiom por akompanadi la plej belan kursaninon, Toran... Tamen Tora mem ŝajnis multe pli interesata pri la nova lingvo, ol pri la malnovaj akompanantoj, kiuj alterne dejoris post la kurso: post iu leciono Einar, post la alia Ivar sekvis ŝin hejmen.

Gösta komence ne tre interesiĝis pri la amaferoj de siaj kursanoj, tamen li iom admiris la bluajn okulojn de Tora, kiuj tiom sukcese katenis al si la korojn

# Kelkaj poemoj el Clément Marot

— Tradukis G. Waringhien —

Mi provis traduki kelkajn pecojn de malnova franca poeto, Clément Marot (1497—1544), jus antaŭa al la renesanco. Kiel ofte okazas ĉe la malnovaj poetoj, bezonataj estas kelkaj klarigoj. La *Letero* (1525) estis skribita en malliberejo, kie li sidis pro tio, ke li manĝis viandon (lardon) dum la Granda Fasto; li turnas sin al sia amiko Leono Jamet (pri kies nomo li vortludas), petante, ke li klopodu por liberigi lin. La originalo enhavas multajn kapricajn rimojn, kiujn mi mallerte provis redoni. La ampoemoj estis adresitaj al Anne d 'Alençon ĉirkaŭ 1526 (oni memoru, okaze de la lasta, ke oni bildas Amoron blinda). Fine la epigramo pri Samblançay (prononcu: samblanse) aludas al la nejusta ekzekuto de tiu financministro, kondamnita pro la kulpoj de alia, la princino Louise de Savoie (*Falkomonto* = Montfaucon, estis la ĉefa pendumejo apud Parizo.)

### Letero al sia Amiko Leono

Mi volas al vi diri belan fablon,
ĝi estas pri l' Leono kaj la Rato.
Tiu Leon', en plej fortika stato,
ekvidis foje, ke kaptil' arestis
malgrandan Raton, pro ke tiu estis
manĝinta lardon kaj viandon krudan.
Sed ĉi Leon' ne havis koron brutan,
kaj trovis eblon, helpon kaj konsilon
por unge, dente rompi la kaptilon:
Sinjoro Rat' tuj lasis for la truon,
kaj ĝis la ter' fleksante la genuon,
gracie demetinte la kapveston,
milfoje dankis li la grandan beston,
jurante, per la di' de l' rata gento,
ke li repagos. Sekvon de l' evento
vi vidos nun, amik'. Okazis iam,
ke la Leon', por serĉi nutron sian,
elŝovis sin el sia kav' kaj niĉo
sed enretiĝis, kaj pro malfeliĉo
al fost' estis ligita je l' piedo.
Alvenis do, sen ia tranĉrimedo,
tien la Rat' en gaja, ŝerca tono;
kaj vere li ne mokis pri l' Leono,
sed spitis katojn, katinojn kaj idojn,
laŭdante ratojn, ratinojn kaj idojn,
ke li nun trovis la okazon por
al favorint' repagi per favor'.
»Silentu, diris li ,Leon' ligita!
De mi vi estos nun liberigita;
kaj inde, ĉar da bono havis tro vi,
kiam liberon vi igis min retrovi.
Min helpis vi kompata leonece,
nu, estos vi helpata tre ratece!«
Jen la Leon' siajn okulojn kovris
kaj al la Rato ilin iom movis,
dirante al li: »Fil' de povra gento,
vi sidas ja sen il' kaj instrumento,
ne havas klingon, sepon aŭ serpeton
por tranĉi ŝnuron, herbon aŭ herbeton,
ke vi el tiu strikta voj' min ĝ-idu.
Iru vin kaŝi, ke vin kat' ne vidu!
Leona Moŝto, diris la ratido,
al via dir' rilatas mi kun rido;
mi havas klingojn, estu en trankvilo,
el blanka ost', pli tranĉajn ol segilo;
ilia ingo estas mia buŝo:
tratranĉos ili l' ŝnuron, kies tuŝo
vin ĝenas, ĉar mi metos ĝin en ordon!«
Tiam Sinjoro Rat' komencis mordon
de la ŝnurego: vere li klopodis
pri tio longe, sed ĝin tiom rodis,
ke l' tutan reton fine li detruis:
kaj la Leon' forkuri ne malfruis,
dirante: »Serv' ne restas senprofita,
al kiu ajn ĝi estis direktita.«
Jen la fabel' garnita per rimĉeno;
ĝi estas longa, sed de pra-deveno:
Ezop' atestu kaj poet-legiono.
Nu, venu tuj, por montri vin Leono,
kaj mi penados ja, sen zorgomanko,
esti la Rat', libera de sendanko...

### Pri la Ligo kun granda Amikino

En Parizo, urb' de graci',
dum regis min melankoli',
nova amlig' estis farita
kun fraŭlineto la plej sprita
de tie ĉi ĝis Itali'.

Tre virtoplena estas ŝi,
kaj eĉ, laŭ mia fantazi',
ne estas dam' pli am-merita
en Parizo.

Mi nomos ŝin ja por neni';
nur: ŝi amikas tre al mi;
la lig' fariĝis tia-rita,
per dolĉa kis' de ŝi havita,
sen penso pri la kalumni',
en Parizo.

### La dekverso pri neĝo

Anna en lud' alĵetis min per neĝ',
kiun mi kredis frida senhezite:
sed estis fajr': mi spertis tion eĉ,
ĉar bruligita estis mi subite.
Sed se la fajro loĝas hipokrite
en neĝo, kie lokon trovos mi
por ne plu ardi? Via nur graci',
Anna, estingus nian ardon flaman,
ne ja per akvo, neĝo aŭ glaci',
sed, se vi sentus mem la brulon saman.

---

de Einar kaj Ivar. Iun fojon li diskrete pli petole ol scivole, postiris Toran kaj Ivaron. Li iris silente kaj la aliaj ne rimarkis lin. Sed li vane atendis aŭdi ion. Estis nenia konversacio. Ivar restis silenta dum la tuta vojo. Foje li volis ĉirkaŭbraki Toran, sed ŝi lerte forturniĝis.

Alifoje Gösta postspionis Toran kaj Einaron. Ripetiĝis la sama sceno senvorta. Kun la pasiva kontraŭstaro de la knabino. Strange, pensis Gösta, ĉu ne ĉiuj knabinoj ŝatas la amon? Sed ne la amo estas la plej grava.

La kursgvidanto havis penan laboron. Ne estas facile paroligi dalekarlianojn. Ofte li instigis al »laŭta, forta, kuraĝa kaj eleganta« parolo, sed la respondoj venis lame. Li ne komprenis kial, ĉar la skriblaboroj de la kursanoj estis superespere bonaj. Do ili komprenas bone, sed nur ne volas paroli.

Iun vesperon la kursestro venis ĉirkaŭ kvaron-

horon antaŭ la leciona tempo. Jam kelkaj lernantoj sidis en siaj benkoj. Dum Gösta trarigardis la notojn pri la sekvonta leciono, po unu el liaj okuloj kaj oreloj kaŝe observadis la kursanojn. Interesaj homoj. Ili sidas unu apud la alia, samlokanoj, tamen apenaŭ aŭdiĝas duona vorto dum ĉiu dua aŭ tria minuto. Kaj se iu ekparoletas, li tute ne turnas sian kapon al la najbaro, eĉ la lipoj de l' parolanto apenaŭ movetiĝas, kvazaŭ liaj buŝmuskoloj estus inertaj. Nun falis lumo en la kapon de nia samideano. Nu, se tiuj ĉi uloj estas tiom vortavaraj en sia propra lingvo, kiom pli da klopodo estas bezona por paroligi novan lingvon! Li rememoris artikoleton legitan antaŭ nelonge en Dalekarlia gazeto, kiam oni enkondukis devigan dentkuracadon por lernejanoj. Ne estis facila la eklaboro de l' kuracisto. La buŝojn de la vilaĝaj infanoj oni devis perforte malfermi. Iu knabo kvitancis la klopodon de la lerneja doktoro tiele ke li enmordis liajn fingrojn...

Sed paŝon post paŝo, lecionon post leciono, estis konstatebla progreso. Plej ŝatis liaj kursanoj, kiam Gösta per simplaj vortoj rakontis bonhumoran historieton, travivaĵon el lia marista epoko. Kompreneme brilis ĉiuj okuloj en la ĉambro. Kelkaj kuraĝuloj eĉ kapablis rerakonti la aŭditan. Kaj alvenis la kursfino. En ĉambrego feste ornamita per verdaj kaj blankaj girlandoj kaj kun longa kafotablo abunde ŝarĝita per biskvitoj, bakaĵetoj kaj kremtorto. Meze de l' tablo la portreto de la Majstro, inter du brulantaj kandeloj. Gösta apenaŭ sukcesis subpremi kontentan rideton, kiam Tora transdonis al li la memordonacon de la kursanoj. Se okuloj povus mortigi, Gösta certe estus ĉe la transpreno de l' donaco falinta senvive sub la pika rigardo de Ivar. Kaj se ne tiam, sendube sekvan momenton estus ekzekutinta lin ponarda rigardo de Einar, kiam Tora transdonis al la instruinto belan bukedon en la nomo de la gekursanoj.

Pleje ĝojis Gösta, ke la kurso rezultigis fondon de Esperanta klubo. Kaj la kontraŭaj voĉoj de Ivar kaj Einar ne sukcesis malhelpi ke la klubanoj elektu Göstan kiel prezidanton kaj Toran kiel sekretariinon de la »Dalekarlia Stelo«. La prezidanto akiris favorpreze belajn, stelajn tapetojn kaj senkoste novtegis la murojn de la klubejo. Tora kudris belan flagon verdstelan por la klubo.

La pentristo iĝis ĉiam pli kaj pli konata en la komunumo. Paralele grandiĝis lia klientaro. Jen tiu ĉi, jen alia esperantisto havigis al li tegan aŭ pentran laboron. Tamen la tegado kaj meblopentrado ne havigis sufiĉe da porfesta pano. Kvankam ne multaj semajnoj restis ĝis la sankta festo de Kristnasko. Rasmusson nun tute rezignis pri la espero rilate pentradon de domoj. Se oni ne faris tiajn mendojn dum la somero, certe neniu volos pentrigi sian domon dum la nuna malsezono.

Jen pro kio Rasmusson apenaŭ volis kredi al siaj okuloj, kiam Ivar enpaŝis lian laborejon dum vintra tago.

— Pentristo, ĉu ci povas bele pentri ankaŭ domojn? (Ivar preferis uzi la titolon »pentristo« anstataŭ la pli respektsona »instruisto«. Eble li ĝuste volis substreki, ke ne lernanto parolas kun sia eksinstruisto, sed kliento, kiu dungas laboriston. Tial li daŭrigis superece.) Ĉu ci aŭdis, ke mi aĉetis domon. Mi bezonus novpentrigi ĝin. Sed urĝas. Ĝi devos esti preta antaŭ Kristnasko'

Gösta ĉiam trovis Ivaron iom stranga. Apenaŭ li povis kaŝi sian surprizon. Ivar aĉetis domon. Kaj li volas tuj pentrigi ĝin. Ĉu li volas edziĝi? Sed reginte sin, li respondis malvarmete.

— Oni ĉion povas, se oni volas. Efektive ni havas multajn meblomendojn, sed ni klopodos plenumi ankaŭ cian deziron.

— Mi ne bezonas klopodon, interrompis lin Ivar Danielsson. Sed certan respondon. Ĉu mia domo estos novpentrita la semajnon antaŭ Kristnasko, aŭ ne?

— Jes, pri tio ci estu trankvila.

— Kiam ci komencos la laboron?

— Post ok tagoj.

— Ĝis revido!

— Ĝis!

Apenaŭ komencis Rasmusson la pentradon de la domo de Danielsson, kiam Einar Siljan venis al li.

— Kiom longe daŭras cia pentrado tie ĉi?

— Kial tio interesas cin?

— Ankaŭ mi volas pentrigi per ci mian novaĉetitan domon. Sed nur se ci promesas finpentri ĝin antaŭ Kristnasko.

Rasmusson enpensiĝis. Ĉu ankaŭ Siljan havas edziĝan intencon? Post iom da paŭzo li respondis.

— Pli firme mi povus promesi ĝis Novjaro. Kaj post iom da tempo, vidante la amaran mienon de Einar:

— Aŭ ĉu la afero ne estas prokrastebla?

— Mi mendis la laboron por Kristnasko, ne Novjaro!

— Oni ĉion povas, se oni nur volas.

— Dirite. Kiam vi komencos la laboron?

— Post kvar tagoj.

— Ĝis revido!

Sed tio tamen surprizegis Göstan, ke iun vesperon mem la prezidanto de la komunuma konsilantaro, la maljuna Mats Alvarsson, mendis novpentrigon de siaj mebloj. Nepre ĝis Kristnasko. Por la pentrado ĉe Danielsson kaj Siljan Rasmusson dungis helplaboristojn. Sed al la patro de Tora Gösta decidis iri persone. Li konsentis akcepti la mendon. Tamen li riskis demandon:

— Ĉu ankaŭ la prezidanto de l' komunuma konsilantaro havas edziĝan intencon?

— Kial ne? respondis kun rideto la blankhara maljunulo. Kial oni ne volu edzinigi sian filinon, kiam svatantoj konstante atakas la bedaŭrindan patron.

— Svatantoj... sed Alvarsson havas nur unu filinon.

— Jes, sed du svatantojn. Eĉ mi mem ne scias, kien tiras la koro de Tora, ĉu al Ivar, ĉu al Einar. Ambaŭ estas bravaj dalekarlianoj. Sed mi neniel volas influi Toran. Ŝi elektu laŭ sia koro. Je kioma horo vi komencos morgaŭ la pentradon de niaj mebloj?

— Ĉu je la sesa matene ne estos malfrue?

— Ne, sufiĉos eĉ je la naŭa. Bonvenon do tiam!

— Dankon.

Kiam la domo de Danielsson estis finpentrita, li tre fieris pri ĝi. Kaj prave, ĉar ĝi estis senpara en la komunumo. La ruĝruĝa, gajkolora dometo ŝprucis vivgajon ĉirkaŭ sin, en la naturon dormantan sub blanka mortvualo. Ĝi iĝis centro de atento por la anoj de l' komunumo. Sed la Danielsson'a domo ne multajn tagojn restis senpara, ĉar baldaŭ pretiĝis ankaŭ tiu de Siljan. Nun la komunumanoj ricevis novan temon por vespera priparolo. Kaj ili faris siajn rimarkojn kaj kalkulojn. Jen, Ivar kaj Einar freneziĝis. Aŭ ĉu eble ili volas edziĝi? Kial ili bezonus alie pentri siajn domojn dum la vintro. Nu, tamen la domoj brilis helruĝaj, superintaj ĉiujn aliajn brun- kaj grizruĝajn dometojn en la komunumo. Eĉ la domego, kie kunsidas la komunuma estraro devus honti pri sia eluzita surtuto antaŭ la novvestaj dometoj... Sed niaj propraj dometoj, ho

## „Sherzo"

— Reto Rosetti —

### Edzo kaj fraŭlo

1. Fraŭlo havas jakon
Ĉielark-koloran;
Edzo portas frakon
Striktan kaj rigoran.
Fraŭlo vidas tagon
Kun suno, freŝa blovo;
Edzo vidas lagon
De ŝimo kaj senmovo.

2. Fraŭlo paŝas ĝoje,
Vigle kaj sen ĝeno;
Edzo iras voje
peze kun kateno.
Al kolegoj iras
Fraŭlo, kaj petolas;
Edzo... nur deziras,
Ĉar l' edzin' ne volas.

3. Fraŭlo sponte celas
Al distroj kaj amikoj;
Edzon malakcelas
Famili-implikoj.
Kaj dum la fraŭl' rikoltas
Ĉe kolegaro saĝon,
La edzo nur aŭskultas
La najbarin-novaĵon!

4. Se mastro kraĉas gale
Al fraŭlo fi-insulton,
Li finas; edzo, male,
Toleri devas multon.
Plej sklave li sin vendas
Al industri-tirano,
Ĉar nur de li dependas
Edzino kaj infano.

5. Fraŭlo povas ridi,
Trovi amikinon;
Edzo devas bridi
La naturinklinon.
Time sub konduko
de l' edzin-fantomo,
Estas li eŭnuko
Ekster hejma domo.

6. Fraŭla poŝo tintas,
Ĝin plenigas mono;
Sed al edzo indas
Penco kaj duono!
Estas li entute
Nur dresita besto,
Kiu staras mute
En pruntita vesto.

7. Por kio kun kaprico
Mi edzon vipas gale?
Ĉu eble pro malico
Mi verkas tiel sale?
— Ho ne, amikoj karaj,
Malpravas la aserto!
La versoj, ĉi amaraj,
Devenas el *la sperto.*

### La tunelo: Parabolo

De Ajrolo, en Svisio,
Serpentumas vojostrio
Torde, plekte, volvmalrekte
Suprengrimpas montdirekte;
Tridek kilometrojn longa
Kiel vosto anakonda...

De Ajrolo tra malhelo
Kuras la fervoj-tunelo
Rekte, sen hezit', sen dubo
Kiel revolvera tubo.
Supre fluas vojo plekta,
Sube — la tunelo rekta.

*

Nacilingvo estas vojo
Kiel longa labirinto,
Per spiralo el la valo
Gvidas laŭ la montopinto.
Esperanto estas ŝakto
Tra la rok' laŭ rekta celo;
Ĝi senpere, kuriere,
Gvidas nin sur glata relo.

Ĉiu valo estas lando,
La montego — tradicio;
Sur ĝi kuras vojrubando
Kun tordado kaj devio.
Esperanto, en atako,
Tranĉis tra la tradicio.
Ĝi per la potenca brako
Sin proponas al socio...

Dum ĝi kuŝas sub okuloj
Ĉu ne estas vera honto,
Vidi tiom da blinduloj
Ŝviti sur la granda monto?

---

kiom ombrigas ilin la novaspektaj domoj de ĉi junuletoj. Ĉu ni ne povus havi samajn, aŭ eble eĉ pli belajn. Ne urĝas la afero. Ni ja estas tro maljunaj por edziĝi. Sed niaj infanoj tre ĝojus. Nu, ni surprizos ilin por somermezo. Nur tiu Gösta ne fiksu tro altan prezon.

Nun la mendoj venis tiom are al Rasmusson, ke li devis instali telefonon por respondi al ĉiuj. Kompreneble neniu nova mendo akceptebla por Kristnasko, eĉ ne por Novjaro. Eble je Pasko, prefere je somermezo. La multaj mendoj pri novlako de aŭtoj ja povos esti plenumataj pli frue. Ĉiukaze li devos dungi trian fakloriston. Jes, li bezonus ankaŭ kontoriston por skribado de ofertoj, fakturoj kaj librotenado, sed por dungi kapablulon, oni devus pagi altan salajron. La afero eble ne estus sufiĉe rentodona.

Intertempe la pentrado progresis en la domo de Alvarsson. Gösta post longa miksado de farboj fine ricevis specialan inspiron kaj sukcesis koncentrigi la ĝustan nuancon de dalekarlia bluo. La unua miksaĵo respegulis la bluegon de senfundaj maroj traŝipitaj, ĝi estis tro malhela. La dua similis la blueton de printempa ĉielo skania, ĝi estis tro hela. Sed en la tria rebrilis, jes, kio brilis en tiu mireblua kolornuanco: tie kantis ehe la rigardoj de Tora...

Ju pli proksimiĝis la Kristnasko, des pli marŝis antaŭen la pentrado. Kaj des pli nubiĝis la koro de nia Gösta. Kiam li finornamis seĝapogilon per koroj kaj tulipoj, li sentis kvazaŭ li pretigus sian ĉerkon. Kiom ajn li tiris la laboron, apenaŭ restis kelkaj tablopiedoj ankoraŭ nepentritaj. Post tri tagoj estos Kristnasko. La festo de paco, ĝojo familia. Kaj sur la seĝoj novpentritaj de Gösta sidos gaste la svatantoj: Ivar kaj Einar. Ĉu la unua aŭ dua ricevos la manojn de Tora, estis preskaŭ same malbone por Rasmusson. Eh, sed ĉu skaniano povas esti melankolia. Ĉu markavaliro povas plori sur seka teraĉo. Amo, flamo, ne, korlamo...

Estis la tago antaŭ la kristnaska vespero. La naturo aspektis sub la neĝa festmantelo kiel granda, brileblanka edziĝa altaro. La novruĝaj domoj de Danielsson kaj Siljan altiĝis kvazaŭ la kristnaskaj kandeloj de la komunumo. La mejlolonga pinarbo ĉirkaŭe spiradis malrapide sub la peza neĝkovrilo. Sciuroj saltetadis de branĉo al branĉo. El la dometoj la fumo leviĝis rekte el la kamentubo al la klara supro. Ĉio inspiris pacon, poezion.

Ankaŭ en la domo de Alvarsson teksiĝis poemo en prozo... La gaja Tora apenaŭ sukcesis subpremi rideton, vidante la vanajn klopodojn de Gösta por plilongigi la restadeblojn en ilia domo.

— Gösta, ĉu vi pentras per seka peniko?

— Pardonu, mi forgesis trempi ĝin en la farbon, ŝajnis, ke restis sufiĉe de la antaŭa enmeto. Kaj li aldonis pike:

— Eble pli taŭgus, se Tora metus renverse la

grengarbon al la kompatindaj paseroj kaj ne malsupren kun la greneroj.

— Mi kredis, ke la birdoj havas okulojn por serĉi la manĝaĵon, sed se tio pli plaĉas al ci, ci, 'ci... Ŝi turnis la garbon antaŭ la fenestro. Pinĉ-pinĉ-pinĉ' pepis ekstere la grizuletoj.

— Ĉu ci vidas, kiom ili gajiĝis, ĉar ci sekvis mian konsilon.

Nun denove ektrilis Tora.

— Sed kial la paruoj ne manĝas tritikon?

— Ĉar ili pli ŝatas lardon, respondis Gösta.

Tora kuris en la kuirejon kaj baldaŭ revenis kun peco da lardo. Ne longe ŝi devis stari antaŭ la pordo. Blujaka parueto kun elegante-helflava veŝto pikhakadis fervore la lardon en la mano de Tora. Ŝi ĵetis dankan rigardon al sia instruisto. Ĉi lasta denove ekparolis.

— Ci iĝos certe bona mastrino ĉe Ivar, aŭ, pardonu, ĉe Einar. Tora iĝis pli ruĝa ol la kakto ĵus elflorinta kun sangruĝa kaliko en la meza fenestro. Sed ŝi rapide regajnis la sinregon.

— Se mi iam edziniĝus, tiam nur al vera esperantisto.

— Ĉu Danielsson kaj Siljan ne partoprenis la kurson?

— Jes, sed ili ne daŭrigis poste kaj tial ankaŭ forgesis ĉion.

— Ĉu Tora intencas edziniĝi al sia hispana, aŭ itala samideano? Ili havas fajran koron.

— Plej taŭgan hejmfajron oni trovas en Svedlando.

— Mi komprenas, ci do havas dalekarlian knabon.

— Ci maltrafis. Celu pli suden!

— Tora!

— Gösta...

Paseroj kaj paruoj time disbruis, kiam Rasmusson saltis al Tora. Dum du minutoj aŭdiĝis nenia bruo. Kvankam kvar lipoj kunlaboris. Formante unu solan buŝon. Gösta estis lerta naĝisto, kiu ofte subakviĝis kaj superis siajn kamaradojn rekorde restante malsupre sen spiro. Sed Tora bezonis ekspiri en la tria minuto. Gösta uzis la okazon por pardonpeto.

— Pardonu, ke mi fortimigis la paserojn kaj paruojn. Tora ekflustris:

— Mi pli ŝatas grandan birdon. Blankpluman, kun nigraj flugiloj kaj ruĝa beko... Gösta ekkriis:

— Cikonio ne troviĝas tie ĉi, nur en Skanio.

— Ci diris...

— Tora!

— Gösta!...

Denove fariĝis silento. Sed nun la birdetoj ne forflugis. Ili rapide alkutimiĝas al kisetoj. Sed ĉiu homa feliĉo havas limojn. En la pordo aperis la patro de Tora. La skaniano lerte manovris sin foren. Sed Alvarsson revokis lin.

— Ĉu urĝas la pentristo? Mi volis inviti lin al nia kristnaska vespero. Unu knabo pli aŭ malpli ne kaŭzas zorgojn al la mastrino. Ĉeestos ankaŭ Danielsson kaj Siljan, al kiuj ci pentris la domojn. Ĉu akceptite?

— Dankon pro la honoro, jes.

— Do ĝis revido! Kaj bonvenon!

Rasmusson neniam ricevis marmalsanon. Eĉ sur uragana maro li sukcesis konservi sian ekvilibron. Sed nun turniĝis lia kapo. Kvazaŭ je sorĉa bato, subite malaperis la vintro. Ekzotika varmo ŝvitigis lin. En lia animo resonis mola ammelodio el Oriento... Blankaj kaj ruĝaj kamelioj floris sub ombrigaj palmoj. Kaj multkoloraj birdoj aŭdigis svenigan trilkaskadon. Li devis froti sian frunton per freŝiga neĝo. Tamen estas vintro, hejma, blanka, sveda vintro. Nenia uragano. Senfina paco. Blanka silento. Granda ripozo. La tuta mondo ekripozis. Ho, kia paco regas tie ĉi, en Svedlando. Eble ankaŭ aliloke. Ja la sanktan nokton tigroj kaj gazeloj trinkas el la sama fonto. Eble ankaŭ en Abesinio nun ĉesis la murdado por momento kaj italaj soldatoj invitas la negrajn malamikojn je cigaredoj. Estas ja Kristnasko... La festo de l' nasko, vivkomenco, ne de la morto. La festo de l' infano... Infano, kiom muzika nomo. Malgranda Gösta, kiu estos la plej juna kursano de »sinjoro instruisto«...

Fariĝis oka horo vespere. En la domo de Alvarsson brulis kandeloj en ĉiu fenestro. Elektraj lumtorentoj fluis de la kristnaska abio en la angulo de l' ĉambro. La longan tablon kovritan per brile-blanka tuko plenplenigis pladoj kun ŝinko, bruna kaj blanka panoj de mola kaj malmola specoj, lesiva gado, riza kaĉo. Meze de la tablo sepbraka, ligna kandelingo, mane farita. El ĝi solene leviĝis sep sveltaj, ruĝaj kandeloj. Dekstre de ĝi brile polurita pokalego el stano, en kiu formis monteton nuksoj, aveloj, pomoj, piroj, bananoj kaj plej supre bluegaj kaj helverdaj vinberaroj. Maldekstre kovrita kaserolo, kies vaporumo malkaŝis la enhavon, tiklante la scivolajn naztruojn per spica aromo dolĉa de bolanta vino... Ĉe ambaŭ flankoj de la tablego staris gajigaj kaprofiguroj faritaj el pajlo.

Inter tiom da bongustaĵoj ne estas mirinde ke oni forgesas paroli. La buŝojn okupas pli agrablaj taskoj. Sed ĉe la rizkaĉo la maljuna Alvarsson ne plu povis reteni sian scivolon kaj demandis, turnante sin al Ivar kaj Einar.

— Nu, kiu trovis la migdalon?*

— Mi, kriis Ivar.

— Mi, kriis Einar preskaŭ samtempe.

— Ĉu do troviĝis du migdaloj en la rizo, demandis nun Alvarsson sian filinon. Tora apenaŭ povis konservi la seriozecon, turnis sian tutan atenton al sia telero, kvazaŭ ne aŭdinte sian patron. Subite ŝi ekkriis:

— Jen mi trovis ringon en la kaĉo!

Preskaŭ samtempe ekkriis ankaŭ Gösta.

Patro Alvarsson havis klaran kapon, li multe spertis kiel komunumestro. Nun li ekparolis kun severa tono:

— De kiam ne trovas dalekarlianinoj dalekarlianojn?

Rasmusson interrompis lin.

— Se mi bone memoras la vortojn de la Komunumestro, ci neniel volas influi cian filinon, sed ŝi rajtas elekti laŭ sia koro.

Alvarsson ekparolis ruĝmiene.

— Ĉu *ci* estas mia filino?

Gösta eksilentis, por doni okazon al Tora. Ŝi turnis sin al Ivar kaj Einar.

— Pardonu, knaboj, mi ne povas edziniĝi al vi, ĉar pentrista ĉefo Rasmusson dungis min kiel sekretariinon por sia entrepreno. Kaj mi danke akceptis la porvivan postenon. Vi ambaŭ ricevis migdalojn. Ivar, elektu adreson de migdalokulino laŭ la korespondada rubriko de »Heroldo«, kaj ci Einar, laŭ »Praktiko«, la korespondado estas plej taŭga por refreŝigi la kursmaterialon.

La komunumestro nun volis meti la »punkton sur ,i'«.

— Diabla skaniano! Li pagigis per mi salajron

* Estas kristnaska kutimo en Svedlando kaŝi migdalon en la kaĉon. Al tiu, kiu bonŝance elkulerumas la migdalon, ĝi aŭguras baldaŭan edziĝon.

# Amiko Richter

**— Salvatore di Giacomo —**

Jen, amikoj miaj, kiel mi ekkonis profesoron Otto Richter.

La kvartalo Princo Amedeo, vi scias, tiel proksima laŭlime al la korso Viktoro Emanuelo, sin trovas de ĝi, laŭ aspekto, tre malproksime. La korso ankoraŭ estas kampara, sub la verda monteto; la kvartalo estas eleganta; la korso estas polvoplena pro strato larĝa kaj sunfrapata; la kvartalo estas severe pura. Ĉi tie estas palaco Grifeo, havanta antikvan aspekton kaj solidan konstruon el griza kaj nuda ŝtono. Ĉi tie estas fenestroj ark-pintaj, reflektantaj vespere en la viŝitaj vitraĵoj la grandan helon de la luno, kiu el la kontraŭa flanko surrigardas la maron kaj en ĝi banas sian palan bildon. En studo gravura, sub la griza palaco, la tuto kunfandiĝas kaj ĉiziĝas silente. Interno plena de duonombroj: la artisto pasanta kaj rigardanta revenas en sia fantazio al malnova Florenca tempo. Se ĉi tie la medio ne estas grandparte gaja pro lazurverda horizonto kaj pro parfumo de sovaĝaj herboj, kaj se ne parolus pri amo se ne pepadus migrante al ne malproksimaj nestoj la birdetoj frostetantaj, la butiko de la ĉizisto ŝajnus al la kamparo la sangokoloraj starantaj papavoj, kaj antikva, kiam ĉirkaŭe aperas grizaj muroj kaj ŝildoj honorataj per vantoj de roboj kaj de kirasoj.

Dum nia tempo, la kvartalo estas simple feliĉa pro sia pureco kaj lokiĝo. La balustradon de la strato rompas la unuaj ŝtupoj de ŝtuparo nezorgita.

Per ĝi oni malsuprenvenas en senhoman strateton, kaj tiel oni aliras, pasante sub potenca arko, al kiaja, en la eleganta kvartalo. De paco al bruado, de la trankvilo de aĵoj kaj personoj al ia moviĝo, kiu vin remetas el revo al realo. En kelkaj horoj, en kelkaj momentoj, la strateto al vi parolas pri multaj strangaj kaj misteraj aferoj. En ĉi tiu strateto mi ekkonis prof. Otto Richter.

*

Estis gaja printempa mateno. Mi ĵuras al vi, amikoj, tion mi ne diras pro konvenismo, kiu trafloras preskaŭ ĉiujn rakontojn per meteorologiaj mildaĵoj. Estas vero, la interkonatiĝo okazis en Aprilo. Otto Richter mi ekkonis jene.

Malrapide mi malsuprenvenis tiun diritan ŝtuparon; li staris tie en la strateto, ĉe ombro, kun ombrelo kies pinto estis plantita en la tero, kun la manoj sur ĝia transversa tenilo el perlamoto. Kun ŝultroj al muro, okuloj al tero, la maljunuleto al mi aspektis pripensema. Nu, ĉar en ĉi tiu vivo, la pensemuloj estas, laŭ plimulto, malfeliĉuloj, mi, kiu lin vidis el la alto de la ŝtuparo, tiel stari tie, kaj lin retrovis en la sama pozicio, kiam de la lasta ŝtupo mi metis la piedojn en la strateton, mi diris al mi:

Jen homo, kiu certe meditas pri siaj veoj. La strateto estis plena de suno kaj silento. Subite ĝi estis plena de muziko. Kiel do? mi pensis, revenante, rave frapita de melodio disfluganta. La maljunuleto jam moviĝis; pasis de ombro al suno, sin proksimigante al unu el tri malaltaj fenestroj, rigardantaj al la strateto el muro kontraŭ ni. La fenestroj preskaŭ estis larĝe malfermitaj kaj la muziko pasis. Sed ĝin igis mistera iaj blankaj kurtenoj kadrofiksitaj, okupantaj interne la tutan interspacon.

Proksimiĝinta al la fenestro mi proksimiĝis ankaŭ al la maljunuleto, klopodante ne fari bruon: li estis tiel atentega, kompatindulo! La ombrelo estis sub la akselo, la manoj fermitaj premis la lastan butonon de la veŝto, kiun supre karesis la ruĝeta barbo de l solena aŭdanto. Kelkfoje, kiam la melodio leviĝis kun pli sonora ritmo, la manoj delasis la veŝton kaj unu montrofingro rekta batadis la takton, la alia kaptadis nervoze la baskojn de l' surtuto, kvazaŭ li volus uleto levis la kapon, daŭre ridetis, daŭre svingadis la manon, murmurante la lastan muzikan frazon, solene.

Preninte kuraĝon, mi lin demandis:

— Pardonu, kiu sidas tie?

Li antaŭenpaŝis, removis la ombrelon kaj venis al mi kun hela feliĉo en la lazuraj okuletoj. Li respondis: — Beethoven. Per levita brako li mezuris ankoraŭ kvar-kvin taktojn kaj kantetis ree la notojn.

— Tre granda! li aldonis kun lipoj longigitaj pro admira grimaco. — Giganta! Ĉi tiu simfonio, monumento! Ho! Ĉu ĝi plaĉas al vi. Sinjoro!

Dio mia! Tiel ĉarma afero! Al kiu ne plaĉas la muziko de Beethoven, amikoj miaj?! Nur mi ne povis kompreni, kiel estis tie vere li.

---

por la pentrado de siaj propraj mebloj. Sed atendu nur, mi ne forgesos depreni la sumon ĉe la honorario kiam vi novpentros la domegon de la komunuma estrrarejo!... Ni levu niajn glasojn por — Svedlando, hura, hura, hura, hura!

Sankta nokto, silenta nokto. Mejlolonga pinarbaro profunde dormas sub la dika neĝkovrilo. Dormas ankaŭ tagviglaj sciuroj. Ĉio inspiras pacon, poezion. Sur la vojo tra la arbaro iras du knaboj, konsole metante siajn brakojn reciproke unu sur la ŝultron de l' alia.

— Einar, mi konfesas al vi, ke mi pli frue komencis korespondi kun ĉarma anglino, nun mi reprenos kun ŝi la kontakton.

— Ivar, ankaŭ mi ricevis belan portreton pri franca samideanino de la kursgvidinto. Mi nepre skribos al ŝi morgaŭ.

— Kaj ni ĉiuj kvar renkontiĝos en Vieno. Kaj surprizos la svedojn per internacia edziĝo! Gis revido, Einar!

— Gis revido, Ivar!

Je la sesa horo matene fortaj ĉevaloj flugigis glitveturilon tra la blankpentrita naturo al la kristnaska meso. La altaj, neĝkovritaj pinoj aspektis kvazaŭ blankaj barbegoj de maljunaj, gigantaj saĝuloj. Estis sorĉe bele, kiel en fabelo de mil kaj unu noktoj. La blankvestaj arboj formis grandiozan blankan altaron geedziĝan. Nur malofte aŭdetiĝis flustra monologo, ne, — mi eraris, la figuro en la glitveturilo konsistis el du gefeliĉuloj — dialogo.

— Ni ne povos viziti la Vienan kongreson, ĉar ni devos zorgi pri nia propra hejmeto. Sed eble poste, dum la Varsovia jubileo, kiam eta Gösta iĝos pli grandeta, veturkapabla...

Dormema parueto vekiĝe eligis mallongan pippipon, sed la paruleto de l' parueto admone respondis:

— Pip-pip-pip' estas Kristnaska nokto, silentu, ne veku Toran kaj Göstan. Lasu tion al la kristnaskaj sonoriloj.

# La fratoj Rabistoj

— A. S. Puŝkin —

I.

Samkiel ĉe ostar' putranta
Kunflugas iam korva ar',
Kunvenis nokte rabistar'
Sur Volga ĉirkaŭ fajr' brulanta.
Miksaĵ' de gentoj, de vizaĝoj,
De statoj, vestoj, de parol';
El urboj, ŝaĥtoj kaj vilaĝoj
Por raboj venis la popol'!
Vivi sen leĝoj, sen komand' —
Jen sola cel' por ĉies revo;
Jen la fuĝint' de sia devo —
Kozak' el Don — milita land'.
Jen la hebre' kun nigraj viloj,
Kaj la sovaĝaj stepo-filoj —
Kalmuk' malbela kaj baŝkiro,
Jen blonda finn', kaj de foiro
Hero' vagema — la cigan'.
Per murd', danĝer', rabita pan'
Sin ligas tiu band' terura.
Bonvenu, — kies ŝtona kor'
Por ĉiu krim' estas matura
Kaj kiu buĉas sen angor'
Malriĉan orfon lude for;
Por kiu ĝem' infana — ĝuo,
Kiu ne emas al kompat';
Kiun ĝojigas mortigad'
Kiel junulon rendevuo.

II.

Silento regas en la val';
La band' en rond', la lun' suriras.
Kun ŝaŭma vino la pokal'
De man' al mano ronde iras.
Sin etendinte sur la ter',
Jam kelkaj dormas singardeme
Kaj sonĝe iu krias ĝeme,
Vidante bildojn de infer'.
Aliajn nokt-enu' turmentas;
Jen grup' ariĝis man' ĉe man';
Kaj multaj kun scivol' atentas
Rakonton de la nova am',
Dum ĉiuj ĉirkaŭ li silentas.

III.

Ni estis du kun frato mia
Kaj kreskis kune. Dum junec'
Nin nutris fremda familio
Kaj vartis nur la malgajec'.
Ni konis voĉon de mizero;
Nin persekutis malestim';
Kaj frue tia atmosfero
Envion naskis en l' anim',
Nenio restis jam por ni, —
Nek' hejm-azil', nek kampo grena;
Ofendojn, zorgojn havis ni;
La vivo ŝajnis abomena.
Kaj jen ni venis al decid'
Nun sperti en alia vid'
La vivon. Nia kamarado
Nun estis ŝtal' kaj nokta hor';
Forgesis ni pri l' suferado;
La konsciencon pelis for.

IV.

Ho, la junec', simila revon!
La vivo estis riĉa bon';
Ni, ignorante la pereon,
Dividis ĉion je duon'.
Apenaŭ luna disk' mistera
Atingas mezon de l' ĉiel',
Ni al arbar' el nia kel'
Eliras por labor' danĝera.
Atendas ni en arbustaj':
Ĉu riĉa jud' aŭ pop' mizera
En voj' malfruas proafera,
Ĝi estas nia akiraj'.
Jen vintra nokto. Ni orgion
Aranĝas. Jungas ĉevaltrion,
Kun kant', en flugo de hirund',
Galopas ni tra neĝprofund';
Teruras homojn sur la kamp'!
Kaj jen drinkejo: brulas lamp', —
Ni — tien! Frapas sur la pord',
Aroga vok' al la mastrino,
Enven', drink', manĝo kun perfort',
Kaj kis' al ĉiu belulino.

V.

Sed venis fino por la par';
Jam plu ne longe ni festenis,
Nin ambaŭ kaptis gardistar',
Forĝistoj pare nin katenis
Kaj ŝlosis nin post fera krad'.
Mi, la pli aĝa je kvin jaroj,
Eltenis pli ol mia frat'!
Nek ĉenoj rompis min, nek baroj,
Sed lin detruis tiu stat'.
Varmega estis lia spiro;
La kapon febran en sopiro
Mallevis li al mia brust',
Kaj sufokiĝis, ripetante,
»Al kamp' mi volas, al arbust'!«
Li akvon petis, suferante,
Sed vane mi trinkigis lin:
Denove lin soif' turmentis,
Sur la vizaĝo ŝvit' torentis;
Venena febro skuis lin,
Bruligis cerbon kaj sufokis;
Li jam ne plu rekonis min
Kaj, en deliro, kun obstin'
Amikon, kamaradon vokis,
Kriante: »frato, kien for?
Per kiu voj' vi kaŝe iris,
Min lasis sola, ne eltiris
El la mallum', malbonodor'?
Vi loĝis min ja en arbaron
El hejma paco en vilaĝ',
Al mi instruis vian faron —
Mortigi ĉiun sen domaĝ'.
Sen mi, tra kampoj nun en ravo,
Promenas li kun akra glavo,
Profitas sola en rabad',
Kaj, pro avid' al riĉa havo,
Forgesis pri la kamarad'!...

VI.

Jen li denove pro mordad'
De peka konscienc' suferis.

---

Ja mi bone rekonis la Pastoralon. Ĉu vi memoras, amikoj?

Ah! kial la muzikon oni ne povas skribi kaj legi kiel la parolon!

— Vi diras, ke la muziko estas de Beethoven — mi parolis ekriđante — nu bone. Sed kial Bethoven troviĝas tie interne? Ĉu li reviviĝis?

La respondis malrapide, tre serioze:

— Beethoven mortinta jam longe. Ĉi tie Societo Kvarteto Koncerto.

— Ĉu fremda estas via Moŝto?

— Alemando, de Germanio, tetesko.

— Ĉu vi vivas ĉi tie en Napolo?

Per la okuloj li jesis. Poste li mansignis ankaŭ, ke mi silentu, kaj alproksimiĝis al la fenestro. Oni rekomencis la muzikon.

— Psst. — li diris — Boccherini. Li metis la montrofingron sur la lipojn kaj duonfermis la okulojn, ravita. Kia mildeco, kiaj graciaĵoj, amikoj miaj! Ĉu vi konas tiun Siciliana?

*

Mi reiris tien: Ankoraŭ Prof. Otto Richter ne parolis al mi definitive pri si.

Lia malgranda figuro, laŭ rakonto de Hoffman aŭ de Erckmann Chatrian, lia kvieta germana figuro entenis ion misteran, kiun mi vane klopodis esplori kaj super kio mi cerbumis sensukcese.

Nur tion mi eksciis de li, ĉe la unuaj konfidoj, ke li venis de Germanio al Italio, piede. Ĉu vi komprenas? Piede! Mi restis terurita, mi, ameganta la veturilojn, la fervojon, la tramojn, ĉion, kio estas transportrimedo!

Mia rigardo tuj direktiĝis al la ŝuoj de l' bona homo, du ŝuoj tute ne elegantaj, el surparto plata, malalta, larĝega, el pinto kvadrata, el plandoj duoblaj, tri fingrojn dikaj, vere nordaj ŝuoj. Li staris sur tiu piedestalo kaj ridetis kontentege. Li havis, parolante, ian malican okulumon, per kiu taŭziĝis liaj vangoj. La tuta vizaĝo iĝis sola sulko. Li paroladis mallaŭte

Poste mi eksciis, same de li, ke jam de longe li vias en Napolo, ke li loĝis en la turego S. Marteno, ke

Kaj ree antaŭ li aperis
Fantomaj bildoj en nebul';
Plej ofte griza maljunul'
Murdita de ni per mortbato
En lia pens' prezentis sin.
Kaj strabrigarde mia frato
Por la grizul' petegis min:
— »Ho, frat', vin movu por kompato.
De l' kadukulo vea plor'!...
Ĝi min teruras... Ne mortigu
Lin, sendefendan... liberigu
La senfortulon... Lasu for!...
Ho, frat', pri la grizeco pia
Ne moku: eble preĝo lia
Protektos nin de Di'-koler'!«...
Silentis mi kaj sen esper'
Ĉesigi lian ploron celis,
Kaj for de li fantomojn pelis.
Jen ŝajnis veni el arbar'
En danc' sovaĝa mortular',
Minace flustris, manojn svingis;
Jen ŝajne gardo lin atingis.
Sovaĝokule strabis li,
Al li la haroj hirte staris,
Li tremis kiel arbfoli';
Aŭ jen amase sin preparis
Sur eŝafoda plac' popol';
Buĉisto marŝis jam sur vojo
Kun akra glav' por lia kol'.
En sven', premata de malĝojo,
Alvokis savon mia frat'.
Kaj tiel noktoj, tagoj fluis
En la senĉesa suferad',
Kaj tute dormon ni ne ĝuis.

VII.

Sed venkis lia juna fort';
Denove sanon li akiris;
Plu ne minacis lin la mort';
Kaj for deliraj revoj iris.
Ekĝojis ni. Kun pli fort'
Sopir' nin tiris al libero;
Al kamp', arbaroj kaj aero,
Sed firme tenis nin la pord'.
Nin tedis la malluma kel',
Transkrade lumo de l' ĉiel',
Kaj kri' de l' gard', kaj ĉensonor',
Kaj striga ĝem' en nokta hor'.

VIII.

Jen, oni min kun mia frat'
Al urbo sendis por petad'
De panalmoz' por la karcero.
Ni trovis ŝancon, — kia ĝoj'!
Por fuĝi malgraŭ la danĝero, —
Rivero fluas ĉe la voj'.
Rapidas ni al la libero:
Kaj salt' en ondojn de l' rivero;
Eknaĝo. Tintas la katen'.
Ni batas ondojn, streĉas fortojn,
Insulon vidas inter kan';
Tranĉante fluon per la man',
Ni celas ĝin kaj aŭdas vortojn:
»He, kaptu, halt'!« Kaj naĝas jen
Du gardsoldatoj. Ho, malben'!
Ni sur l' insulon jam eliras,
Kun help' de ŝton' la ĉenojn ŝiras,
La vestojn jetas al la ter' —
De l' ŝarĝ' malseka liberiĝas;
La gardo tamen proksimiĝas.
Kuraĝe, plenaj de esper',
Atendas ni. Jam unu dronas, —
Sufoka kri' aŭ ĝem' nur sonas, —
Kaj plumbe iras li al fund'.
La dua preter la profund'
Jam pasis; li pafilarmite
Al bordo vadas kun obstin',
Averton spitas; tamen lin
Sur kap' du ŝtonoj bonĵetite
Tuj trafas; sangas sur la flu'...
Li dronis. Ni eknaĝis plu.
Neniu kapti nin kuraĝis;
Sur firman bordon ni elnaĝis
Kaj iris for.

IX.

Sed mia frat'...
En ond' aŭtuna la banad'
Per la malvarm' lin pereigis;
De l' febr' revenis la turment',
Vizioj ree lin timigis.
Kaj li tri tagojn en silent'
Sendorme kuŝis en deliro;
La kvaran — je la mortsopiro
Li ŝajnis esti plena jam:
Li vokis min, la manon prenis, —
El la rigard' ne lumis am'
Kaj nur suferon ĝi entenis;
Jen trem' de l' mano, — lasta pen' —
Kaj krevis lia vivfaden'.

X.

Tri tagojn ĉe la korp', plorante,
Mi sidis, ĉiam atendante
La reviviĝon. Sed en fin'
Mi sen esper' forlasis ĝin;
Kaj fosis tombon, preĝon diris
Pri mia frat' al Dipatrin'
Kaj tiam enterigis lin.
Kaj al rabad' kutima iris
Mi sola... Sed la vivmaten'
Jam pasis, pasis sen reven'!
Diboĉojn noktajn, plej sovaĝajn,
Kaj rabatakojn plej kuraĝajn
La frata tombo prenis for.
La viv' senĝoja kaj sencela
Min faris tute ŝtonkruela;
Kompat' jam mortis en la kor'.
Sed ja sufoki maljunulon
Min ofte ĝenas ia tim':
»La sendefendan grizharulon
Kompatu!« — sonas en l' anim'.
Kaj vidas mi: la ŝtonkarcero...
La frato... Febro skuas lin;
Kaj li delire en sufero
Por la grizulo petas min.«

XI.

La hirtan kapon mallevinte,
Nun la rabisto en ĉagren'
Silentis. Larmoj nevidite
Sur lia fluis krudmien'.
Ridante diris la aliaj:
»Forgesu pri angoroj viaj;
La mortajn pelu el memor';
Ni, vivaj, drinku kun fervor'
Najbar', regalu la najbaron!«
Kaj ree la pokal' en rond'
Ekiras. Kaj la rabistaron
Amuzas nova jam rakont'
Viviĝis ĉies ambicio, —
Vet' je ponardoj, glava fer',
Je drink'... Kaj dormas la konscio
Ĝis iu tago de sufer'.

El la rusa: *A. Lavrov*

---

dum la tuta plena tago li vagadas tra la urbo donante instruon pri germana lingvo.

— Ĉu vi ĝin konas? — li diris.

— Ne — mi respondis, duonĉagrene. — Sed mi dezirus lerni.

— Ĉu vi deziras lecionon? — li diris ridetante.—

— Ni parolos pri tio.

Poste pri tio ni plu ne parolis. Li estis maljunulo plena de delikataĵoj.

Daŭradis la provoj de la Societo de l' kvarteto.

Iun matenon Prof. Otto Richter venis en la strateton kun libreto de eleganta germana eldono en la mano.

— Ĉi tio?

— Ĉi tio? Traktato venenoj.

Venenoj? — Sed la maljunolo rapide aldonis frapante sian bruston per larĝa mano.

— Mi ankaŭ iom kuracisto.

Iom kuracisto, iom pentristo, li estis iom ĉio. Super ĉio, muzikmaniulo.

Mia admiro kreskadis de dimanĉo al dimanĉo; same sekvadis la koncertoj de l' kvarteto, kaj nin kuntenis la komforteco de la strato. Oni devus vidi mian amikon Otto Richter, dum interne bruadis la kavalkado de la Valkiroj! Tiu bona Richter! Kun fermitaj pugnoj, okuloj lampantaj, gamboj larĝigitaj, kun ombrelo svingata kiel vipo de iu Vagnera amazono, kaj diranta: Pa, pa, ta, pa! Papatapa! Ĉin!

*

Pasis monato, feliĉa monato de provoj kaj koncertoj. Ni neniam tie mankis. Sur la muretoj de l' strateto aperis flavaj floretoj ornamantaj ties suprojn. Strio da ombro sub tiuj muretoj kaj, en la mezo de l' strateto, kampo da suno. Aŭdiĝis la muziko ĝis la kvartalo, vokante la pasantojn, ilin invitante al la solena partero de ĉi tiu okaza teatro, kaj de la ŝtupoj ruiniĝantaj venis subite virinfiguretoj, gajaj kavaliretoj. Estis bruo de saltetantaj ŝuetoj; ili igis turniĝi mian amikon Richter. Li aspektis maljuna solena pasero, ĝenata de alkuranta amaso da bruemaj birdetoj. Li kaŭris en angulo kaj ne plu moviĝis. Malgranda fraŭlino lin montris al la aliaj ridetante.

# La portreto de Anna Cleve

**— Ferenc Móra —**

Henrikon VIII., la multedzinan anglan reĝon post sia tria edziĝo oni komencis rigardi nedezirinda svatanto en la altrangaj eŭropaj rondoj. Li forpelis sian unuan edzinon, ĉar ŝi ne povis iĝi patrino. La duan li kondamnis al la eŝafodo, ĉar duboj vekiĝis en li, koncerne la patrecon. La tria virino, la malfeliĉa Jane Saymour estis pura kiel la rosa rozburĝono kaj Dio baldaŭ benis ŝin per patrinaj esperoj, eĉ tre baldaŭ. La kuracistoj diris al Henriko, ke oni devas oferi aŭ la patrinon aŭ la infanon.

— Mi volas la infanon — diris la reĝa moŝto, kaj eĉ larmon li ne faligis, kiam oni raportis, ke la infano vivas, sed la patrino mortis pro la operacio.

La fraŭlinoj de la konsidereblaj eŭropaj kortegoj rifuzis unu post la alia la neelkalkuleblan homon kaj Henrik komencis fariĝi melankolia. Ja reĝo ĉiam trovas turmenteblulojn, sed estas io tute alia, se li povas turmenti sian propran edzinon.

Dum la mornaj tagoj de la vidveco la reĝo plurfoje iradis en la atelieron de Holbein, por ĉirkaŭrigardi. Li tre ŝatis la grandan pentriston, kiun li prenis kiel sian kortegan pentriston, kaj postrestis lia reĝa diro, per kiu li defendis lin kontraŭ la princo de Norfolk.

— Sire — plendis la princo — vi pli alte taksas tiun vagabondon ol min.

— Lordo — respondis la reĝo —, se mi bezonas lordojn, mi suprenportigas el Wales sep kamparanojn kaj faras el ili sep princojn de Norfolk. Sed, domaĝe, eĉ el sep princoj de Norfolk mi ne povas fari unu Holbein.

Kompreneble ankaŭ la pentristo klopodis favori al sia potenca mastro kaj foje montris al li portreton, kiu prezentis rozvangan junan knabinon.

— Via opinio pri ĝi, Sire?

Henriko ĵetis malbonhumoran rigardon al la bildo.

— Estas domaĝe, ke ŝi havas tiel elturnitan dikan buŝon.

Holbein ekridetis, kaj dum la reĝo traoscedis la atelieron, li faris el la kamelbuŝo buŝeton malgrandan, kiel matura ĉerizo.

— Kaj tiel, Sire?

— Lasu min trankvila, majstro, — gestis la reĝo kaj foriris tiel malafable, kiel li venis.

Sed post semajno, kiam li vizitis denove la pentriston, liaj okuloj fiksiĝis al la ĉerizbuŝa virino.

— Dian buŝon ŝi havas; nur estas domaĝe, ke ŝiaj oreloj estas disstarantaj, kiel tiuj de la winchestera kruĉo.

La pentristo korektis la orelojn; la postan tagon, laŭ la deziro de l' reĝo, li ordigis la stumpan nazon, poste li mallarĝigis ŝiajn brovojn. Henriko estis granda artkompetentulo kaj delikatgusta renesanchomo, kaj eĉ por Holbein estis granda ĝojo, kiel laŭ la fantazio de l' reĝo kaj laŭ lia peniko naskiĝas sur la tolo transtere bela feino.

Monaton daŭris la ludo kaj tiam la reĝo diris, ke se la sinjorino ne havus tiel bovinkarnan vizaĝon, li kredus pri ŝi, ke ŝi estas la plej bela nimfo el la sekvantaro de Diana.

Holbein blankigis la karnokoloron alabastra kaj en sia ateliero li elserĉis la plej bonan lokon por la bildo. Sed vane li reatendis la reĝon, tiun landaj zorgoj okupis por longa tempo: li komencis edziĝajn pritraktadojn kun princino Guise, kiel ankaŭ kun Maria Bourbon, kaj nur post monatoj li aperis subite en la ateliero.

— Ĉi tiu estas mem la ĉasta Diana! — li haltis ravite antaŭ la bildo. — Vere, kiu estas ĉi tiu dia virino?

— Ŝi estas princino Anna Cleve, Sire, dum mia plej lasta germanlanda vojaĝo mi pripentris ŝin.

— Neniam plu vi pentros tian, majstro — brilis la okuloj de Henriko kaj tuj li portigis hejmen la bildon, kaj la postan tagon li sendis sian kancelieron Cromwell al la princo de Cleve, ke li svatu por li lian knabinon. Sed li donis al li severan ordonon, ke li kunportu tuj ankaŭ la fianĉinon.

Eĉ tiom da pacienco li ne havis, ke li atendu en Londono la ĉastan Diana, li vojaĝis antaŭ ŝin ĝis Rochester kaj kiam li ekvidis ŝin, li eksakris:

— Kial vi portis al mi ĉi tiun holandan bovidinon?

Oni apenaŭ povis lin persvadi, ke li diru kelkajn vortojn al sia fianĉino, kaj la kanceliero devis tre elokvente perforti lin, ke li dediĉu sin al la edziĝo.

Sed la tagon post la edziĝfesto li kunvokis la parlamenton kaj deklarigis per ĝi, ke ĉi tiu edziĝo ne validas, ĉar princino Anna jam en sia sesa jaro estis fianĉinigita de la sepjara lotharingia princo, kaj la angla reĝo estas multe pli kavalira homo, ol ke li disigus tian paron.

Tiel finiĝis en unu tago la edziniĝo de la princino Anna Cleve, kaj tiel perdis Hans Holbein la favoron de Henriko VIII.

El la hungara: *László Halka.*

---

Certe mia amiko Richter interesis.

Li estis originala figuro, simila al tiuj, kiujn la *germanaj ilustritaj gazetoj metas en simpla kaj bona* novelo, vivigitajn per krajono de sprita artisto. Multfoje mi lin renkontis en la ĉirkaŭaĵoj, kun valizeto en unu mano, la ĉiama ombrelo en la alia. La valizeto *pleniĝis de fruktoj, herbaĵoj, laktaĵoj, de iom el* ĉio. Mia amiko Richter eniradis rapideme en butikon de pastio, ĉapelsalutante kun afableco tute germana kaj petadis pri du kilogramoj da vermiĉeloj, kaj horo sufiĉis por liveri al si ĉion manĝeblan kaj kuireblan. Tiel li revenadis al S. Marteno kaj de tie li ĉiam malsuprenvenis por aŭdi muzikon en la Nacia ĝardeno aŭ ie ajn, kie muzikon oni ludis. Tio estis lia granda pasio.

Iun matenon mi vidis lin sekvi funebron de kapitano sinmortiginta. Li staris apud la urba muzikistaro, pensoplena, kun la eterna ombrelo subbrake. Mi lin revidis poste tie kaj tie en la stratoj, stratetoj de Napolo, rapidema, al si parolanta. Eble li iris al siaj lecionoj pri germana lingvo. Poste mi lin plu ne vidis.

Malaperas tiom da personoj, ĉiutage, en ĉi tiu Napolo, kaj tiom da novaj aperas!

*

Iun vesperon, estis ĉi tie la Reĝino. Oni ŝin honoris per koncerto de kvarteto. La strateto estis plena. Ni estis tie pluraj amikoj, en plej granda atendo pri la programo, entenanta Schuman, Wagner, Boccherini,

# Al vera vivo

## Rakonto el la sveda kamparo

**– Originale de Hjalmar Andersson –**

Kiam Georg Lundman, la juna posedanto de unu el la huboj en la vilaĝo Henala, volis iri por doni al la brutoj matenfuraĝon, li falis sur la sojlon. Ekdoloris tiel terure en lia dorso, ke li tute kunfalis. Post kelkaj minutoj li tamen sukcesis treni sin reen en la kuirejon, kie li ĵetis sin sur la sofon. Dum la lastaj tagoj li ne sentis sin tute sana, kaj nun li komprenis, ke li serioze malsaniĝis.

Homo ne kapablas fari kiom ajn. Ne estas strange, ke Georg Lundman laste fleksiĝis pro multege da laboro. Ĉar li estis tute sola. Sola li devis fari ĉiun laboron en sia hubo, kiu ampleksis 250 arojn da tero. Kiam li finis la laboron en la kampoj kaj herbejoj, li devis varti la brutojn; melki la bovinojn, doni al bovidoj kaj porkoj manĝaĵon, krom multaj aliaj okupoj, kiuj troviĝas en brutejo. Poste li kompreneble devis pretigi manĝaĵon por si mem, sed tion li ofte preskaŭ malatentis. Certe tio estis kunhelpanta kaŭzo, ke li ne povis kontraŭstari la malsanon. En lia hejmo estis videbla, ke io mankas; grava objekto por vera hejmo: virino.

Antaŭ unu jaro li aŭkcie aĉetis tiun ĉi bieneton. Tiam ĝi estis malbonege kulturita. La kanaletoj estis tiel falruinigitaj, ke la akvo ne povis forflui tra ili, sed ĝi penetris la kampojn kaj faris ilin marĉaj kaj nefruktdonaj. Grandaj salikarbetoj bonkreskis tiel en la kanaletoj, ke estis klare videble, ke oni longe ne prizorgis la forkondukadon de la akvo. Sed Georg Lundman promesis al si plibonigi la hubon tiel, ke ĝi fariĝu same bona kiel la aliaj en la vilaĝo. Li jam faris bonan komencon.

Tamen la homoj en la vilaĝo per suspektemaj okuloj rigardis sian laboreman najbaron. Kelkfoje ili kredis, ke li estas ia krimulo, kiu malsincere akiris sian monon, kaj ili kiel eble plej multe evitis lin. En kelkaj okupoj li petis helpon de ili, kiel en draŝado ktp. Tiam ili ja helpis lin, kvankam kontraŭvole. Se ili pli bone konus lin, ili estus spertintaj, ke li estas el la plej pacemaj homoj, kiuj troviĝas.

La horoj iris rapide. Jam estas la naŭa horo. Sed Georg Lundman ne kapablis leviĝi por iri al la brutejo. Li faris multajn provojn, sed li ĉiam falis reen sur la sofon. Lia kapo estis brulante varmega kaj la dorso doloris terure. El la brutejo estis aŭdataj la blekadoj de la bovinoj kaj la henadoj de la ĉevaloj. Tio emociis lin, tial ke li ne kapablis iri por prizorgi la bestojn. Kaj neniu el la najbaroj atentis tion.

Li leviĝis tiom, ke li povis vidi eksteren tra la fenestro. Tie brilis la suno. Sur la vilaĝa strato venis Johan Mansson irante apud sterkŝarĝo. La maljunulo ŝajnis kontenta kaj bonhumora, dum li iris rigardante al siaj kampoj, kie la aŭtuna greno kuŝis kvazaŭ verda tapiŝo, kiun la suno ĵus liberigis de la peza neĝa kovrilo. Kiam li venis meze kontraŭ la domo de Lundman, li pretere rigardis tien, sed nur pluveturis. Ankaŭ Erik Porsson venis sur la strato. Ankaŭ li ne ŝajnis kompreni, ke ĉio ne estas en bona ordo ĉe Lundman. La blekadojn de la bestoj neniu atentis. La homoj certe kredis, ke Lundman laboras en la kampoj kaj nur momente malatentas siajn bestojn.

Subite, dum li sidis kaj rigardis eksteren, iu mallaŭte frapetis la pordon. Je lia »Bonvolu« eniris juna knabino. Estis la filino en la plej proksima najbarhubo, la dudekjara Märta, ŝi kun la suna humoro. Ŝi montris al ĉiuj afablan rideton, eĉ al Lundman, kies koron ŝia rideto trapenetris. En la vilaĝo ŝi estis la sola, kiu ne per suspektemaj okuloj rigardis lin.

»Bonan matenon«, ŝi gaje salutis. »Kiel vi fartas? Certe vi ne estas tute sana. Vi ne estis videbla ekster via domo hodiaŭ. Viaj bovinoj blekas laŭte en la brutejo, kaj pro tio mia patrino petis min veni ĉi tien por aŭdi, kio estas.«

»Mi tre ĝojas, ke vi venis. Mi malsanetas iomete, kaj mi ne povas prizorgi la bestojn. La bovinoj ne

---

Beethoven. La halo estis certe plenplena, sed ĉi tie, en la strateto, en freŝa aero, ja estis pli bone — kaj sen pagi bileton!

Tra la malfermitaj fenestroj eliris flustrado de la kunvenintoj, ŝovado de la seĝoj, susurado de silkaj vestoj.

De tempo al tempo violonagordo, raŭka trombonsono, vokanta voĉo.

La strateto estis, momente, plene lumigita de la luno, kiu sin liberiginte el la embaraso de malbonpromesaj nuboj, serene rigardis en la ĉielo. Ni interbabiladis atendante. Apud mi sidis okulvitrita homo kun mallonga nezorgita nigra barbo. Fremdulo. Mi ne scias, kiel mi lin alparolis, kaj jam ne scias kial. Certe estas, ke mia apudulo, dum demando kaj respondo ĉiam mallongaj, al mi diris, ke li estas germano, ke li estas profesoro pri germana lingvo, kaj ke li deziras esti konata. Tion li diris, kompatindulo, kun tia mieno! Li ŝajnis humiligita. Germano? Profesoro? Certe li konas mian amikon Otto Richter.

— Otto Richter — li murmuris serĉante en memoro.

Poste li diris: Ha, Richter!

Do?

— Mortinta. Otto Richter? Profesoro? Mortinta. Io tre simpla por tiu sinjoro meditema. Sed . . . bedaŭrata Richter! Kiel?

Mia apudulo ankoraŭ pensis. Jen, li mortis tiel — kaj li al si batis la frunton — cerba malsano. Tri tagojn, ne pli, poste mortis.

Post momento li eltiris el grandega paperujo sian karton kaj al mi ĝin prezentis. Sur ĝi estis manskribite: Konrado Weber, profesoro pri germana lingvo.

— Mi petas pardonon — balbutis la mizerulo — mi estas en Napolo, sola, sola. Tiel oni vivas, sinjoro, laborante. Richter mia bona amiko, bedaŭrindulo.

Neatendita, bruega manklakado el halo aŭdiĝis, tuj poste la orkestro ekludis la Reĝan Marŝon. La Reĝino estis eniranta. Pasis kvar minutoj, neniu spiris en la strateto. Mi pensis al mia maljuna amiko Richter, al mia bedaŭrinda maljunuleto tiel stranga . . .

— Kaj kiam li mortis?

— Psst! — diris Weber. Mi petas pardonon. Sinjoro. Poste. Ekludis la muziko. Weber stariĝis, demetis la ĉapelon kaj ekaŭskulis kun religia atento.

El la itala: *M. Arabeno*

estas melkitaj, kaj eĉ pajleron ili ne ricevis hodiaŭ.«

»Mi iros prizorgi ilin«, diris Märta decide kaj prenis laktsitelon, kiu kuŝis sur benko.

»Mi dankas pro via boneco, sed sola vi ne povas. Estas tro multe da laboro. Estas bezonata virhelpo«, kontraŭdiris Lundman.

»Ho, babilaĵo, certe mi povas. Ne kredu, ke mi estas novico«, ŝi diris ridante kaj iris eksteren, post kelkaj indikoj de Lundman.

Kiam ŝi poste revenis, ŝi komencis la internajn laborojn. Ŝi pretigis manĝaĵon por la senhelpa viro kaj faris ĉion, kvazaŭ ŝi estus mastrino tie. Li kontente rigardis, kiel rapide ŝi faras la okupojn, kaj li pensis pri sia propra mallerteco rilate al manĝaĵpretigo kaj purigo de iloj. Antaŭ la tagmezo, kiam ŝi devis hejmeniri, lia hejmo estis tute ŝanĝita. Tiel agrabla ŝi faris ĝin.

Sed nun, kiam Märta foriris, li sentis klare, kiel sola li estas. Antaŭe li ne multe pensis pri tio. Li nur laboris kaj imagis al si, ke li sola povas fari ĉion. Tiam li ne pensis pri malsano... Märta ja promesis, ke ŝi baldaŭ revenos, sed kiam li denove estos sana, ŝi neniam venos plu. Estis malgaje pensi pri tio. Ĉiam li volis vidi ŝian belan rideton en la hejmo, ĉar en lia koro aperis sentoj, kiajn li neniam antaŭe havis por alia virino. Sed neniam ŝi fariĝos lia edzino. Ŝi ne povus ami lin, la ermiton, kiun ĉiuj evitas. Li ja nur estas 27-jara, sed tamen...

Post du tagoj, Lundman estis tiel sana, ke li povis promeni iomete, kaj tio certe estis pro la prizorgo de la bona knabino. Ŝi zorge lin flegis kaj plibonigis lian hejmon. Frato helpis ŝin ĉe la okupoj en la brutejo.

Nun estis sabata vespero. Märta estis pretiganta vespermanĝon por Lundman. Tiu sidis sur la sofo kaj ŝajnis legi la ĵus alvenintan gazeton. Li ne povis bone kolekti siajn pensojn por legado. Ili estis okupitaj per aliaj aferoj. Subite li forŝovis la gazeton kaj diris:

»Ne restu tro longe ĉi tie, Märta. Hodiaŭ vespere ja estos danco en la garbejo de Mansson, kaj vi certe deziras ĉeesti.«

»Mi ne havas emon por dancado. Sed eble vi volas, ke mi nun malaperu de tie ĉi,« diris Märta, kaj ruĝiĝo kolorigis ŝiajn vangojn.

»Tute ne. Mi dezirus, ke vi neniam iru de tie ĉi. Kiamaniere mi povas danki al vi por ĉio, kion vi faris al mi. Vi estis tro bona al mi.«

»Neniu povas esti tro bona«, respondis Märta ruĝiĝinte. »Vi ne bezonas danki al mi, sed mi tre volonte volus scii la kaŭzon, kial vi venis ĉi tien kaj aĉetis ĉi tiun hubon. Ŝajnas al mi, ke vi ne ĉiam estis terkulturisto.«

»Se vi volas aŭdi, mi rakontos pri mia vivo. Jes, vi devas aŭdi. De la komenco ĝis la fino. Aŭdi kaj juĝi. Aŭdi, al kia fiulo vi malŝparis vian bonecon.«

Kaj Georg Lundman komencis rakonti:

»Mi estis naskita kaj edukata en malgranda farmeto, en unu el la plej sudaj provincoj de nia lando. Miaj gepatroj estis malriĉaj kaj devis labori penige por nia vivteno. Mi estis ilia sola infano kaj frue mi devis partopreni en la laboroj de la farmeto, kaj kiam mi finis la lernejon, mi laboris ankaŭ en la granda bieno, al kiu la farmeto apartenis. Mi amis la freŝigan laboron kaj estis sufiĉe kontenta, eĉ iom feliĉa. Mia revo estis, ke en la estonto mi elaĉetos la farmeton, por ke miaj gepatroj havu propran hejmon en la aĝaj tagoj. Sed ili havis aliajn intencojn. Ili volis, ke mi fariĝu altranga homo. Estis, kiel Dan Andersson diras en la kanto de almozpetulo Simon:

Min mor ville slita sig till döds för att ge mig
en brödbit litet större än hon själv hade fatt.
Som boklärd herreman ville hon se mig,
det var därför hennes har sa fort vart sa gratt,*)

Tiel ankaŭ mia patrino. Kaj la volo de mia patrino estis ankaŭ la volo de mia patro. Dum multaj jaroj ili ŝparis moneton post moneto, por ke mi havu eblon viziti lernejon en la urbo. Mi venis tien kaj sukcesis bone la studojn. Post ili mi ricevis servon en bankkontoro en la sama urbo. Mi restis tie dum du jaroj. Poste mi translokiĝis al la ĉefurbo, kie mi ricevis similan servon, kvankam kun pli bona salajro. Sed la urbego fariĝis mia ruinigo. La urbego kaj la alkoholo. Mi tiriĝis en diboĉularojn, kaj rapide mi iris la vojon, kiu kondukas malsupren. Iun tagon mi venis ebria al la kontoro kaj oni min maldungis. Alian servon mi ricevis, sed la sama afero estis ripetata. Iom post iom mi fariĝis unu el tiuj mizeruloj, kiuj troviĝas abunde en urbegoj. Kelkfoje mi havis efemeran laboron en la haveno, sed mi oferis sur la altaro de la alkoholo ĉion, kion mi akiris. Ekde tiu tempo, kiam mi perdis la unuan servon, mi ne interrilatis kun miaj gepatroj. Pro tio mi estis trafita kiel de fulmo, kiam mi subite eksciis, ke ambaŭ miaj gepatroj estas mortintaj. Mia patrino mortis pro longedaŭra malsano kaj poste mia patro ne povis vivi plu. Li faris sinmortigon. Tage kaj nokte mi ĉirkaŭvagis en stratoj kaj stratetoj, terure turmentita de mia malsana konscienco. Mi ne povis forlasi tiun penson, ke mi kaŭzis ilian morton, kaj en angoro mi ekkriis: Kial mi faris al vi tian malĝojon: vi ja provis fari al mi la plej bonan? Sed kial mi ne rajtis resti ĉe la tero. Mi ja amis la laboron tie. Al tiuj ŝtondezertoj mi ne apartenis. Sed ne kredu, ke tiu severa bato de la sorto ĉesigis mian fivivon. Tute ne. Ĝi daŭris ankoraŭ dum du jaroj. Nun mi havis pretekston. Mi drinkis por forgesi. Sed fine mi atingis la turnpunkton. Mia onklo en Ameriko mortis. Li postlasis sufiĉe grandan riĉecon. Ĉar li ne havis infanojn, mi heredis post li. Por kio mi uzu tiun monon? Ĉu drinkejoj kaj amuzejoj ĝin ricevos? Mi multe cerbumis pri tio. Strange! La malgranda fajrero de karaktero, kiu ankoraŭ troviĝis en mia animo, venkis. Georg Lundman ne finos sian vivon kiel mizerulo. Mi decidis labori, por ke mi fariĝu utila membro en la socio. Sed mi komprenis, ke mia ĝusta loko estas en la kamparo. Mi vojaĝis ĉi tien kaj aĉetis ĉi tiun hubon. Mi ankaŭ decidis, neniam plu gusti alkoholon. Komence estis malfacile, sed mi venkis mian deziregon.«

Fariĝis profunda silento, kiam Lundman finis sian rakonton. Nur zumado de muso kontraŭ la fenestro kaj tiktako de horloĝo aŭdiĝis en la ĉambro.

Märta staris ĉe la fenestro kaj ŝajnis rigardi la belan sunsubiron. Fine Lundman rompis la silenton:

»Nun vi scias mian malĝojan vivsorton. Vi scias, al kia fihomo vi malavaris vian bonecon.«

Märta turnis sin al Lundman. Li vidis, ke ŝiaj okuloj estas malseketaj. Sed tamen ŝi ridetis tra la larmoj, kiam ŝi diris:

»Viro, kiu povas plibonigi sin kiel vi, ne estas malinda al la boneco, kiun oni faras al li, — eĉ ne, se oni faras ĝin pro — pro —«

»Pro amo? Ĉu vi vere celas tion?« diris Lund-

*) Penegi volis la patrin' ĝis vivo fin'
por doni pli da pan' al mi, ol ŝi ricevis.
En grandsinjora rang' ŝi volis vidi min,
jen kial ŝia har' griziĝi frue devis.

# La estona libro 400-jara

— Fr. Touglas —

La 25. de aŭgusto 1535 en Germanio, en Wittenberg ĉe konata reformacitempa presisto Hans Lufft aperis la unua estonlingva libro. La presado okazis tial eksterlande, ĉar tiatempe en Estonio ankoraŭ ne ekzistis presejoj.

Tiu unua libro estis nordgermana kaj estonlingva luterana katehismo, kies precizan titolon ni ne scias. La germanlingva parto estis skribita de Simon Wanradt, pastro de la preĝejo de St. Nikolao en Tallinn, kaj tradukita de Johan Köll, pastro de la paroho de St. Spirito, laŭdevene ŝajne estono. La libro ampleksis ĉ. 140 paĝojn, sed ĝis la nuna tempo konserviĝis nur 11 paĝoj. Ĉar tuj post la apero la magistrato de Tallinn malpermesis la verkon kaj decidis neniigi ĝin. La libro eĉ restus al ni nekonata, se ĝiajn foliojn oni ne uzus kiel bindmaterialon por alia libro. Kaj ĝuste tie antaŭ kelkaj jaroj oni trovis tiujn unuopajn paĝojn, inter ili bonŝance ankaŭ la lastan paĝon kun rimarkoj pri la presisto kaj la tempo de la apero.

Ĉiuokaze la historio de la estona libro devas esti komencata de tiu verko, ĉar al ni mankas informoj pri pli fruaj eldonoj. Kaj ĉiuokaze la historio de la estona libro komenciĝas entute kelkajn jarojn aŭ jardekojn pli frue ol ĉe la plej proksimaj najbaroj de Estonio.

400 jaroj da librokulturo signifas en la vivo de juna kaj malgranda popolo jam certan atingaĵon kaj tial estas kompreneble, kial la nuna jaro en Estonio estas proklamita speciale librojaro. Tio kaŭzis pretigon de observoj entute pri la ĝisnuna farto de la estona libro kaj ebligis pliatentigon pri la graveco de la libro en la konscio de la nuna generacio. Tio estigis multajn solenaĵojn, agitkunvenojn kaj libroekspoziciojn en la tuta lando. Pro tiu ĉi datreveno la regna potenco rekone taksis la nunajn librofarantojn-verkistojn kaj scienculojn. Kaj pro tio estis eble fari pli fundajn projektojn ankaŭ pri la evoluigo de la estona librokulturo en la estonteco.

Ĉi tie mankas loko por prezenti detalan observon pri la 400-jara historio de la estona libro. Ni devas limiĝi nur per karakterizo de la unuopaj periodoj kaj kelkaj statistikaj sciigoj.

Post la katehismo de Wanrandt-Köll aperis pli ol 30.000 estonaj libroj. Tamen tiu ĉi fluo de spirittrezoroj ne estas komparebla per rektdirekta, dekomence same profunda kaj larĝa kanalo, sed prefere per natura rivero. La katehismo de Wanradt-Köll estis la komenca fonto, sed kiel ni aŭdis, oni tuj ŝtopplenigis ĝin. Post tio la akvoflueto troviĝas multajn dekojn kvazaŭ sub la tero, eliĝadis de sub ĝi de tempo al tempo por tiam denove malaperi. Nur malrapide ĝi pligrandiĝis, ricevante aldonon de ĉiam plioftiĝantaj fontoj kaj branĉfluoj. Kaj nur niatempe ĝi akiris la dimensiojn de larĝa rivero. Nun ĝi respegulas ĉiam pli komplete la vivon de la estona popolo kaj ĝin trembriligas ĉiam pli vigle ankaŭ de malproksime alvenantaj ekventoj.

La katehismo de Wanradt-Köll restis tamen frua alaŭdo, kiu alportis nenian subitan printempon. Kvankam troviĝas iuj nerektaj sciigoj pri libroj, sekvintaj ĝin, tamen de ili el la XVI jarcento konserviĝis neniu. Pli konsekvenca libroproduktado komenciĝis nur ĉ. 100 jarojn poste. Kaj resume ni povas diri, ke dum la XVI jarcento laŭ precizaj sciigoj aperis nur 1 estonlingva libro, dum la XVII. — 42, la XVIII. — 216, la XIX. — 6.384 kaj de 1900-a jaro 17.653 libroj. Tiuj nombroj montras plej bilde la rapidecon de la intensiĝo de la estona klervivo. La estona libroproduktado evidentigas konstantan altiĝon, escepte nur la malprosperaj periodoj de la norda milito kaj la mondmilito, sed se oni rigardas tiun produktadon de la vidpunkto de la evoluo de la estona nacia vivo, la bildo estas tamen alispeca. Dum la tri unuaj jarcentoj la literaturo havis plejparte eklezian karakteron. Laikan instruon oni ekprezentis nur iom post iom, same kiel estiĝis ankaŭ malrapide la elementoj de la beletristiko. Vere, tiu literaturo ebligis al la popolo la havigon de la scio de legoskribo, sed ankaŭ ne multe pli. Ĝi ne havis specialan nacian nuancon kaj aspekton, ĉar la aŭtoroj estis plejparte fremdnaciaj kaj scipovis ankaŭ la estonan lingvon nur malbone.

Tamen oni kreis dum tiu longa tempo ian malelastan literaturan lingvon kaj donis la komencon al la estona klasiko. En la mezo de la XVII jarcento aperis la unuaj estonlingvaj horalo-libroj kaj estis fondita la maleklezia liriko. En 1686 aperis la unua traduko de la Nova Testamento kaj en 1739 la tuta Biblio. La unua konserviĝinta estonlingva kalendaro estas de la jaro 1731-a kaj la unua gazeto ekaperis en 1766.

Nur en la komenco de la XIX jarcento atingis ankaŭ la estonian teritorion pli liberaj ventoj, efike de la franca revolucio kaj la ĝenerala nacia renesanco de Eŭropo. Komence en Pärnu, poste en Tartu estiĝis rondoj de estofiloj, kiuj interesiĝis pri la estona lingvo, folkloro, historio kaj socia stato. Kvankam tiuj estofiloj apartenis plejparte al fremda nacio kaj verkis en fremda lingvo, ilia agado tamen efikis al la produktado de estonaj libroj. Per ĉio ĉi estis donita puŝo al la estona nacia renesanco, nepre okazonta tuj, kiam la popolo akiros almenaŭ iom humanajn vivkondiĉojn.

Tiu ĉi renesanco okazis dum la pasinta jarcento, en la 60-aj jaroj. Tio estis kvazaŭ liberiĝo de akvoamasoj, baritaj per digo dum jarcentoj. La ĝisnuna servutularo eksentis sin nacio kaj eklaboris sur ĉiuj kulturkampoj. Subite la fremduloj malaperis kaj kleruloj, elkreskintaj el la popolo mem, kreadis la literaturon. La libroproduktado altiĝis laŭnombre, sed precipe laŭenhave. En 1861 aperis nacia eposo »Kalevipoeg«, kiu iĝis direktmontrilo de tiu ĉi periodo. Al ĝi sekvis naci-spiritaj liriko, rakonto, romano, teatraĵo, samkiel ankaŭ scienca literaturo. Tiu periodo formas la unuan gloran epokon de la estona nacia libro.

Tiu ĉi vigliĝo sufokiĝis tamen pro la rusiga subpremo de la lastaj dekoj de la jarcento. Sed kvankam la enhava nivelo de la literaturo malaltiĝis, tio tamen ne efikis al la produktokvanto de la libroj. La estona popolo estis elkutimiĝinta uzi propralingvan literaturon malgraŭ tio, ke la lernejo kaj la tuta publika vivo estis perforte rusigataj.

Ĉe transiro al nova jarcento la estona socio komencis refortiĝi post tiuj batoj kaj dum la unua rusa revolucio en 1905 komenciĝis denove evidenta altiĝo. Tio respeguliĝas antaŭ ĉio en la literaturo, kie eklaboris nova generacio. La generacio de Jun-Estonio klopodis altigi la libron al la nivelo de eŭropaj postuloj, enhave kaj ankaŭ eksteraje. El tiu tempo devenas la unuaj estonaj, vere artvaloraj eldonaĵoj. Kaj tiu ĉi altiĝo kaj kulturiĝo daŭris ĝis la Mondmilito, malgraŭ la intertempaj reakciaj jaroj.

---

man feliĉe kaj tiris ŝin al si. »Ĉu estas eble, ke vi amas min malgraŭ ĉio?«

»Jes Georg«, ŝi flustris mallaŭte, »mi amis vin ekde la unua fojo, kiam mi ekvidis vin. Mi timis, ke vi ĝismorte laboros. Ne mia patrino sendis min ĉi tien.«

»Vin sendis la amo,« diris Lundman kaj kisis ŝin varme.

Nun la homoj en la vilaĝo ne rigardas al Lundman per okuloj de suspekto. Anstataŭe, ili ofte venas por peti lin pri helpo en skribfaroj, kiujn ili mem ne povas fari. Kiam li bezonas helpon, estas preskaŭ batalo pri la honoro lin helpi. Fininte sian laboron en la kampoj, li ne vidas la hejmon plena de mastrumaj laboroj, sed malgranda, helhara Georg kuras renkonte al li kaj ĉe la pordo staras Märta radianta kiel suno.

# FIANĈA ĈEVALO

— *Andrejs Upitis* —

»Anna, venu!« krias la mastro inter la ĉevala ĉirkaŭbarilo.

La mastrino ĵetas la vekton en la kuirejon kaj rapidpaŝe iras al la ĉirkaŭbarilo. La mastro staras apud la ĉevalo, kiu mallevinte la kapon spiras kaj tusas.

»Ĉu la medikamento nenion helpas?« demandas la mastrino kaj kun kompato rigardas la maljunan ĉevalon.

»Vi vidas, ke ne fariĝas pli bone. Estas domaĝe, ke ĝi tiel suferas.«

»Via fianĉa ĉevalo ne vivos longtempe,« diras la mastrino, »kiom da jaroj pasis de post nia geedziĝa festo.«

»Ha, tion vi scias kaj tamen demandas. Dekkvin jaroj. Kia bela ĉevalo ĝi estis tiutempe. Ĝi kuris tra fajron. Anna, ĉu vi rememoras, kiel ni veturis...«

»Ho, jes... kvazaŭ hodiaŭ tio estus okazinta.«

La vangoj de la mastrino ruĝiĝas. Ŝi enpensiĝas. Ankaŭ la mastro, apoginte sin kontraŭ la barilo, iĝas pensema. Sed la ĉevalo malfacile spiras, kvazaŭ ĝi ĝemus. Dum momento la gemastroj forgesas la malsanan ĉevalon kaj ekmemoras pri la tago de la edziĝo. Dekkvin jaroj, ne longa tempo pasis, sed kiel ĉio ŝanĝiĝis. La ĉevalo fariĝis maljuna kaj malsana de laboro. La gemastroj ne plu estas junaj.

Kiel bela estis ĉio, kiam ili geedziĝis! Ambaŭ estis junaj kaj belaj, kaj ili amis unu la alian. Ili sidis en la veturilo, la ĉevalo kuregis sur la vojo tiel rapide, ke la sablo polviĝis.

La geedziĝa tago, kiel gaje ĝi forpasis. La mastrino memoras, kvazaŭ hodiaŭ ĉio ĉi estus okazinta. La vespermanĝo estis finita. En la granda ĉambro ludas la muzikistaro. La gastoj sin premas kontraŭ la muroj por lasi en la mezo liberan lokon. Soldato Hanso dancas la »krucdancon«. Hanso metas krucforme lignopecojn sur la plankon, krucigas la manojn surbruste kaj dancas facile, kiel hispano. Ĉiuj rigardas atente, preskaŭ haltigante la spiradon. Hanso dancas la »krucdancon« iom post iom pli rapide kaj pli pasie. Dum la turka milito li lernis ĝin. Al junulinoj ŝajnas, ke la »maljuna knabego«, Hanso, ne plu estas maljuna, sed li fariĝis tute juna, kvazaŭ la fleksebleco reaperis en liaj membroj. Li ĉesas danci kaj viŝas la ŝviton de la frunto.

»Hanso, Hanso, je Dio, vi dancas kiel idolano!«

Hanso estas heroo. Li prenas la kruĉon, trinkas plenbuŝon da biero kaj komencas rakonti pri la turka milito, kiel li mortpafadis la turkojn.

»Ne mensogu, Hanso!« iu tro kuraĝe diras.

»Foriru,« Hanso kun malamo svingas per la mano, »vi nenion vidis en la mondo. Per miaj propraj manoj mi kaptis Osman-paŝaon«.

»Apud Plevno?«

»Jes, apud Plevno. Osman-paŝao ploris. Ho, post tio ni multe drinkis. Tiam mi dancis antaŭ turkoj tiun ĉi dancon.«

»Kion diris la turkoj?«

»Ili kriis kaj ĝojis. Mi ne komprenis, kiel ili kriis; ili parolis turklingve.«

»Hanso, vi estas bravulo...«

Kaj ĉion ĉi la mastrino klare vidas antaŭ la okuloj, kvazaŭ ĉio estus okazinta hieraŭ aŭ hodiaŭ. La mastro rememoras, kiel ili ĵetis la ĉeval-arketon trans tegmenton. Post kelka tempo li enjungis la brunkoloran ĉevalon, kion li faris ĉiam persone, sidigis sian junedzinon en la veturilon kaj promenveturis. Sed la juna mastrino timis la rapidan veturadon; ŝi kaptis la brakon de la edzo, sed tiu lasta ridetis.

Kiom da okazaĵoj estis dum tiu ĉi tempo! Multon trasuferis ili. Ŝi havas filon, kiu vizitas lernejon. La tempo tute aliiĝis. La fianĉa ĉevalo maljuniĝis kaj estas malsana.

»Ho, mi ne povas toleri ĝian tusadon,« diras malĝoje la mastrino kaj estas forironta. Sed la mastro kaptas ŝian manon kaj ame rigardas en ŝiajn okulojn. Dum la lastaj jaroj tio malofte okazis; la vangoj de la mastrino ruĝiĝas.

»Divenu, pri kio mi pensas?« demandas la mastro.

»Kiel mi povas tion scii?« diras la mastrino. »Mi opinias, ĉio ĉi okazis tiam, kiam tiu ĉi ĉevalo estis juna...«

En ŝiaj okuloj aperas larmoj. Ŝi forkuras en la kuirejon. Sed la mastro daŭre rigardas la ĉevalon. Post tio li iras en la ĉambron kaj revenas kun pafilo en la mano. Post iom da tempo eksonas pafo. La mastrino kuras el la kuirejo. La mastro staras kun la pafilo en la mano, kaj la fianĉa ĉevalo kuŝas ĉe liaj piedoj.

»Petro, kion vi faris!« ekkrias la mastrino.

La servistoj kondukas la ĉevalojn hejmen. Malgranda ĉevalido laŭtvoĉe henas, kaj kun ĝi kuras knabo, gaje kriadante.

Trad. *V. Bormanis.*

---

Ni alvenis al la plej granda momento en la ĝis nun sciata historio de la estona popolo — la akiro de la memstareco. Kion la memstareco kulture vere signifis, tio respeguliĝas plej klare en la estona libroproduktado. Ĉar, se de 1535—1917 aperis entute 14.503 estonlingvaj libroj, de 1918—1934 aperis 16.495. Per aliaj vortoj: la produktokvanto de la libroj dum la 16 jaroj de la memstareco superas tiun de la preskaŭ 400 jaroj antaŭ la memstareco. Tio montras ankoraŭfoje, ke por la memstareco vere valoris batali kaj ke ĝi vere signifis liberigon de la kreantaj fortoj de la popolo kaj ankaŭ spiritan memstarecon.

La estona libro siaflanke ludis gravan rolon en tiu ĉi batalo por la memstareco. Se okaze de la Germane-Franca milito en 1870 oni diris, ke tiun militon gajnis la germana instruisto, oni ne povas bedaŭrinde apliki tiun diron al la estona liberiga batalado. Ĉar al tiu popolo ĝis la akiro de la memstareco mankis lernejoj, povantaj kreskigi emon al la memstareco. Sed se la gvidado de la tuta publika vivo estis en fremdaj manoj, almenaŭ la libro povis veki kaj kreskigi la senton de unueco en la popolo. Se komence nur lingve ĝi pruvis kaj difinis la ideon de la nacieco de tiu ĉi popolo, ĝi montris ekde la epoko de ĝia renesanco, kio estis iam tiu ĉi popolo, kio ĝi estas kaj kio ĝi devas iĝi. Kaj tiel ankaŭ la libro apartenis al la bataliloj, per kiuj oni gajnis la batalon de la estona nacia ekzistado.

De Johann Köll ĝis la nuntempaj estonaj verkistoj, de la unua estona presaĵo ĝis la nuna libroproduktado estas giganta distanco. Kiel la librolingvo ŝanĝiĝis preskaŭ ĝis nerekoneblo, same ankaŭ la libro diverseciĝis laŭ enhavo kaj direkto. Sed Anatole France eĉ nomas la bibliotekon »respubliko de libroj«. Kiel ĉiu ŝtatano havas sian propran specialan spiritan aspekton kaj socian taskon, tiel ankaŭ la anoj de la libroŝtato. Kaj la estonlingva librorespubliko estas en la nuna momento tiel diversflanke evoluinta, ke ĝi kapablas kontentigi la spiritajn interesojn de kultura popolo.

Trad. *Ervin Dresen.*

# Duobla trompanto

— De O. Henry —

La malfeliĉo komenciĝis en Laredo.[1]) »Kaprido« estis kulpa, ĉar li ne limigis sian hommortigadon al meksikanoj. Sed »Kaprido« havis pli ol 20 jarojn, kaj oni devas honti ĉe la landlimo Rio Grande,[2]) se ies mortig-reputacio enkalkulas nur meksikanojn.

Ĝi okazis en la vetlud-domo de Justo Valdo. Ne ĉiuj estis amikoj, kiuj sidis ĉe la tablo kaj ludis pokeron,[3]) kiel ofte okazas kiam viroj enrajdas de malproksimo por pafi kontraŭ la galopanta malsaĝa ŝanco. La malpaco okazis pro tiel eta afero kiel »du reĝinoj« kaj kiam la fumo malaperis, oni trovis, ke »Kaprido« agis sentakte kaj ke lia kontraŭulo plenumis fuŝagon. La mortigita batalanto, anstataŭ esti meksikano, estis altsanga[4]) junulo el brutbieno, kaj li posedis amikojn kaj protagonistojn. Kiam li eltiris sian revolveron, li fuŝagis maltrafante la dekstran orelon de »Kaprido« je deksesono da colo; tamen tio malpliigis la sentaktecon de la plibona pafcelisto. Ĉar al »Kaprido« mankis sekvantaro — pro reputacio iom ombrita eĉ konsidere al la landlima regiono, li ne estis benita de personaj admirantoj — tial li konsideris, ke ne estos malakorde al la nedisputebla kuraĝ-renomo, kiun li ĝuis, se li plenumos la prudentan agon, kiu estas konata kiel »forkuro«.

Senprokraste la venĝantoj kolektiĝis kaj lin ekserĉis. Tri el ili ĝisatingis lin apenaŭ kelkajn paŝojn antaŭ la stacidomo. »Kaprido« sin turnis kaj montris siajn dentojn per la brilega kaj sengaja rideto, kiu kutime antaŭiris liajn impertinentajn kaj perfortajn agojn; liaj persekutantoj returniĝis kaj li eĉ ne devis etendi la manon por sia armilo.

Sed en tiu ĉi afero »Kaprido« ne sentis tiun egan batal-soifon, kiu kutime decidigis lin al batalo. La malpaco inter la du junuloj estis nur hazarda, kaŭzita de la kartludo mem kaj de iaspecaj, ĝin sekvintaj, epitetoj, netolereblaj al ĝentilhomo. »Kaprido« iom ekamis la gracian, arogantan, brunvizaĝan junulon kiun lia kuglo ĉesigis en la unua vireca fieriĝo. Kaj nun li ne estis plu sangavida. Li nur deziris foriĝi kaj ekĝui bonan, longan dormon, ie en la meskit-herbo,[5]) dum naztuko kovros lian vizaĝon. Eĉ meksikano povis sendanĝere transiri lian vojon, kiam lia humorstato estis tia.

»Kaprido« malkaŝe envagoniĝis en la nordenirantan pasaĝer-vagonaron, kiu 5 minutojn poste foriris. Sed ĉe *Ueb*, kelkajn mejlojn for, kie la vagonaro estis haltigita por ricevi pasaĝeron, li forlasis tiun manieron de saviĝo. Antaŭe estis la telegraf-stacioj, kaj »Kaprido« suspekte rigardis elektron kaj vaporon. Selo kaj spronoj estas liaj savo-rokoj.

La homo kiun li mortigis, estis al li nekonata. Sed »Kaprido« sciis, ke li estis ano de la bovistaro *Koralitos* en Hidalgo, kaj ke la vakeroj[6]) de tiu bieno estas pli senkompataj kaj venĝemaj ol la *Kentoki*-aj[7]) *vendetta*noj — se ia maljusto aŭ difekto estas farita kontraŭ unu el ili. Tial, kun saĝeco, kiu karakterizis multajn grandajn batalantojn, »Kaprido« decidis intermeti tiom multajn mejlojn, kiom li povis, da ĉaparalo[8]) kaj pirarbaro, inter si kaj la venĝemo de la Koralitos-vakeroj.

Proksime al la stacidomo estis butiko; apud ĝi, kvazaŭ disjetitaj inter la meskitoj kaj ulmoj, staris la selitaj ĉevaloj de la klientoj. La plejmulto el ili staris duondorme, kun kurbiĝintaj membroj kaj kliniĝintaj kapoj. Sed unu, longakrura ruĝbrunulo kun kurbiĝinta kolo, spirblovis kaj piedumis la razenon. »Kaprido« ĝin sursaltis, ekpremis per siaj genuoj, kaj ĝentile frapis per la propra kvirto[9]) de l' posedanto.

Se la mortigo de la malprudenta kartludanto nubigis la reputacion de »Kaprido«, tiu ĉi lasta ago vualis lian figuron per la plej mallumaj ombroj de malestimo. Ĉe *Rio Grande*-landlimo se oni forprenas ies vivon oni, iafoje, forprenas senvalorajon; sed se oni forprenas ies ĉevalon, oni forprenas ajon, kies perdo tiun malriĉigas kaj kio onin ne riĉigas[10]) — se oni estas kaptita. Nenio plu restis al »Kaprido«, krom malapero.

Kun la saltanta ruĝbrunulo sub si li sentis nur malmulte da zorgo kaj maltrankvilo. Post kvin-mejla galopado li malrapidiĝis je trotetado, kutima al ebenaĵloĝantoj, kaj rajdis nordorienten al la profundaĵoj de rivero *Nueces*. Li bone konis la regionon — ĝiajn plej serpentajn kaj nekonatajn vojetojn tra la granda dezerto de subkreskaro kaj pirarboj, kaj ĝiajn tendarojn kaj solecajn brutbienetojn, kie oni povas trovi sendanĝeran gastamecon. Tamen li ĉiam celis nordorienten; ĉar »Kaprido« neniam antaŭe vidis la oceanon, kaj li fantaziis meti sian manon sur la kolharojn de la granda golfo, la ĉevalido de la pli granda akvego.

Do, post tri tagoj li staris sur la bordo de *Korpus Kristi* kaj rigardis trans la ĝentilajn ondetojn de la trankvila maro.

Kapitano Buŭn, de la skuno *Flajeŭej*, staris proksime al sia kanoto, kiu kuŝis en ondŝaŭmo, kaj kiun gardis unu el liaj ŝipanoj. Kiam lia ŝipo estis preta por ekiri, li trovis, ke unu el la vivaj necesaĵoj, en pararelograma formo de maĉtabako, estas forgesita. Maristo estis sendita por la mankanta ŝarĝo. Dume la kapitano paŝadis sur la sablo profane maĉante el sia poŝprovizo.

Gracia, fortika junulo, portanta alt-kalkanumitajn botojn, malsupreniris al la akva bordo. Lia vizaĝo estis knabeca, sed esprimis tro fruan severecon, kiu sugestetis viran viv-sperton. Lia vizaĝkoloro estis nature bruneta; la suno kaj vento de subĉiela vivo bruligis ĝin kafobruna. Liaj haroj, kiel tiuj de indiano, estis nigraj kaj rektaj; lia vizaĝo ankoraŭ ne suferis la humiligon de razilo; liaj okuloj havis la nuancon de malvarma kaj konstanta bluo. Li tenis sian maldekstran manon iom for de sia korpo, ĉar 45-kalibraj, perlotenilaj revolveroj[11]) estas tro spacokupaj, se ili estas

[1]) Urbo en ŝtato Teksaso, Usono (trad.).

[2]) La rivero, kiu landlimas Usonon kaj Meksikion (trad.) [3]) Usona kartludo.

[4]) Pura blankulo — laŭ idiomo de sud-okcidentaj usonanoj, kiuj malestimas meksikanojn, ĉar tiuj estas, plejparte, miksrasuloj (trad.).

[5]) *Mesquit* — Arbusto de fabo-familio, kiu kreskas en sud-okcidenta Usono.

[6]) Bovistoj, kiuj prizorgas la bovaron (trad.).

[7]) Usona ŝtato, kie vendetto (venĝado) regas grandskale (trad.).

[8]) *Chaparral* — Preskaŭ nepenetrebla densejo de dornarbetoj kaj rubusoj (trad.).

[9]) *Quirt*, el la hispana. Rajdvipo kian oni uzas en hispana Ameriko; ĝi estas farata el ordinara besthaŭto kaj havas mallongan tenilon (trad.).

[10]) Parodia aludo al dirajo en Othelo, de *Ŝekspir*

[11]) La plej granda kalibro de revolveroj, kiajn la usonaj vakeroj portas.

portataj en la maldekstra armil-truo de la veŝto — kaj la urbetaj policanoj ne toleras ilin. Per senesprima kaj neesprimebla digneco de kvazaŭ ĉina imperiestro, li rigardis, preter kapitano Buŭn, la golfon.

»Ĉu vi primeditas aĉeti tiun golfon, kunulo?« demandis la kapitano, kiu estis sarkasmigita pro sia penso pri sentabaka vojaĝo.

»Tute ne,« ĝentile respondis »Kaprido«, »mi neniam antaŭe vidis ĝin. Ĉu vi primeditas ĝin vendi?«

»Ne dum ĉi tiu vojaĝo[12]), respondis la kapitano«. »Mi sendos ĝin al vi de *Buenas Tierras* kaj vi povas pagi por ĝi post ricevo. Jen venas la kapstan-piedlaŭteranaĉo kun la maĉtabako. Jam antaŭ horo mi estus devinta levi la ankron.«

»Ĉu tiu ĉi ŝipo estas via?« demandis »Kaprido«.

»Certe,« respondis la ŝipestro, »se plaĉas al vi nomi skunon ŝipo. Sed, kvankam mi ne malŝatas mensogi, vero estas ke la skuno apartenas al Miller & Gonzales — mi, je via dispono, Vilhelmo K. Buŭn, ŝipestro — ordinare oni nomas min ,Vilhelmo estu damnita'«.

»Kien vi vojaĝas?« demandis la rifuĝanto.

»*Buenas Tierras,* marbordo de Sud-Ameriko — mi forgesis, kiel oni nomis la landon, kiam mi estis tie lastafoje. Kargo: segoligno, sulkumita fero kaj maŝetoj.[13])

»Kia lando ĝi estas?« scivolis »Kaprido«.

»Varmeca, kunulo,« respondis la kapitano. »Kaj se oni konsideras la elegantecon de ĝia pejzaĝo kaj la belecon de ĝia geografia situacio, ĝi estas vera Paradizo Perdita. Ĉiumatene vekas nin la dolĉa kantado de ruĝaj birdoj kun sep purpuraj vostoj kaj la sopirantaj ventetoj en la violoj kaj rozoj. La loĝantoj neniam laboras, ĉar ili povas, restante en la lito, nur etendi la manon kaj deŝiri plenajn korbojn da fruktoj, kies kvalito estas varmeja. Kaj ekzistas nek dimanĉo[14]) nek glacio nek lupago nek ĉagrenoj nek... nu, nenio. Ĝi estas tre konvena lando por dormi kaj atendi, ĝis kiam io ajn okazos. La bananoj kaj oranĝoj kaj uragganoj kaj ananasoj, kiujn vi manĝas, venas de tie.«

»Tion mi ŝatas!« ekkriis »Kaprido«, fine montrante interesiĝon. »Kiom kostus la vojaĝo, se mi decidus iri tien kun vi?«

»Dudek kvin dolarojn,« respondis kapitano Buŭn; manĝo kaj transporto. Dua kajuto — mi ne havas unuan kajuton.«

»Vi ĝuos mian kuneston,« diris »Kaprido«, eltirante saketon faritan el vircerva felo.

Kun dol. 300.— li iris al Laredo por ĝui sian regulan petolaĵon. La duelo en la vetludejo de Valdo mallongigis lian ridadan sezonon, sed ĝi lasis al li preskaŭ dol. 200.—, por helpi lin en la forkuro, kiun ĝi necesigis.

»Bone, kunulo,« diris la kapitano. »Mi esperas ke via panjo ne kulpigos min pri via infaneca petolaĵeto.« Li signe alvokis ŝipanon. »Lasu *Sanĉes* levi vin en la kanoton por ke vi ne malsekigu viajn piedojn.«

Thacker, la usona konsulo en *Buenas Tierras*, ankoraŭ ne estis ebria. Estis nur la 11-a horo; kaj li neniam atingis sian deziritan staton beatan — staton, en kiu li kantis antikvajn, sentimentalajn vodevilkantojn kaj bombardis sian akrege kriantan papagon per banan-ŝeloj — ĝis la mezo de l' posttagmezo. Tial li ekrigardis supren el sia hamako, pro tuseca eksono kaj ekvidis »Kapridon«, kiu staris ĉe la pordo de la konsulejo; li ankoraŭ estis en stato, kiu ebligis al li oferi gastamecon kaj ĝentilaĵojn, kiaj estas atendataj de reprezentanto de granda nacio.

»Ne malkvietiĝu,« trankvile diris »Kaprido«. »Mi ĵus alvenis. Oni diris al mi, ke estas kutime veni al vi antaŭ ol oni maltrankviligas la urbet-loĝantaron. Mi venas el Teksaso kaj ĵus elŝipiĝis.«

»Mi ĝojas vidi vin, sinjoro...« alparolis la konsulo.

»Kaprido« ekridis. »*Sprague* Dalton,« li diris. »Tiu ĉi nomo sonas amuze al mi. Oni nomas min ,Kaprido' en la *Rio Grande*-regiono.«

»Mi estas Thacker,« sciigis la konsulo. »Prenu la kan-fundan seĝon. Se vi venis ĉi tien por loki kapitalon, vi bezonas iun, kiu povas vin informi kaj konsili. Tiuj ĉi malblankuloj elfriponos la oron el viaj dentoj, se vi ne komprenas iliajn metodojn. Ĉu vi ekfumus cigaron?«

»Dankon,« respondis »Kaprido«, »sed se ne ekzistus miaj gren-senŝelaĵoj[15]) kaj la saketo en mia malantaŭa poŝo, mi eĉ minuton ne povus vivi.« Li elpoŝigis sian »faraĵon«[16]) kaj ekvolvis cigaredon.

»Ĉi tie oni parolas hispane,« klarigis la konsulo »Vi bezonas interpretiston. Mi kun ĝojo faros ĉion eblan. Se vi volas aĉeti frukto-bienojn aŭ volas ian koncesion, vi devas havigi al vi iun, kiu adeptiĝis ĉi tie por ke li povu gardi viajn interesojn.«

»Mi parolas hispane,« diris »Kaprido«, »proksimume naŭfoje pli bone ol angle. Ĉiu parolas ĝin en la brutbieno, de kiu mi venis. Ne, mi volas nek aĉeti nek akiri ion ajn.«

»Vi parolas hispane?« penseme diris Thacker. Li absorbite rigardis »Kapridon«. »Vi ankaŭ aspektas kiel hispano,« li daŭrigis. »Kaj vi venas el Teksaso. Ankaŭ, vi ne povas havi pli ol dudek aŭ dudek unu jarojn. Mi scivolemas, ĉu vi estas maltima.«

»Ĉu vi pensas pri afero, kiu estus farenda?« kun neatendita sagaceco demandis la teksasano.

»Ĉu vi estas preta akcepti proponon?« kontraŭdemandis Thacker.

»Kial do mi neu?« diris »Kaprido«. »Mi miksiĝis en etan paf-petolaĵon en Laredo kaj trafis blankulon — meksikano ne estis proksima. Pro tio mi venis al via papag- kaj simi-bieno, nur por ekflari la kalendulojn kaj konvolvulojn. Nu, ĉu vi *sabe?*«

Thacker ekstaris kaj fermis la pordon.

»Montru al mi vian manon,« li diris.

Li prenis la maldekstran manon de »Kaprido« kaj precize ekzamenis ĝian dorson.

»Mi povas ĝin fari,« li ekscitite diris. »Via karno estas tiel mola kiel ligno kaj tiel sana kiel de infano. Ĝi resaniĝos en daŭro de semajno.«

»Se vi volas subteni min en boksado,« intermetis »Kaprido«, ankoraŭ ne vetu vian monon. Planu por mi paf-laboron kaj mi estos je via dispono. Sed nenia nudmana batalo, kiel sinjorino faras ĉe teo-festeto, por mi.«

»La afero estas pli facila ol tio,« diris Thacker. »Bonvolu alpaŝi ĉi tien!«

[12]) Usona, marista slango — »ne nun« (trad.).

[13]) *Machete*. Granda, peza tranĉilo uzata de sud-amerikaj loĝantoj por tratranĉi la vojon tra arbaro ktp. (trad.).

[14]) Tio aludas al dimanĉa fermado de drinkejoj, amuzejoj, ktp. en multaj usonaj ŝtatoj (trad.).

[15]) Brutbienuloj, precipe, kaj aliaj loĝantoj de la vasta, usona okcidento kutimas volvi siajn proprajn cigaredojn. La papero estas farata el gren-senŝelaĵoj kaj la tabako estas portata en ordinaraj saketoj, kiujn la fabriko liveras (trad.).

[16]) Libreto kun paperetoj por cigaredoj kaj tabaksaketo (trad.).

Tra la fenestron li fingromontris al duetaĝa, blanke stukita domo kun vastaj galerioj, altantaj inter la profund-verda, tropika foliaro sur multarba deklivo, kiu estis ĝentile kliniĝanta el la maro.

»En tiu domo,« diris Thacker, »delikata, kastilja sinjoro kaj lia edzino sopiras por preni vin en siajn brakojn kaj plenigi viajn poŝojn per mono. La maljuna *Santos Urique* loĝas tie. Li posedas la duonon de la orminejoj en la lando.«

»Ĉu vi manĝis lokoherbaĉon?«[17]) demandis »Kaprido.«

»Bonvolu residiĝi,« diris Thacker, »kaj aŭskultu. Antaŭ dekdu jaroj ili perdis knabon. Ne, li ne mortis, kvankam la plimulto el ili ĉi tie mortas pro trinkado de nedistilita akvo. Li estis vera diableto, kvankam li ne havis pli ol ok jarojn. Ĉiu scias pri tio. Usonanoj, kiuj traveturis ĉi tiun landon, serĉante oron, havis leterojn al *Senor* Urique, kaj la knabo iĝis ilia favorato. Ili plenigis lian kapon per rakontoj pri Usono; proksimume monaton poste ili forvojaĝis, ankaŭ la knabo malaperis. Supozeble li sin kaŝis sub bananaroj sur frukto-ŝipo kaj iris al Nova-Orleano. Iu vidis lin poste en Teksaso, sed nenion plu oni aŭdis pri li. La maljuna Urique elspezis milojn da dolaroj por la serĉado de sia fileto. Estis la sinjorino, kiu suferis plej multe. La knabo estis al ŝi pli kara ol ŝia vivo. Ŝi ankoraŭ portas funebrajn vestojn. Sed ŝi kredas, oni diras, ke iun estontan tagon li revenos al ŝi; pro tio ŝi ne perdas la esperon. Sur la malantaŭo de la maldekstra mano de la knabo estis tatuita fluganta aglo, kiu portas lancon en siaj ungegoj. Ĝi estas la blazono, aŭ io simila, kiun la maljuna Urique heredis en Hispanujo.«

»Kaprido« malrapide levis sian maldekstran manon kaj scivole ĝin rigardis.

»Nu, vi komprenas,« daŭrigis Thacker, manetendante por sia botelo de kontrabandita brando. »Vi ne estas stultulo. Mi povas ĝin fari. Pro kio mi estis konsulo en Sandakan? Nur hodiaŭ mi tion eltrovis. En daŭro de semajno mi enigos la aglon kun la ranpikilo[18]) per internuanciĝantaj koloroj, tiel ke oni ĵuros ke vi naskiĝis kun ĝi. Mi kunportis la nadlojn kaj inkojn, ĝuste ĉar mi certis, ke vi alvenos iun tagon, sinjoro Dalton.«

»Ho, pro diablo!« ekkriis »Kaprido,« »mi pensas, ke mi diris al vi mian nomon!«

»Nu, bone, ĝi estu ,Kaprido'. Ĝi ne restos longe tia. Kiel sonas *Senorito* Urique, pro varieco?«

»Laŭ mia memoro, mi neniam antaŭe ludis la rolon de filo,« diris »Kaprido.« Se mi havis menciindajn gepatrojn, ili malaperis antaŭ ol mi eligis mian unuan blekon. Kio estas via plano?«

Thacker kliniĝis malantaŭen kontraŭ la muron kaj levis sian glason tenante ĝin kontraŭ la lumo.

»Nun ni alvenis,« li diris, »ĝis la punkto, ĉe kiu stariĝas la demando, ĝis kia grado vi deziras miksiĝi en tiuspecan aferon«.

»Mi jam diris al vi, kial mi venis ĉi tien,« naive klarigis »Kaprido.«

»Bona respondo,« diris la konsulo. »Sed vi ne devas ĝeni vin tiagrade. Jen la plano. Post kiam mi entatuos la »fabrik-markon« sur vian manon, mi sciigos la maljunan Urique. Dume mi akiros por vi tiom el la famili-historio, kiom mi sukcesos eltrovi, por ke vi povu elstudi la trafan manieron de parolo pri la aferoj de la familio. Vi havas la aspekton, vi parolas la hispanan lingvon, vi ekscios la faktojn, vi povas rakonti pri Teksaso kaj vi havos la tatumarkon. Kiam mi sciigos ilin, ke la rajta heredonto revenis kaj atendas por ekscii, ĉu li estos akceptita kaj pardonita, kio okazos? Simple ili rapidegos ĉi tien kaj, pro emocio, falos sur vian kolon — la kurteno malsuprenfalas por refreŝigaĵoj kaj promenadeto en la teatra vestiblo.«

»Mi ankoraŭ atendas,« diris »Kaprido«. »Ne multe da tempo forpasis, de kiam mi ,demetis mian selon en via tendaro',[19]) kunulo, ankaŭ mi nenian antaŭe renkontis vin, sed se vi kontentiĝos pri gepatra saluto, nu, en tiu okazo, mi eraras pri vi, jen ĉio.«

»Dankon,« rebatis la konsulo. »Jam de longe mi ne renkontis personon, kiu tiel bone agordiĝas al argumento kiel vi. La cetero estas simpla. Se ili nur portempe akceptos vin, eĉ tio estos por sufiĉe longe. Ne permesu al ili tro longan tempon por vin senmaskigi pri la frago-marko. La maljuna Urique ĉiam tenas en sia domo inter dol. 50,000 kaj dol. 100,000; la mono ripozas en malgranda gardoŝranko, kiun vi povas malfermi per butonumilo. Ne forgesu tion — mia lerteco de tatuisto valoras la duonon de la budlo.[20]) Ni dividos inter ni la monon kaj enŝipiĝos por Rio de Janejro. Usono dispecetiĝu, se ĝi ne povas ekzisti sen mia servado. *Que dice, senor?*«

»Sufiĉe bone!« ekkriis »Kaprido«, klinetante sian kapon. »Mi sopiras je la polvo.«[21])

»Do bone,« diris Thacker. »Vi devas kaŝiĝi, ĝis kiam la birdo estas surtatuita. Vi povas loĝi ĉi tie, en la malantaŭa ĉambro. Mi kuiras mian propran manĝaĵon, kaj mi zorgos, ke vi estu komforta — tiel bone kiel la avara registaro permesas al mi.«

Thacker kalkulis la tempon unu semajno, sed forpasis du antaŭ ol la desegnaĵo, kiun li pacience entatuis sur la manon de »Kaprido«, konformis al lia ideo. Tiam Thacker alvokis *muĉaĉo*'n kaj ekspedis la sekvantan leteron al la destinita viktimo:

> »*El Senor Santos Urique,*
> *La Casa Blanca.*
> Mia kara sinjoro!
>
> Mi petas la permeson informi vin, ke restadas en mia domo, kiel dumtempa gasto, junulo, kiu antaŭ kelkaj tagoj venis al *Buenas Tierras* el Usono. Kvankam mi ne deziras eksciti esperojn, kiuj povas ne efektiviĝi, mi pensas, ke eble li estas via longe forestinta filo. Estus bone, se vi vizitus min por lin rigardi. Se li estas tiu, laŭ mia opinio li intencis reiri hejmen, sed post sia alveno li perdis sian kuraĝon pro dubo koncerne lian akcepton viaflanke.
>
> Via servanto
>
> *Thompson Thacker*«

Post duonhoro — tre rapide, konsidere pri *Buenas Tierras* — la antikva landaŭo de *Senor Urique*

[17]) *Loco*-herbaĉo — unu el la diversaj, usonaj venenvegetaĵoj kiu kaŭzas iutempan freneziĝon al bestoj, se ili ĝin manĝas (trad.).

[18]) Ran-pikilo. Laŭ usona slango, lanco (trad.).

[19]) Parolmaniero de usonaj vakeroj — »Nur antaŭnelonge mi alvenis« (trad.).

[20]) *Boodle* — speciale usona vorto. Subaĉet-mono kiun elektita politikisto ricevas por voĉdoni laŭ la deziro de la paganto, ĝenerale korporacio. La konsulo, kiel politikisto, misuzas la terminon volante diri »ŝtelaĵo«.

[21]) Oro-polvo, laŭ slango de usonaj or-fosantoj — mono (trad.).

alveturis la pordon de l'konsulo, dum la nudpieda veturigisto kriegis kaj batis la grasan kaj mallertan jugitaron.

Altkreska viro kun blankaj lipharoj depaŝis, kaj helpis elpaŝi al sinjorino, kiu estis nigre vestita kaj vualita.

La du rapidis en la domon, kie Thacker, kun sia plej bona diplomata riverenco, salutis ilin. Apud lia skribotablo staris gracia junulo kun liber-ĉizitaj, sunbrunigitaj trajtoj kaj nigraj, glate brositaj haroj.

*Senora Urique*, per rapida gesto, tiris malantaŭen sian pezan vualon. Ŝi estis pli ol mezaĝa kaj ŝiaj haroj jam komencis arĝenti, sed ŝia plena, fiera figuro kaj klara, oliva haŭto konservis postsignojn de la beleco, kiu apartenas al la baska provinco. Sed tuj kiam oni ekvidis ŝiajn okulojn kaj ekkomprenis la egan malgajecon, kiu malkaŝiĝis en iliaj profundaj ombraĵoj kaj ilia senespera esprimo, oni divenis, ke la virino vivis nur en rememoroj.

Kun plej agonia demand-esprimo ŝi fikse rigardis la junulon. Poste ŝiaj grandaj nigraj okuloj restis sur lia maldekstra mano. Kaj tiam, kun plor-spasmo, ne laŭta, sed kiu ŝajne skuis la ĉambron, ŝi ekkriis »*Hijo mio!*« kaj prenegis »Kapridon« al sia koro.

Monaton poste »Kaprido« venis al la konsulejo, pro komunikaĵo, kiu estis al li sendita de Thacker.

Li aspektis kiel juna hispana *caballero;* liaj vestoj estis importitaj, ankaŭ la juvelista artifiko ne mankis. Pli ol respektinda brilianto brilis sur lia fingro, dum li volvis gren-senŝelaĵan cigaredon.

»Kio estas farebla?« demandis Thacker.

»Ne multe,« trankvile respondis »Kaprido.« »Mi manĝis mian unuan ingvano-stekon. Ili estas tiuj grandaj lacertoj, ĉu vi *sabe?* Tamen mi supozas, ke friholoj[22]) kaj flanko da lardo kontentigus min egale bone. Ĉu vi ametas ingvanojn, Thacker?«

»Ne, nek alispecajn reptiliojn,« tiu respondis. Estis la tria posttagmeze, kaj post horo li estos en sia beata stato.

»Estas tempo, fileto, ke vi estu fidela al via promeso,« li daŭrigis kun malbela mieno sur sia ruĝiĝinta vizaĝo. »Vi ne estas honesta, rilate al mi. Pli ol kvar semajnojn vi ludis la rolon de ,malŝparega filo', kaj se vi volus, vi jam povus ĝui delikataĵn manĝojn, kiujn oni servas sur arĝentaj pladoj. Nu, sinjoro ,Kaprido', ĉu vi pensas, ke estas juste lasi min tiom longe suferi la ,ŝelan dieton'?[23]) Kio mankas? Ĉu viaj filaj okuloj ne povas eltrovi ion, kio aspektas kiel preta mono en la *Casa Blanca?* Ne diru al mi, ke vi ne povas. Ĉiu scias, kie la maljuna Urique tenas sian kaŝitaĵon. Ankaŭ ĝi estas usona mono — li ne akceptas ion alian. Kio estas farebla? Ne respondu ,ne multe' ĉi-foje!«

»Certe,« diris »Kaprido«, admir-rigardante sian diamanton, »multe da mono estas tie. Mi ne estas sperta pri monpakaĵoj, sed mi povas juĝi, ke mi vidis la aperon de proksimume dolaroj 50,000, en tiu stana ,manĝaj-kesto' kiun mia adopta patro nomas sia gardoŝranko. Kaj kelkfoje li permesas al mi, ke mi portu la ŝlosilon — nur por montri al mi, ke li agnoskas min kiel sian veran Franciskon kiu ,vageraris for de la brutaro'.[24])

[22]) *Frijole,* hispane. Faboj, multe kulturataj en Meksikio (trad.).

[23]) Usonismo — nesufiĉajn viv-rimedojn (trad.).

[24]) Parolmaniero de usonaj vakeroj (trad.).

»Nu, pro kio vi atendas?« kolere demandis Thacker. »Ne forgesu, ke mi povas renversi vian pomoĉaron, kiam ajn mi deziras. Se la maljuna Urique ekscios, ke vi estas trompanto, kio okazos al vi? Ho, vi ne konas tiun ĉi landon, sinjoro ,Teksas-Kaprido'. La ĉi tieaj leĝoj estas kvazaŭ surŝmiritaj per mustrado. La uloj ĉi tieaj etendus vin kiel surpaŝitan ranon, kaj donus al vi ĉirkaŭ 50 baston-frapojn ĉe ĉiu angulo de la bulvardo. Kaj ili eluzus ĉiun bastonon, ne forgesu. Kio estus restinta el vi, tion ili ĵetegus al la aligatoroj.«

»Estas pli bone, kunulo, se mi diros al vi nun,« rebatis »Kaprido«, profunden glitinte en sian vaporŝipan seĝon, »ke la aferstato restos ĝuste kiel ĝi estas. Ĝi estas sufiĉe bona nun.«

»Kion vi volas diri per tio?« demandis Thacker, klakigante la fundon de sia glaso sur la skribotablo.

»Via fiplano estas retirita,« respondis »Kaprido.« »Kaj kiam vi sentos la plezuron paroli al mi, alparolu min ,*Don Francisko Urique.*' Mi garantias, ke mi respondos al ĉi tiu titolo. Kolonelo Urique tenu sian monon. Kio ajn koncernas vin kaj min, lia stana gardoŝranko estas tiel bona kiel la horŝlosilo en la Unua Nacia Banko de Laredo.«

»Do vi volas perfidi min, ĉu?« ĉagrene demandis la konsulo.

»Certe,« gaje respondis »Kaprido.« »Perfidi vin — jen la esprimo! Kaj nun mi diros al vi, kial. Dum mia unua nokto en la domo de la kolonelo, ili ,prezentis' min al la dormoĉambro. Ne lankovriloj sur planko, sed vera ĉambro kun lito kaj diversaĵoj en ĝi. Kaj antaŭ ol mi endormiĝis, eniras tiu artefarita patrino mia, kaj enfaldas miajn kovrilojn. ,*Panĉito,*' ŝi diras, mia eta perditulo, Dio reportis vin al mi. Mi benos Lian nomon por ĉiam. Estis tio, aŭ io simila, kion ŝi esprimis. Kaj malsuprenfalas guto aŭ du da ,pluvo' kaj trafas min sur la nazon. Ĉi tio tuŝis min, sinjoro Thacker. Kaj estas tiel de tiam. Kaj tiel devas resti. Ne pensu, ke mi diras tion pro io al mi gajninda. Se vi suspektas ion similan, tenu la ideon al vi. Mi malmulte interrilatis kun virinoj, nek priparolindajn patrinojn mi havis, sed jen estas sinjorino, kiun mi devas daŭre trompi. Unufoje ŝi eltenis; duan fojon ŝi ne eltenos. Mi estas kvazaŭ malnobla lupo, kaj la diablo anstataŭ Dio eble sendis min sur tiun ĉi vojon, sed mi trairos ĝin ĝis la fino! Kaj nun ne forgesu, ke mi estas *Don* Francisko Urique, se vi okaze mencios mian nomon.«

»Mi denuncos vin hodiaŭ, vi — vi, duobla perfidulo,« ekbalbutis Thacker.

»Kaprido« leviĝis kaj per ŝtala mano facile ektenis la kolon de Thacker, puŝante lin malrapide en angulon. Tiam li eltiris el sub sia maldekstra brako sian perltenilan »45« kaj pintopuŝis ĝian malvarman buŝon kontraŭ la buŝon de la konsulo.

»Mi diris al vi, kial mi venis ĉi tien,« li ekparolis per sia malnova, frosta rideto. »Se mi forlasos ĉi tiun landon, vi estos la kaŭzo. Neniam forgesu tion kunulo. Nu, kio estas mia nomo?«

»Er... *Don* Francisko Urique,« elspasmis Thacker.

El ekstere venis sono de ruliĝantaj radoj, ankaŭ ies kriado kaj la akraj frapegoj de ligna trunk-vipo sur la dorsoj de grasaj ĉevaloj.

»Kaprido« remetis sian armilon, kaj alpaŝis al la pordo. Sed li ree sin turnis kaj revenante al la tremetanta Thacker, li suprenlevis sian maldekstran manon kun ties dorso al la konsulo.

# La nuntempa arto kaj la bildbezono

— Nils Lindgren —

II.

En la unua parto ni jetis ĝeneralan rigardon sur la cirkonstancojn, kiuj dum diversaj epokoj influis la rilatojn inter la arto kaj bildbezono. Tiuj estis precipe eksteraj faktoroj, ne dependantaj de la artistoj mem. Sed por plene kompreni la problemon, necesas ekzameni ankaŭ la manieron, laŭ kiu la artistoj mem reagis al ĉi tiuj eksteraj premisoj. Se oni grande rigardas la aferon, kompreneble oni haltas ĉe la du grandaj revolucioj de l' arthistorio: la renesanco kaj la nuntempa artribelo. La unuan ni povas prijuĝi helpe de la superabunda literaturo dediĉita al ĝi de la arthistoriistoj de pluraj jarcentoj. Sed la trarompo de l' t. n. »moderna« arto estas por la plej multaj nuntempanoj kaŝata en mallumo. Plie ĝi estas objekto por kalumniado plej ofte ne havanta alian bazon krom la individua gusto. Oni devas rekoni, ke ĉi tiu kalumniado kelkfoje pravis, sed igi ĝin bazo por ĝenerala malaprobo, estus tro facilanima sinteno kontraŭ tiom grava epokfenomeno.

Por rigardi la nuntempan artribelon de la ĝusta ekirpunkto, ni devas reiri al la renesanco. Kiam la mezepoka arto jam elĉerpis sin kaj transiris al rutina produktado de sanktulaj bildoj, kune kun la renaskiĝo de l' klasika idealo iom post iom vekiĝis ankaŭ la opozicio kaj ĉiam pli emfaze pretendis pli da personeco, kreanta spirito kaj forto malantaŭ la arta verko. Kiom intensa kaj aplomba fariĝis tiu artrevolucio, oni scias el la historio. Legante pri ĝi, oni ricevas, konscie aŭ subkonscie, la impreson, ke ĉiu arto, kiu ekvidis la lumon dum la renesanco, estis grandioza, vera kaj plena de bolanta vivo. La kaŭzo estas aŭ la abunda materialo pritraktata post iom da revizio eĉ en la plej detala arthistoria verko, aŭ tio, ke nur vere arta produkto posedis sufiĉan vivforton por konserviĝi ĝis nia epoko. Ĉu estas maleble, ke la hordo de l' ripetantaj, maloriginalaj pentristoj, kiuj tiome malfaciligas por la nova arto antaŭenbatali sin al la rekono de l' publiko, havis sian paralelon ankaŭ dum la renesanco? Ĉu ne troviĝis ankaŭ tiam malpli sukcesaj artistoj, kiuj en la nomo de l' novaj ideoj uzurpis la favoron de la publiko? La respondo al ĉi tiuj demandoj estas jesa, kvankam la komparo lametas. La renesanco konstruis nome siajn ideojn sur la bazo de la redono de l' naturo, dum la nova arto, aperinta dum la plej furioza periodo de la artribelo de nia jarcento, starigis sin opozicie kontraŭ ĉiu naturalismo por plej akre marki sian disiĝon for de la arto, kiun oni produktis dum la lastaj jaroj de l' 19-a jarcento kaj kiu »elĉerpis ĉiujn artajn eblojn per celado al fotografece detala redono de la naturo.« La renesanca periodo ĉiam postulis teknikan lertecon eĉ de la malbonaj pentristoj, dum la nova arto, detruante la barilojn, kiuj la artiston forfermis de la libera kreado, liberigis la vojon por aro da blufuloj kaj malinteligentaj ripetantoj, kiuj ĉiam sukcesis defendi ĉiujn misdesegnojn kaj acajn kolormiksaĵojn per la ŝildnomo »moderna«. Ju pli stabiliĝis la artistoj kaj povis rikolti la fruktojn de grandparte rezultodona kuratako, des pli repuŝiĝis, feliĉe, la malutila kvazaŭarto, kiu ĉefe kulpas pri la abismo inter la artistoj laborantaj laŭ la takto de l' epoko kaj la granda publiko; sed la aro de l' senutiluloj ankoraŭ ne estas kaj neniam estos ekstermita.

Kiel ofte ni aŭdas, ke pentraĵo estas moderna. Kial oni aplikas ĉiam tiun eluzitan etikedon. La arto estas eterne juna, konstante rejuniĝas kaj neniam sin ripetas. Ĉiu artaĵo, se ĝi estas vere tia, estis iam nova por sia tempo, aŭ, kiel oni amas ĝin nomi hodiaŭ, »moderna«. Se oni volas arte krei, oni neniel povas paŝi laŭ malnovaj, ir-larĝigitaj piedsignoj. La artisto devas posedi personan vidpunkton kaj propran esprimmanieron. Malgraŭ ĉio ĉi, neniam troviĝos pli ol unu Michel Angelo, unu Rembrandt, unu Zorn kaj unu Milles. Samkiel la renesanco estis natura reago kontraŭ la stagnado en la evoluo, la kaŭzo de la apero de l' nova arto estis unuavice la ĝenerala laŭrutineco en la pentrofako. La klopodoj celis antaŭ ĉio plejeblan naturalismon tiel laŭ formo kiel laŭ koloroj, sed dume sufokis kaj neniigis la krean spiriton. Jen kial »krei« estis la plej grava devizo sur la programo de l' novaj fortoj. Oni apenaŭ povis sufiĉe frape marki sian distanciĝon de la vojo, kien glitis la samtempa arto, kaj kiun vojon oni ĝenerale stampis kiel reen-kondukantan.

Ekzamenante ĉi tiujn cirkonstancojn, estas grave konsideri, ke la nova arto ne tial starigis sin opozicie kontraŭ pli aĝaj artdirektoj, ĉar tiuj estis malnovaj. Ĝi nur volis akcenti, ke la arto devas konstante evolui kaj havi kunligon kun la tempaj aperaĵoj. Ĉi tie estas menciinde, ke oni malofte trovas tiom varmajn admirantojn de l' pli aĝa arto, kiom inter la t. n. modernaj artistoj. Por ili estas vivbezono senti sin sane-verda, nova branĉo sur arbo suĉanta sian nutraĵon el la humo de l' foririntoj. Jen kial devas ĉiu vera arto konstrui sur sindona studado de l' manieroj, laŭ kiuj la artistoj de pluraj generacioj plenumis sian respondecon rilate la homan bildbezonon.

La intenseco karakteriza por la plej komenca periodo de l' nova ribelo eble estis necesa por rompi vere marŝeblan novan vojon por la arto. Sed estas certe, ke la malestimo de l' nova arto kontraŭ la *motivo*, kiu formis unu el la bazelementoj de l' postulo pri la *kreota* artaĵo, lokigis tiun arton ekster la gustdirekto de la ĝenerala publiko koncerne la kontentigon de ties bildbezono. Dum la antaŭa arto ekzistis por ĉiu, la nuna arto iĝis ĝuebla plejparte nur por eta nombro da artkleruloj. Tie ĉi evidentiĝas pripensinda malforto. Sed se oni rigardas la aferon de pli proksime, oni povas ĝoje konstati, ke ankaŭ la majstroj de l' nuntempa arto kreis verkojn facile kompreneblajn, ĝenerale-homajn kaj plenajn de pulsanta vivo, kiujn ĉiu povas senklopode kompreni kaj percepti. La grundpensoj pri la pureco de la koloro kaj esprimforto, kiujn oni akcentis ĉe la naskiĝo de l' nova arto, aperis konfuzaj por la ĝenerala publiko alkutimiĝinta dum jarcentoj al la akademiaj artdirektoj. La prahomo en la grotnestoj de Sudfrancujo havis eble pli da premisoj por kompreni tiun simpligon laŭ formo kaj koloro, kiu nun fariĝis ekira punkto al nova ekstudo de la naturo. La apliko de jenaj grundpensoj en la praktiko nur iom post iom ricevis pli stabilan formon. Samtempe iĝas pli kaj pli malfacile konstati, ĉu la troigo de l' novaj artprofetoj, aŭ la disvastiĝinta ĝenerala blindeco — sekvo de la apatio de l' naturalisma arto — kaŭzas ĉe la granda publiko la mankon de kompreno pri la verkoj de l' nuntempaj artistoj.

Do la rilato de l' hodiaŭa arto al la bildbezono tre diferencas de la respondaj rilatoj dum la pasintaj tempoj. Antaŭe la publiko povis sekvi la evoluon de l' arto je certa distanco, sed nuntempe tiu faris tiel rapidan saltamento kaj flugantaj rubandoj, kliniĝis antaŭen kun feliĉa rigardo en siaj grandaj, molaj okuloj.

---

»Alia kaŭzo ekzistas,« li malrapide diris, »kial la afero devas resti kiel ĝi estas. La bonulo, kiun mi mortigis en Laredo, havis la identan bildon sur sia maldekstra mano.«

Ekstere la antikva landaŭo de *Don Santos Urique* alklakis la pordon. La veturigisto ĉesigis sian kriegadon. Senora Urique en gaja, ampleksa robo el blanka pasamento kaj flugantaj rubandoj, kliniĝis antaŭen kun feliĉa rigardo en siaj grandaj, molaj okuloj.

Ĉu vi estas interne, kara filo? ŝi vokis en la ondeta, kastilja lingvo.

*»Madre mia, yo vengo,«* respondis la juna *Don* Francisko Urique.

El la angla: *Georgo Saville.*

# Al tiuj, kiuj havas komprenon por muziko

— De Axel Munthe —

Mi havis jarabonon kun li. Dufoje ĉiusemajne li venis traludi sian tutan repertuaron, kaj lastatempe li, pro simpatio al mi, ofte bisis la Miserere-n el La Trubaduro, kiu estis lia ĉefa muzikaĵo. Li staris tie meze de la strato, dum la ludado persiste suprenrigardante al miaj fenestroj, kaj fininte li ĉiam deprenis sian pintan ĉapelon, kriante al mi: »*Addio, Signor!*«

Ja estas konate, ke la tonoj fluas ne nur el la violono sed ankaŭ el la gurdo kun des pli riĉa belsono, ju pli malnova tiu estas. La altaĝa artisto havis bonegan instrumenton — ne laŭ la moderna, brua speco, kiu imitas tutan orkestron, kun flutotonoj, sonorado kaj triumfa rulado de tamburoj — sed melankolian, malmodernan gurdon, kiu povis doni dolĉan revadon al la plej gaja *allegretto* kaj en kies plej pompa *tempo di marcia* evidente aŭdiĝis fundamenta sono de rezigno. Kaj en la delikataj programeroj de la repertuaro, kiam — sensonora kaj ŝanceliĝa kiel rompita homa voĉo — la melodio palpe serĉis al si la vojon inter la rustaj tuboj de la soprano, tiam iĝis treme en la plej profunda registro kiel pro retenitaj ekĝemoj. Kelkfoje la voĉo de la laca gurdo tute ne funkciis plu, kaj la maljunulo kviete gurdis dutaktan paŭzon, pli kortuŝan en sia elokventa silento ol ia ajn muziko.

Certe la instrumento estis bona en si mem, sed la maljunulo sendube havis sian personan parton en la sento de melankolio, kiu penetris min ĉiufoje, kiam mi aŭdis lian muzikon.

Li troviĝis en la mizerula kvartalo ĉirkaŭ Jardin des Plantes, kaj dum miaj solecaj vagadoj tie mi plurfoje haltis por aliĝi al la maldensa aŭskultantaro de ĉifonaj infanetoj, kiuj lin ĉirkaŭis.

Ni konatiĝis iutage malfruaŭtune, en nebuleta, krepuskanta vespero. Mi sidis sur benko sub la velkantaj arboj, kiuj vane provis ornami la malserenan kvartalon per iom da somero kaj nun senespere faligis la foliojn; kaj kiel melankolia akompanado al miaj malgajaj meditoj la malnova gurdo en la apuda strateto tusis la arion de Traviata en la lasta akto: »*Addio del passato bei sogni ridenti!*« (Adiaŭ, belaj revoj pri tempoj pasintaj!)

Mi eksaltetis, kiam la muziko silentiĝis. La maljunulo traludis sian tutan repertuaron, kaj, senespere inspektinte la publikon, li rezigneme metis la simion sub la jakon kaj intencis foriri. Mi ĉiam ŝatis gurdojn, kaj mi havas sufiĉan muziksenton por scii distingi bonan muzikon de malbona. Mi alpaŝis, dankis kaj petis lin ludi ankoraŭ iom, se lia brako ne laciĝis. Li certe ne estis tro dorlotita per laŭdo, la maljuna artisto; li fiksis sur mi malĝojan, skeptikan rigardon, kiu fakte dolorigis miajn okulojn, kaj preskaŭ timide hezitante li demandis min, ĉu mi deziras aŭdi ian specialan muzikaĵon. Mi lasis la elekton al la maljunulo mem. Post misterplena manovrado per kelkaj ŝraŭboj sub la instrumento, li komencis gurdi kun certa soleneco, kaj afable okulumante al mi, li diris: »*Questo è per gli amici!*« (Tio estas por la amikoj!)

Estis nova muzikaĵo, kiun ludi mi ne aŭdis lin antaŭe, sed mi bone rekonis la malnovan, melankolian melodion, kaj duonlaŭte mi revokis en la memoron la tekston de l' eble plej bela popolkanto de Napolo: »*Fenestro che luciva e mò non luce...*« (Fenestro, kiu lumis, sed nun ne lumas...)

Dum la ludo li rigardadis min kun timema intereso, kaj kiam li finis, li malkovris sian maljunan, grizan kapon — kaj la interkonatiĝo estis farita.

Ne estis malfacile vidi, ke la tempoj estas malbonaj — la vesto de la maljunulo estis ĉifona, kaj la paleco de la mizero kuŝis sur liaj velkaj trajtoj, kiuj mi legis la rakonton pri malĝoja, fiaskinta homa vivo.

Li rakontis, ke li havis sian hejmon en la montaro ĉirkaŭ Montecassino, sed la devenon de la simio, mi ne povis tute esplori.

Ni do renkontiĝis de tempo al tempo dum miaj vagadoj en la mizerulaj kvartaloj. Kiam mi havis sufiĉe da tempo, mi restis kelkajn minutojn, ĉar mi rimarkis, ke tio ĝojigas la maljunulon, kaj, ĉar mi ĉiuokaze havis sukerpecojn en miaj poŝoj pro eventualaj hundkonatiĝoj, ankaŭ la simio kaj mi baldaŭ amikiĝis. La rilato inter ĝi kaj ĝia impresario estis neordinare bona, malgraŭ ke ĝi tute ne plenumis la esperojn, bazitajn sur ĝi — ĝi neniam povis lerni ian ajn ĵonglaĵon, rakontis al mi la maljunulo. Ankaŭ ĉiuj provoj pri emancipado antaŭ longe estis forlasitaj, kaj nun ĝi kaŭradis tie sur la gurdo, farante absolute nenion. Ĝia mieno estis melankolia kiel ĉe la plej multaj bestoj, kaj ĝiaj pensoj vagis for. Sed kelkfoje ĝi vekiĝis el siaj revoj, kaj tiam oni povis vidi en ĝiaj okuloj malfideman, preskaŭ malican esprimon, se ĝi hazarde ekrigardis unu el la stratbuboj, kiuj interpremadis sin ĉirkaŭ ĝia tribuno, provante ektiri ĝian voston, kiu elaperis sub la galonita garibalda ĉemizeto. Al mi ĝi ĉiam estis afabla: plenfide metis sian sulketan manon en la mian kaj distrite akceptis la etan komplezon, kiun mi havis okazon prezenti al ĝi. Gi tre amis ĉiajn dolĉaĵojn, kaj rostitaj migdaloj laŭ ĝia opinio estis la ĉefa frandaĵo ekzistanta.

Post kiam la maljunulo iufoje sur la balkono de »Hôtel de l' Avenir« rekonis sian muzikaman amikon, li ofte venis tien por gurdi sube. Pli poste li, kiel dirite, estis dungata regule ludi tie dufoje ĉiusemajne — por medicina studento tio ja povas ŝajni ekstravaganca, sed la pretendoj de la maljunulo estis tiel malgrandaj, kaj mi ja ĉiam havis plezuron en muziko.

---

egon, ke ĝia sekvado altgrade malfaciliĝis, krome aldoniĝas ankaŭ la cirkonstancoj, pri kiuj ni parolis en la komenco de nia artikolo. Ĉar la arto kreata de nuntempaj aŭ modernaj artistoj dum la lastaj jaroj atingis la trankvilon, kiu ĉiam postsekvas grandajn uraganojn, estus tre dezirinde, ke la kontakto inter la artistaro kaj granda publiko denove iĝu intima. Ĉiuj provoj kompromiti la artistojn, stampi ties verkojn kiel blufon aŭ ŝakfigurojn en spekulacia ludo, devas fiaski, se la atakanto mem ne posedas talenton por elmontri ion pozitivan, montri novan direkton, laŭ kiu la arto povus evolui de la nuna stato al pli alta. Tian evoluon oni ne povas atingi per reiro al la esprimmaniero de jam pasintaj epokoj. Sen vera kunsento kun la vivanta arto, kun la arto kreata en nia propra epoko, kaj sen premisoj, al kies elvoko ni mem kontribuas laŭ nia kapablo, la intereso pri l' arto estas komdamnita al mizera vegetado. Feliĉe, la tendencoj de l nuntempaj artistoj ĉe dekorativaj taskoj kaj profesia arto konstruis plurajn fortikajn pontojn super la fendego inter la publiko kaj artista mondo, kiu nur antaŭ kelkaj jardekoj ŝajnis netranspontebla, sed oni povas, eĉ devas fari ankoraŭ multe por pliigi la komprenon pri la arto de nia tempo kaj ĝiaj istoj.

El la sveda: *Tiberio Morariu.*

# Exit* Isidor Filén

— Sigfrid Siwertz —

Nun temas pri la pensoj kaj sentoj de Leonardo Izidoro Filén en la vespero antaŭ ol li konfesis siajn ŝtelojn el la kaso kaj provizo. Filén estis belega viro, havanta nigran, krispan hararon, palan haŭton, mallumajn, dolĉajn okulojn, nekontraŭstareble kurbajn lipojn kaj longajn, iom malseketajn manojn, pro la longa uzado de tranĉilo kaj tondilo ofte vigle kaj gracie svingiĝantajn. La virinoj fariĝis lia malfeliĉo. Li oferis al ili ĉion. La virinoj scias pri Isidoro Filén pli ol mi. Sed ili silentas — same kiel la ŝtelhelpantoj.

*) Exit: eliras. (Sceninstrukcio por aktoro.)

La lasta fojo, kiam oni vidis Filén en la libera aero, estis ĉe la ĉiusomera balo de la frizista societo, en Nacha. Li staris jam tiam, pala kaj rigida, en la jetombro de la sorto, sed ankaŭ tia, en sia prema malsereno, li ne povis eviti, fari profundan impreson al la belaj frizistinoj. Sajnis kvazaŭ li farus malgajan kaj solenan finkalkulon pri ĉiuj siaj eksamantinoj. Car Filén ĉiam fidele elektis el sia metio, kio ankaŭ, ĉe okazo, estis akcentata kiel iom senkulpiga trajto...

Kaj li do subite foriris en la nokton por reaperi nur en la tribunalaj gazetnotoj. Antaŭ la juĝisto li estis trankvila kaj humila. Ne tro severe prijuĝu lin.

Alna glu', pinpingla fal.'
Zumas jen barbirobal'.
Ĉe piedoj tikla sent' —
cedos vi al valsotent'?
Kornorkestra tonohajl' —
kurbus pro ĝi fera najl'!
Tubo, korno kaj tambur',
*Crème Ninon* kaj *Rose d' Amour*,
solv' safrana, ambro, mosk'!
Dancu gaje en la bosk'!
Kozmetika la parfum'
ŝvebas en la lunolum'.
Migdalsap', »lila lakt«,
pinarbaro kaj valstakt'.
Falsharajo, bukligil',
brust' ĉe brusto — maltrankvil'.
Krispaj haroj de virin'
tiklas dolĉe-svene vin,
kaj en arda sangoflu' —
muta rev' en kirla glu'...
Ĉu, piedo kaj pasi'
kontraŭstari povas vi?
Korn' volupta, amoscen':
nun endancu, ho Filén!

Por tiu plu en ter-oas'
ne floros roso, revo,
kiun tentadis tro la kas'
de lia bona ĉefo.
Vi bela Isidor' Filén,
vi ŝtelis — ho skandalo —
botelon ŝtelis vi sen ĝen'
da *Eau de Portugalo*.

Ho, kiel grilo grincas: iii...
Ĉe akrigila sono
senkulpa iam gajis mi
en la razadsalono.
Jes, pentu, — jam ne eblas fuĝ':
tondilmakzeloj de la juĝ'
oscedas kun malpleno
por via vivfadeno.

Adiaŭ, nigrabukla bel'
kaj pasto kosmetika:
senhara sidos vi en ĉel'
malgranda sed fortika.

— — — — — — — —

Jen, frato, eho de la hor'
la gajajn voĉojn portas!
Sub ombraj arboj en la for'
la lasta valso mortas:

... Mosk', safrano, rozparfum',
se vi povas, gaju nun!
Mankateno, piedĉen'...
ĉu vin tentas valsrefren'?
Samfadene koroj sep
amis vin kun kvera pep'.
Kis', mensogo, malhonest',
man' en jupo, man' en kest'.
La fadenon ŝiris dram',
koroj sep forgesis jam.
Mutu kornoj, nigru scen'...
Exit Isidor' Filén.

El la sveda: *Magda Carlsson.*

---

Cetere estis la sola distrado tie havebla — oni studis energiege en Hôtel de l' Avenir: mi estis faronta mian ekzamenon la sekvantan printempon.

Tiel la aŭtuno pasis, kaj la severa tempo venis. La riĉuloj provis la novajn modojn, kaj la mizeruloj tremis de malvarmo. Gantumitaj manoj trovis ĉiam pli grandan malfacilaĵon forlasi la varman mufon kaj la peltgarnitan refaldaĵon por elpreni la moneron por la almozulo, kaj ĉiam pli severa fariĝis la batalo por la ekzistado por ĉiuj problemaj estuloj de la strato. Sur kortoj antaŭ senespere fermitaj fenestroj koncertadis frostbluaj etaj artistoj, harpistoj, »*zampognari*« kaj violonistoj; sen atento forsonis la plej kortuŝaj muzikaĵoj pri »*La bella Napoli*« kaj »*Santa Lucia*«, dum frostrigidaj fingroj sonorigis la mandolinon kaj fratinjo frostotreme frapis la tamburinon. La maljuna stratkantisto vane aŭdigis kun stertora patoso la kanton pri »*la gloire*« kaj »*la patrie*«, kaj mia amiko vane gurdis tiun muzikaĵon »*per gli amici*« — ĉiam pli dense falis la neĝeroj sur la humile malkovritajn kapojn, kaj ĉiam pli ŝpareme falis la soldmoneroj en la etenditan ĉapelon.

Kelkfoje mi renkontis mian amikon, kaj ĉiam ni havis, kiel antaŭe, afablan vorton unu por la alia. Li nun surhavis malnovan abruzzan pelerinon, kaj mi rimarkis, ke li, laŭ la plifortiĝo de l' frosto, gurdas siajn muzikaĵojn en pli rapida takto, por sin varmigi. Kaj pli poste, en decembro, eĉ la Miserere iris en allegretto! La simio fariĝis civila kaj volvis sian malgrasan korpeton en tian longan vojaĝan superveston, kian ofte uzas la angloj, sed ĝi tamen terure malvarmis, kaj, forgesante ĉian etiketon, ĝi ĉiam pli ofte deiris de sur la gurdo kaj rampis sub la mantelon de la maljunulo.

Kaj dum ili suferadis tie ekstere en la malvarmo, mi sidis hejme en mia varma ĉambro, kaj, anstataŭ helpi, mi forgesis ilin, ĉiam pli okupita pri mia ekzamena studado, pensante nur pri mi mem. Kaj jen mi subite translokiĝis al Hôtel-Dieu por dejori tie anstataŭigante kamaradon, kaj dum pluraj semajnoj mi ne metis mian piedon ekster la malsanulejon.

Tiom bone mi memoras la jenon: estis ĝuste la novjara tago, kiam ni revidis unu la alian. Mi estis trapasanta la Notre-Dame-placon, la meso ĵus finiĝis, kaj la homoj elfluis el la malnova katedralo. Kiel kutime, tie staris longa vico da almozuloj, alvokantaj la kompaton de la diservanoj. La severa vintro plialtigis ilian nombron, kaj krom la ordinaraj almozuloj, kripluloj, kaj blinduloj, kiuj ĉiam troviĝas ĉe la preĝeja pordo, laŭte elverŝante la historion pri sia mizero, tie staris silenta vico da okazaj rekrutoj de la malriĉego, mizeruloj, kies vivopano malaperis sub la neĝamasoj kaj kies fiero sensentiĝis pro malvarmo. Plej fore, kelkan distancon de la aliaj, staris maljunulo kun klinita kapo kaj etendita ĉapelo, kaj kun dolora surprizo mi rekonis mian amikon en lia maldika, eluzita redingoto, sen la abruzza pelerino, sen la simio. Mia unua impulso estis alpaŝi al li, sed embarasa sento, mi ne scias pro kio, retenis min: mi sentis, ke mi ruĝiĝas, kaj mi staris sen movo, kie mi estis. Iuj el la

preterpasantoj haltis kvazaŭ por serĉi en la poŝoj, sed eĉ unu moneron mi ne vidis fali en la ĉapelon de la maljunulo. La placo baldaŭ iĝis preskaŭ senhoma, kaj unu almozulo post la alia foriris kun sia enspezeto. Fine el la preĝejo eliris infano, kondukita per la mano de funebre vestita sinjoro; la infano per la fingro montris la maljunulon kaj poste alkuris por meti arĝentan moneron en lian ĉapelon. La maljunulo humile klinis la kapon por danko, kaj ne multe mankis, ke ankaŭ mi, en mia fatala distriteco, estu dankinta la etan donacintinon, tiom mi ĝojiĝis. Mia amiko zorgeme volvis la multvaloran donacon en malnovan poŝtukon kaj foriris antaŭenkliniĝinta, kvazaŭ li ankoraŭ portus la gurdon surdorse.

Mi momente havis nenion por fari, kaj opiniis, ke promeneto post la malsanuleja odoro ne malutilos al mi antaŭ la matenmanĝo, do mi malrapide postiris laŭ la Seine-ponto. Dufoje mi atingis lin kaj jam preskaŭ frapis al li la ŝultron, dirante: »*Buon giorno, don Gaetano!*«, sed, sen verdire scii kial, mi haltis kaj denove lasis lin antaŭeniĝi kelkajn paŝojn.

Glacie malvarma vento blovis rekte kontraŭ nin, kaj mi pli zorge envolvis min per la pelto. Sed ĝuste en la sama momento mi ekdemandis al mi mem, kial efektive mi havas tian varman, bonegan pelton, dum la maljunulo, kiu penegadis tie antaŭ mi, havas nur eluzitan, malnovan redingoton. Kaj kial atendas min la matenmanĝo, kaj ne lin? Kial havos mi flamantan fajron hejme en mia komforta ĉambro, dum la maljunulo la tutan tagon devas travagi la stratojn por ne morti pro malsato kaj poste, malfrue vespere, hejmeniri al mizera ĉambraĉo por, sen protekto kontraŭ la malvarmo de la vintra nokto, ripozi ĝis nova tago de batalo por la pano?

Kaj subite klariĝis al mi, kial mi ruĝiĝis, vidante lin ĉe Notre-Dame, kaj kial mi ne decidiĝis alpaŝi por saluti lin — mi hontis antaŭ la maljunulo, hontis pro la nemeritita malavareco de la vivo kontraŭ mi kaj ĝia severeco al li. Mi sentis, kvazaŭ mi forprenis iom de li, kion mi devus al li redoni; kaj mi ekmeditis, ĉu tio povus esti la pelto.

Sed mi ne venis pli longe en miaj meditoj, ĉar la maljunulo haltis por enrigardi tra montrofenestro. Ni ĵus transiris Place Maubert kaj turniĝis en Boulevard St. Germain; sur la bulvardo svarmis homoj, kaj mi povis nerimarkite tute proksimiĝi al li. Estis sukeraĵvendejo, antaŭ kiu li haltis, kaj je mia konsterniĝo li decide eniris. Mi stariĝis antaŭ la butika fenestro apud kelkaj stratbuboj, bluaj de frosto, absorbitaj en la rigardado de la neatingeblaj frandaĵoj, vicigitaj interne, kaj mi vidis, kiel la maljunulo singarde malvolvas la poŝtukon kaj metas la mondonacon de la knabineto sur la vendotablon. Mi apenaŭ havis la tempon flankeniĝi, kiam li eliris kun ruĝa konfitaj-saketo en la mano, kaj kun rapidaj paŝoj li direktis sin al la najbaraĵo de Jardin des Plantes.

Mi ege miris pri tio, kion mi vidis, kaj la scivolemo min instigis lin sekvi. En unu el la stratetoj malantaŭ Hopital de la Pitié, li malrapidigis sian iradon, kaj mi vidis lin malaperi en malnova domaĉo. Mi atendis kelkajn minutojn, kaj poste mi palpis tra la peĉnigra pordegejo, suprengrimpis glitigan ŝtuparon kaj ekkaptis duonfermitan pordon. Glacie malvarma, krepuska ĉambro, kie meze de l' planko tri ĉifonaj infanoj sidis kaŭrantaj ĉirkaŭ duone estingiĝanta karboforno; en angulo troviĝis la sola meblo de la ĉambro: putra fera lito kun krucifikso kaj rozario sur la muro supre, kaj ĉe la fenestro pendis Madonofiguro kun akre kolorigitaj paperfloroj ĉirkaŭe — mi estis en Italujo, en mia malriĉa, ekzilita Italujo. Kaj en plej pura toskana lingvo respondis al mi la plej aĝa fratino, ke don Gaetano loĝas plej supre en la subtegmentejo. Mi frapis sur la pordo tie supre, sed neniu respondis, kaj mi malfermis la pordon. La ĉambro estis hele lumigita de fajro, flamanta en la forno. Turnante la dorson al la pordo, don Gaetano genuis antaŭ la fajro kaj varmigis kaseroleton: rekte antaŭ la forno kuŝis malnova matraco kun la bone konata abruzza pelerino ĵetita super ĝi, kaj sur la planko apude estis sur sternita gazeto vicigitaj granda nombro da frandaĵoj, du oranĝoj, juglandoj, sekvinberoj kaj migdaloj; kaj tie ankaŭ troviĝis la ruĝa konfitaj-saketo. Nun don Gaetano metis sukerpecon en la kaserolon, kirlis per lignosplito, kaj mi aŭdis lin diri per persvadanta voĉo: »*Che bella roba! quanto è buono questo latte con la zuchero! Non piangere, anima mia, adesso è pronto!*« (Kiaj raraĵoj! Kiel bongusta estas ĉi tiu lakto kun la sukero! Ne ploru, mia trezoro, nun ĝi estas preta!)

Kraketis mallaŭte sub la abruzza pelerino, kaj malgranda nigra mano etendis sin al la konfitajsaketo.

»*Primo il latte, primo il latte!*« (Unue la lakton, unue la lakton!) admonis la maljunulo — »non importa, piglati una!« (Nu, ne gravas, do prenu unu!) li diris pente kaj prenis grandan rostitan migdalon el la saketo; la eta mano malaperis, kaj aŭdiĝis mordetado sub la mantelo. Don Gaetano verŝis la varmigitan lakton en tason kaj poste singarde levis angulon de la pelerino. — Tie kuŝis la kompatinda simieto kun spireganta brusto kaj febrecaj okuloj. Gia vizaĝo estis tre malgrandiĝinta, kaj la haŭto tute cindrogriza. La maljunulo metis ĝin sur sian genuon, kaj, amema kiel patrino, li verŝis en ĝian buŝon kelkajn plenkulerojn da varma lakto. Gi rigardis indiferente al la frandaĵoj sur la gazeto kaj distrite fingrumis la barbon de la maljunulo. Gi estis tiel senforta, ke ĝi apenaŭ kapablis teni la kapon levita, kaj de temp' al tempo ĝi tusis tiom, ke la malgrasa brusteto tremis, kaj per ambaŭ manoj ĝi ĉirkaŭprenis la frunton. Don Gaetano malĝoje skuis la kapon kaj singarde ree kuŝigis la etan malsanulon.

Iom da ruĝiĝo flugis sur la vizaĝon de la maljunulo, kiam li ekvidis min. Mi diris al li, ke mi preterpasis tie, ĝuste kiam li eniris la pordegon, kaj ke mi permesis al mi sekvi lin laŭ la ŝtuparoj por viziti lin kaj doni al li mian novan adreson, esperante, ke li volas denove gurdi por mi. Nevole mi samtempe ĉirkaŭrigardis en la ĉambro por la gurdo, kaj don Gaetano, kiu komprenis, sciigis min, ke li plu ne gurdas — li kantas. Mi rigardis al la multekosta lignamaso apud la forno, al la lankovrilo, pendanta antaŭ la fenestro por ne enlasi la malvarmon, al la frandaĵoj sur la gazeto. — kaj ankaŭ mi komprenis.

La simio estis malsana de tri semajnoj — *la febbre*, deklaris la maljunulo. Ni surgenuiĝis ambaŭflanke de la lito, kaj la malsana besto rigardis nin kun sia muta peto pri helpo. Gia nazo estis tute varma, kiel tiuj de malsanaj infanoj kaj hundoj, la vizaĝo estis sulkita kiel tiu de maljunega virino, kaj la okuloj ekhavis tute homan esprimon. Gi spiris en tre mallongaj intertempoj, kaj ni aŭdis, kiel stertoris en ĝia gorgo. La diagnozo ne estis malfacila: ĝi havis pulman tuberkulozon. Plurfoje ĝi etendis siajn malgrasiĝintajn brakojn, kvazaŭ por ke ni helpu ĝin, kaj don Gaetano kredis, ke ĝi deziras sangeltiron. Mi estus volonte cedinta, malgraŭ ke mi estas principa kontraŭulo de ĉia sangeltiro, se mi nur estus povinta imagi al mi la eblecon ion atingi per tio. Sed mi tre bone kompre-

# POPO TANDA*

**— Ion Slavici** —**

I.

Dio pardonu Pintilie-n! Li estis fama kantoro. Kaj li amegis la acidan sukon. Precipe kiam li estis iom raŭka, li trinkis ĝin kun ovoflavo por ripari sian kantorganon, ke resonis la fenestroj kiam li kantis »Savu, Sinjoro, vian popolon!« Li estis en Ŝtip, bona kaj granda vilaĝo kun bonsituaj kaj saĝaj loĝantoj, kun enterigaj festenoj kaj gajaj festmanĝoj. Kaj nur du infanojn havis Pintilie: knabinon, kiun edzinigis Petro Kapro, kaj Trandafiron, la popon el Malriĉ.

Dio vivigu popon »Tanda«! Li estas bravulo, li studadis kaj lernis multe, kaj li kantas eĉ pli bele, ol lia mortinta patro, Dio pardonu lin! Kaj li ĉiam parolas prave kaj saĝe, kvazaŭ li legus el libro. Laborema kaj zorgema estas popo Tanda. Li kolektas ĉiam kaj ĉie kaj faras ion el nenio. Kunigas, plibonigas, konservas, por ke li havu por si kaj por aliaj.

Multe penadis popo Tanda dum sia junaĝo. La altajn lernejojn oni ne vizitas nur tiel, irante kaj venante. Malriĉulo jen havas, jen rezignas. Oni ja laboras pli pene per la kapo, ol per la fosilo kaj forkego. Sed ĉio fariĝas kaj ne vane. Tanda fariĝis pastro en la vilaĝo de sia patro, en Ŝtip, bona kaj granda vilaĝo kun bonsituaj kaj saĝaj loĝantoj — sed al la enterigaj festenoj kaj festmanĝoj popo Tanda ne iris volonte.

Estus mirindulo popo Tanda, se li ne havus difekton. Li estas iom peza en la parolo, iom severa en la juĝo, tro rekta, tro sincera. Li ne elektas la vortojn, sed tuj eldiras, se io pezas sur lia koro. Ne estas bone, se oni estas tia. La homoj koleras, se oni deprenas la ĉapelon de sur iliaj kapoj. Estas bone, vivi en bonaj rilatoj kun la aliaj. Tio ĉi praviĝis ankaŭ en la kazo de popo Tanda. Tiaspeculo eĉ du jarojn ne povis resti en Ŝtip. Jen ĉi tio, jen tio: foje li fulmotondras kontraŭ la vilaĝanoj, foje kontraŭ la ĉefpastro. Kaj oni scias, ke precipe kun la ĉefpopo la popoj ne tre devas interdiskuti. Ĉe la ĉefpastroj la donacoj havas pli da senco ol la vortoj. Sed tion ĉi popo Tanda neniam volis kompreni.

Sendube! popo Tanda estis prava. Nur tio, ke esti prava estas la rajto de l' plifortuloj. La pli malfortaj devas nur iom post iom pruvi sian pravon. La formiko ne renversas la monton — tamen povas ĝin forlokigi: sed nur malrapide, malrapide, eron post ero. Eble ankaŭ la pastro sciis, ke tiel estas en la mondo, sed li havis sian principon. »Pravo kaj vero, ne estas mensogo eĉ ĉe la diablo!« Tia estis lia parolo kaj tia parolo preparis lian formigron el Ŝtip... Pli verdire, ne ĝuste li preparis tion sed la vilaĝanoj. Vorto kaj ankoraŭ io, por pli bona kompreno, ĉe la ĉefpopo — vizito al la episkopejo kaj tie ĉi »rekomendo« de la ĉefpastro: la aferoj marŝas, nur ni sciu marŝigi ilin. Post pli-malpli da tempo, pastro Tanda estis translokita de Ŝtip al Malriĉ — por certigi la pacon inter la kredantoj.

Popo en Malriĉ! Kiu scias, kion signifas pastro en Malriĉ? Sed tion meritis popo Tanda! Kiu volas transsalti kavon, unue ĵetu sian tornistron trans ĝin. Sed popo Tanda posedis nur edzinon kaj infanojn: lia tornistro estis malplena. Tial estis tiom malfacile por li salti de Ŝtip al Malriĉ.

*

En Sek-Valo estas vilaĝo nomata Malriĉ. Vilaĝo Malriĉ en seka valo: ne povas pli malbone soni la nomo de iu ajn loko.

Sek-Valo...

Valo, ĉar ĝi estas loko fermita inter montoj, seka, ĉar la rivereto farinta al si vojon tra la mezo de l'valo, estas sen akvo preskaŭ la tutan jaron.

Jen kiel kuŝas la valo:

Dekstre estas monteto nomata Kruta. Maldekstre estas aliaj tri montetoj nomataj Vizaĝo, Tombejo kaj Avelejo.

Sur Kruta kreskas rokoj, sur Vizaĝo estas plugkampoj, kaj sur Avelejo la vilaĝa tombaro inter avelarbustoj kaj betuloj. Jene aspektas dekstre kaj jene maldekstre, sed la ĉefaĵo estas ĝuste en la fundo. Tie estas la montoj: de tie venas ĉio.

Aliflanke, trans Kruta, estas Hast-Valo, valo pli profunda ol Sek-Valo, kaj tiel nomita, ĉar tra ĝi fluas Hasto. Hasto estas kolerema, precipe dum printempo, kaj la rivereto en Sek-Valo estas branĉo de Hasto. Printempe, kiam la neĝo degelas sur la montoj, Hasto koleriĝas, verŝas parton de sia furiozo en la riverbranĉon de Sek-Valo kaj ĉi tiu ĉesas resti seka. Dum kelkaj horoj la malriĉanoj fariĝas tro riĉaj je akvo. Tio okazas al ili preskaŭ ĉiujare. Kiam la semajoj en la valo ŝajnas beletaj, Sek-Valo kompromitas sian nomon kaj forlavas ĉion, kio volas malhelpi ĝian plu-kuron.

Estus tolereble, se ĉi tiu invado ne daŭrus longe. Sed la akvo restas en la valo, formante multajn rifuĝejojn por la rana gento.

Kaj anstataŭ greno kreskas vimeno apud la marĉo kaj ĉion enkovras la salikoj.

Ĉu estas mirinde, ke sekve de ĉio ĉi la malriĉanoj baldaŭ fariĝis la plej mallaboremaj homoj. Frenezulo

*) Popo: pastro en la ortodoksa (grekorienta) eklezio.
**) Elp.: Ion Slaviĉ.

---

nis, kiom neebla tio estus, kaj mi provis laŭpove komprenigi al don Gaetano, ke ne estas eble. Sed bedaŭrinde mi mem ne sciis, kio povus esti bona por la kompatindulo. — Tiutempe mi havis bonan amikon inter la gardantoj de la simio-domo en Jardin des Plantes, kaj la saman vesperon tiu iris kun mi por vidi la simieton; li diris, ke nenio estas farebla kaj ke ekzistas nenia espero. Kaj li pravis. Ankoraŭ unu semajnon la fajro brulis en la ĉambro de don Gaetano; poste li lasis ĝin estingiĝi, kaj fariĝis vintre malvarme kaj mallume kiel antaŭe en la hejmo de la maljunulo.

Ja estas vere, ke oni elaĉetis la gurdon el la garantipruntejo kaj ke ankaŭ monero kelkfoje falis en lian ĉapelon. Li ne mortis pro malsato, kaj tio estis ĉio, kion li postulis de la vivo.

Poste fariĝis printempo, kaj mi forlasis Parizon. Kaj Dio scias, kien don Gaetano malaperis.

Se vi aŭdas melankolian, malnovan gurdon sur la korto, iru al la fenestro kaj donu moneron al la kompatinda migranta artisto — eble estas don Gaetano! Se vi opinias, ke lia gurdo vin ĝenas, provu peti al li stariĝi pli malproksime de vi, sed ne forpelu lin per malafableco! Li tamen ricevas tiom da senkompataj vortoj, kial ne povus almenaŭ ni esti afablaj al li — ni, kiuj havas komprenon por muziko!

El la sveda: *John Stenström.*

estas tiu, kiu tie semas, kie li ne povas rikolti, aŭ kie li ne scias, ĉu li povos rikolti aŭ ne. Sur Vizaĝo la tero estas sableca, la tritiko malalta kiel pugno, kaj la maizo kiel kubuto, sur la Kruta eĉ moruso ne kreskas, kaj en la valo la akvo englutas la kreskaĵon. Kie la penado ne esperigas rekompencon, mankas ankaŭ laboremo. La laboranto deziras gajni, sed la malriĉanoj jam rezignis pri gajno, jen kial ili ne estis laboremaj. Kiom estis eble, ili mortigis la tempon kuŝante en ombro: kiam tio ne plu estis ebla, ili pasigis la tagon laboranto en la najbaraj vilaĝoj. Sed kiam alvenis la vintro, sekvis ĉagreno kaj akompanis ĝin veo.

Kiu alkutimiĝis al malbona sorto, eĉ ne pensas pri bona vivo; la malriĉanoj opiniis, ke ili eĉ ne povus vivi pli bone. Fiŝo en akvo, birdo en aero, talpo en tero kaj malriĉanoj en malriĉo.

Malriĉ? Ĝi aspektis kiel vilaĝo Malriĉ devis aspekti. Jen tie ĉi unu domo, jen tie la alia... ĉie po unu... Bariloj estas superfluaj, ĉar ili ne havas kion ĉirkaŭbari; la tuta vilaĝo estas nura strato. Malsaĝaĵo estus kamentubo sur la domo: la fumo ja trovas eliron ankaŭ tra la tegmento. Ankaŭ tio ne havus sencon, ke oni stuku la lignomurojn, la stukaĵo ja baldaŭ sekiĝos kaj falos sur iliajn kapojn. Kelkaj kolonoj kunigitaj, tegmento el pajlo miksita kun fojno, kameno konstruita el koto kun la tradicia sidloko, lito farita el kvar palisoj enigitaj en la teron, pordo fabrikita el tri tabuloj kunfiksitaj per du stangoj, unu laŭlonge, la alia kruce... simple kaj taŭge. Al kiu ĝi ne plaĉas, tiu faru al si pli plaĉan.

Ĉe la supro de l' vilaĝo, tio estas ĉe la plej alte kuŝanta loko, staras kunmetaĵo nomata de la malriĉanoj »preĝejo«. Kio do ĝi estas? Aro da ŝtipoj ĵetitaj unu sur la alian, laŭ formo de muro. En malnova tempo, iam, oni ne plu scias kiam, ĉi tiu murimitaĵo per la supra parto rigardis ĝuste al la ĉielo, sed nun, ankaŭ pri tio oni ne scias de kiam, ĝi humile kliniĝis al tiu flanko, kie oni estus devinta konstrui turon. Tiu flanko — ĉar la antaŭaj kolonoj estas putraj depost la granda uragano — kliniĝis al la tolerema tero, tirante kun si la tutan kunmetaĵon. Ĝi restis same ankaŭ poste, ĉar la preĝejo, almenaŭ en Malriĉ, estis superfluaĵo.

Pastro? Laŭ la proverbo: ne ekzistas vilaĝo sen pastro. Verŝajne tiu, kiu faris la proverbon, ne sciis pri Malriĉ. Malriĉ estis vilaĝo sen pastro. Laŭ la ĝusta vero, ĝi estis vilaĝo kun pastro; nurnure: ĝia pastro ĉiam estis pastro sen vilaĝo. Jen Malriĉ-a afero sen egalo en la mondo. Ĝis nun apenaŭ troviĝis popo, kiu restis pli ol tri tagojn en Malriĉ: la unuan tagon li alvenis, la duan restis, kaj la trian tagon li forkuris. Kiom da kulpaj popoj ekzistis, ĉiuj trapasis Malriĉ-on, kaj se iu el ili restis iom pli longe ĉi tie, tiu tute puriĝis de siaj pekoj... Kaj nun alvenis popo Tanda en ĉi tiun pentofarejon. Li plu ne povis esperi, ke li agos kiel la aliaj: la unuan tagon alvenos, la duan restos kaj la trian foriros. Li sciis, ke la ĉefpopo tro koleras pri li, por ke li povu esperi baldaŭan translokigon en alian vilaĝon. Kaj sen vilaĝo li ja ne povis resti. Pastro sen vilaĝo: rado sen veturilo, jugo sen bovoj, peltĉapo sur stango. Li decidis preni la aferojn kiaj ili estas: se oni devigis lin resti en Malriĉ, li restos volonte tie. Ĝi estis almenaŭ vilaĝo laŭ nomo: neniu povis diri, ke li estas pastro sen vilaĝo. Kaj ververe, pli decan vilaĝon oni ne povus trovi eĉ serĉegante. La tornistro de la popo estis same malplena, kiel la tablo de la vilaĝanoj en Malriĉ.

Popo Tanda klare vidis ion tuj en la komenco: ke en Ŝtip estis pli bone, ol en Malriĉ. Tie ĉiu havis ion, kaj kie unu havas, de tie la alia povas ricevi. Sed en Malriĉ ĉiu anso estis el ligno. Kaj poste la popo pensadis jene: la popo servas al la vilaĝo, kaj la vilaĝo zorgu pri la tornistro de la **popo.**

Ne pasis multa tempo, ĝis nia popo komencis konvinkiĝi, ke ne estis tute malsaĝaj la homoj, kiuj eltrovis la kunmanĝaĵon kaj trinkamuzojn. Estas utile, li diris, ke la homoj kunvenu por konsoli unu la alian kaj ĝoji kune. Eĉ la Savinto manĝis kaj trinkis kune kun aliaj okaze de la edziĝfesto en Kana de Galileo. Tiamaniere meditis nun popo Tanda, sed en Malriĉ neniam okazis kunmanĝo aŭ trinkamuzo. »Jen klara afero,« — diris al si la pastro, »en malriĉa vilaĝo la popo eĉ tritikon ne havas de kie rikolti. Ĝis kiam la malriĉanoj estos mallaboremaj, ili restos malriĉaj kaj mi malsata.« — Do li decidis fari diligentulojn el la vilaĝanoj. La diligentulo maĉas ŝtonon, trovas nutraĵon en la marĉo kaj rikoltas tritikon eĉ kie antaŭe kreskis cikuto.

Finfine — pensis la popo — se la bovino manĝas, ĝi ankaŭ produktas. Tiel li parolis kaj decidis ankaŭ tiel agi.

Kiu ne havas kion manĝi, iru kaj serĉu laboron ĉe aliaj! Sed ankaŭ ĉi tiu rimedo ne estas la ĝusta. Blindulo ne kondukas lamulon, malsatuloj ne prizorgas la vilaĝon; se anseroj gardas bedon, malmulto restas por la ĝardenisto. Ej, sed popo Tanda ja estas obstinulo, kien li ekiras, li marŝas kaj alvenas, aŭ mortas survoje.

*

La unuan dimanĉon popo Tanda predikis antaŭ la vilaĝanoj kunvenintaj are por vidi la novan pastron. Ne ekzistas pli granda kontentiĝo por tiu, kies klopodo celas la feliĉon de aliaj, ol vidi ke oni aŭskultas lin kaj liaj vortoj falas en fekundan grundon. Bona intenco pligrandiĝas konkerante pliajn animojn: kiu ĝin havas kaj konservas en sia animo, precipe se li alte taksas ĝin, tre ĝojas, vidante la penetron de l' bono. Popo Tanda sentis sin ege feliĉa dum tiu tago. Neniam oni aŭskultis lin tiom atente, kiom tiun ĉi fojon. Ŝajnis, ke la vilaĝanoj aŭskultas ion, kion ili scias, sed ne tute bone, kaj la homoj sorbis lian paroladon tiel soife, kvazaŭ ili volus elsorbi lian animon por pli facile trovi la edifon.

Tiun tagon estis legata la evangelio pri la erarvojiĝinta filo. Popo Tanda evidentigis, ke Dio, senfine amante la homojn, kreis la homon por ke tiu vivu feliĉe. Dio volas, ke la homo trovu en la mondo ĉiun puran plezuron de la vivo, ĉar nur tiel li amos ĝin kaj estos instigata al bonfaro. La homo, kiu havas — ĉu pro propra kulpo, ĉu dank' al aliaj cirkonstancoj — nur domaĝon kaj ĉagrenon en tiu ĉi mondo, ne povas ŝati la vivon, kaj se li ne ŝatas ĝin, li peke malkonsideras ĉi tiun altvaloran, dian donacon.

Sed kion faras la mallaboremuloj, kiuj tute ne klopodas, eĉ sian manon ne etendas por akcepti la donacon? Ili pekas! Ĉar oni ne havas nur dezirojn, sed ankaŭ korpajn emojn. La puraj intencoj tial estas en la homo, ke li kontentigu ilin per la frukto de sia laboro, la deziroj tial vekiĝas, ke li envolvu per ili kaj homojn kaj Dion, por ĝue rigardadi ilin. La laboro estas do la leĝo de la homa naturo, kaj kiu ne laboras, grave pekas.

Post tio la popo pruvis per vortoj majstre pentrantaj la ideojn kiel aĉa estas la vivo de l' homo mortanta pro malsato, kaj li donis al sia kredantaro konsilojn naskiĝintajn en lia saĝa kapo, kiel ili devus labori printempe, somere, aŭtune kaj vintre.

La homoj aŭskultis, sur iliaj vizaĝoj estis legeblaj la vortoj de la popo, kaj irante hejmen, ili babilis nur pri la parolado aŭdita en la preĝejo, kaj ĉiu el ili sentis sin duoble valora ol antaŭe.

Eble troviĝis multnombre ankaŭ tiaj, kiuj senpacience atendis, ke pasu la sankta dimanĉo, por ke la proksiman labortagon ili komencu novan vivon.

Simila popo ankoraŭ ne estis en Malriĉ diris Marko Sentaŭgulo, adiaŭante sian najbaron, Dimitron.

»Pastro, vera pastro, kiel en tute honesta vilaĝo!« respondis Dimitro, kvazaŭ li rekonus, ke lia vilaĝo estas ĉia, nur ĝuste honesta ne.

Sekvis poste aliaj dimanĉoj. Sed popo Tanda iom post iom rezignis la predikadon. Jam la sekvintan dimanĉon li ne plu havis al kiu paroli. La vetero estis iom pluva kaj la kredantoj restis hejme. Tamen venis ankaŭ dimanĉoj kun bela vetero, tiam la vilaĝanoj videble ne estis malhelpitaj de veteraĉo, sed ili ne tre volis forlasi la serenan Di-ĉielon. Nu, ĝenerale troviĝis en la preĝejo unu aŭ du maljunulinoj, aŭ surdeta altaĝulo. Sed la popo ofte restis sola, nur kun Kuk, la sonorigisto. Ne tiel oni progresas!

Se li estus alispeca homo, li estus haltinta tiam. Sed popo Tanda estas kiel kapro en ĝardeno kun brasiko. Se oni elpelas lin tra la pordo, li revenas tra la barilo; se oni ŝtopas la truon de l' barilo, la kapro saltas trans la barilon kaj kaŭzas eĉ pli da malprofito, difektante ankaŭ la barilan supron. Malgraŭ ĉio ĉi: Dio vivigu lin! Kion ajn oni diru, tamen popo Tanda restas bonulo.

Atendu, li diris, se vi ne venas al mi, mi venos al vi. Kaj poste sinjoro popo komencis rondiri. Lia buŝo moviĝis dum la tuta taglongo. Kie li kaptis la homojn, tie li konsiladis al ili. Sur la kampo oni renkontis la popon, sur la monto la popo renkontis onin, se oni iris en la valon, oni vidis la popon, se oni iris en la arbaron, ankaŭ tie oni trovis la popon. La popo en la preĝejo la popo ĉe enterigo, la popo ĉe edziĝfesto, la popo ĉe najbaro: oni devas forkuri el la vilaĝo, se oni volas liberiĝi de la popo. Kaj kie li kaptas vin, tie li mortigas vin per siaj konsiloj.

Popo Tanda fervore donadis al ĉiu siajn konsilojn dum tuta jaro. La vilaĝanoj volonte aŭskultis lin, ili amis interparoladi kun la pastro kaj ili eĉ pensadis pri liaj konsiloj. Sed nur tiom, cetere ĉio restis kiel antaŭe: oni sciis kiel agi, sed ne agis. La popo iom koleris. De certa tempo li ĉesis disdoni konsilojn. Ne troviĝis eĉ unu homo en la vilaĝo, kiun li ne estus superŝutinta per sia instruo; li ne plu havis kion diri.

Ej, tiel ne marŝas la afero, diris denove la popo. Ne sufiĉas konsilo. Mi devas agi pli severe!

Komenciĝis la mokado. Kie li renkontis iun, popo Tanda ridindigis lin kaj ĉiamaniere primokis la kompatindulon. Jen li preteriris domon, kies tegmento estis la freŝa aero.

— He, vi estas lertegulo, li kriis al la posedanto, eĉ ĉe la supro de l' domo vi havas fenestrojn. Ŝajne vi tre ŝatas la lumon kaj la sanktan sunon!

Jen li renkontis virinon kun ĉemizo nelavita.

— Interese! de kiam portas la vilaĝaninoj ĉemizon el griza ŝtofo?

Nun li ekvidas malpuran infanon.

— He, panjo, vi havas tro da marmelado, ke eĉ la infanoj plenŝmiras sin.

Poste, trovinte vilaĝanon, kiu kuŝadas en la ombro, li krias al li.

— Sukcesan laboron, sukcesan laboron!

Kaj se la kuŝulo leviĝas, li petas, ke li ne ĉesigu sian laboron, ĉar hejme atendas la infanaj buŝoj...

Jene li komencas kaj same li daŭrigas. Lia mokado atingis tian ekstremon, ke la vilaĝanoj de malproksime evitas lin kvazaŭ peston. Sed el ĉio la plej malbona: post tioma tedado oni eknomis lin »popo Tanda«.[1]) Kaj li restis por ĉiam popo Tanda.

Por diri la veron, la vilaĝanoj trovis solan malbonan flankon de la pastra agado. Ĉiu el ili volonte ridis kun la pastro pri la aliaj, sed eĉ unu ne volis, ke la aliaj ridu pri li. Tia estas la homa naturo: ĉiu volonte surmetas la selon sur la ĉevalon de l' najbaro. Jen pro kio plaĉis popo Tanda al siaj vilaĝanoj, sed tio ne kontentigis la pastron. Eĉ ne pasis la jaro kaj jam ĉiuj homoj en la vilaĝo estis primokitaj, ne plu restis iu por mokrido, ĉar de certa tempo eĉ mem la primokitoj komencis ridi. Do ankaŭ tio finiĝis. Restis sola eblo: ke la vilaĝo primoku la popon.

Du jaroj forpasis sen ke popo Tanda estus progresiginta la vilaĝon almenaŭ tiom, kiom estas de la

[1]) »Tanda« signifas rumane »tedulo«.

# Arabaj proverboj

Supozeble, el ĉiuj aliaj lingvoj la orientaj lingvoj havas plejmulte da proverboj. En la okazo de la Araba lingvo, estas certe, ke oni efektive uzas ĉi tiujn proverbojn konstante en interparolo. Mi devus ankaŭ mencii, ke orientaj popoloj havas tiom da respekto por proverboj kaj por konvenaj citajoj, ke oni ĉiam povas ŝanĝi la plej akran kverelon en plenan konkordon, se en la ĝusta momento oni citas la konvenan proverbon.

La Sudananoj, (pri kiuj mi nun parolos, kaj pri kiuj mi havas sepjaran sperton), posedas grandegan humorsenton. Kredeble ĉi tio estas la kaŭzo. La sekvantaj proverboj ne estas bone konataj. Mi kolektis ilin en vilaĝoj malproksime de la civilizacio. Por ŝpari la tempon, mi ne citos ilin arabalingve, sed bonvole memoru, ke preskaŭ ĉiu proverbo en la araba lingvo havas rimajon, kiel jene:

»Sudur ahra : r, qubu : r asra : r« Tio signifas tradukite: ‚Brusto de homoj libere naskitaj (ne sklavoj) estas tombo de sekretoj.' Per aliaj vortoj, nur fihomoj ne povas teni sekretojn.

Jen do kelkaj el mia kolekto.

1. Brusto de liberulo, tombo de sekretoj.
2. En vilaĝo de unuokululoj, fermu unu okulon!
3. Kie granda amo floras, decreguloj ne valoras.
4. Hundoj bojas, kamelo digne vojas.
5. Se la luno lumas, kial vi pri l' steloj vin konsumas?
6. En vilaĝo de blinduloj, unuokululo estas reĝo.
7. Konsilon de malaltulo neniu aŭskultas.
8. Almozpeti ni ilin instruis, ĉe l' pordoj ili ol ni pli fruis.
9. Du ŝipestroj en unu ŝipo, nepre ĝin gvidos al rifo.
10. La pordo de la ĉarpentisto pendas sur unu ĉarniro.
11. Komence ni ignoris lian maldececon, nun li venas en nian domon kune kun sia azeno.
12. Sekura vojo estas plej proksima, eĉ se ĝi daŭrus jaron.
13. Snuro de pacienco sufiĉe longas, por ligo, kaj ankoraŭ restos resto.
14. Bonan homon montras liaj agoj: bonan kamelon ĝia ŝarĝo.
15. Kelkaj restas nudaj dum la tuta jaro; poste ili koleras, se la tajloro ne povas fari la veston en unu tago.
16. Poroza kruĉo elŝvitas nur tion, kion ĝi enhavas.

## Vivvespero

En laca koro jam aŭtuno flutas.
Melankolion naskas ĉiu tag'.
Funebra melodi' foliojn flavajn ŝutas
Sur ŝtonon de purpura sarkofag'.
Pasas ĉio; restas nura
En haroj neĝ' — kristale pura.

Pro vivo falsa sangaj gutas larmoj,
Kaj de ilia rekviema flam'
Ekfloras pompe, en la kor' mortanta,
La lasta kaj freneza am'.
Pasas ĉio; restas nura
Sentema kor' — eterne pura.

*Ludmila Jevsejeva*

minaco ĝis la koleriĝo. La vilaĝanoj fariĝis tiom konsilemaj kaj mokemaj, ke tutan tagon ili staris grupe, jen ĉe konsiliĝo, jen ĉe mokado. Estis mirinda afero: oni sciis kio estas bona, oni ridis pri la malbono, sed oni neniel ekagis.

Ej, diru nun tiu, kiu havas koron: ĉu ne prave koleris popo Tanda? Li koleris, eĉ koleregis.

Lia kolero ĉiam kreskis. Li komencis blasfemi la vilaĝanojn. Kiom fervora li estis en la konsilado, kaj mokado, tiom vigla li estis nun en la blasfemado. Kie li kaptis iun, tie li blasfemis lin.

Sed li ne povis dumlonge apliki tiun ĉi metodon. Komence oni lasis lin blasfemi. Pli poste ankaŭ ili respondis ion, tiel, duonvoĉe. Tamen fine, vidante ke la pastro troigas, ankaŭ ili komencis blasfemi lin. Nun konfuziĝis la aferoj. Ĉio elreliĝis dekstren kaj maldekstren. La vilaĝanoj komencis minaci la popon, ke ili ne lasos ridindigi sin kaj blasfemi, sed ili iros al la episkopejo kaj forlokigos lin el la vilaĝo.

Nur tio ĉi mankis al nia popo. Nu, la popolanoj trafis la ĝustan punkton. Ili forlokigos lin el Malriĉ! La popo nun kaskade verŝis sur ilin la blasfemon de l' blasfemoj.

Kia la ago, tia la pago. La vilaĝanoj sidis sur veturilon. Unue al la ĉefpastro, poste al la episkopejo.

La sankta libro de l' saĝo enhavas mallongan instruon pri la surtera vivo: niaj bonvolantoj ofte malutilas kaj la malamikoj utilas. Ĉi-foje popo Tanda ne havis bonŝancon por profiti el la ago de l' malamikoj. La episkopo estis bonkorulo, menciinda en ĉiuj diservoj sur la terglobo. Li kompatis la bedaŭrindan popon kaj pravigis lin, ke li insultis la vilaĝanojn.

Sekve popo Tanda ankaŭ poste restis en Malriĉ.

Kutime la malfeliĉaĵoj amasiĝas sur la kapo de l' homo. Unu naskas la alian, aŭ: ili estas kamaradoj. Sufiĉas ke oni ĉiam renkontas ilin kiel ombron kaj lumon, unu apud la alia.

Ĝis nun tri infanojn havis popo Tanda. Revenınte de la episkopejo, li trovis hejme sian edzinon en la lito. Alvenis la kvara ĝojo en la domon.

Malsana edzino, tri etaj infanoj, la kvara suĉulo, domo kvazaŭ rompita poto, tra la muroj enŝoviĝis neĝo, la kameno pleniĝis la ĉambron per fumo, la tegmento estis ludkamarado de la ventoj, kaj la grenejo malplena, la monujo sen enhavo, la koro kun ĉagreno.

Popo Tanda ne estis de tia speco, kiu estus povinta trovi eliran vojon el ĉi tiu kaoso. Al alia homfrato, kiu estus en tia mizera stato, li estus povinta doni helpon, sed sin mem li ne povis konsoli. Dumlonge li sidadis enpensiĝinte ĉe la seba lumigilo, kiu ĵetis dormigan duonlumon; ĉirkaŭ li ĉiuj dormis. Ankaŭ la akuŝintino dormis. Nu, nenio igas pli malgaja, ol ĝuste maldormo inter dormantoj. Kaj ĉi dormantoj ja estis liaj karuloj, pri kies feliĉo li havis respondecon, amatoj, en kiuj li vivis kaj kies amo donis valoron al lia vivo. La pensoj ĉene viciĝis en lia kapo. Lia animo trapasis la pasintecon kaj estontecon. En sia hodiaŭa stato li povis pentri la estonton nur per la plej nigra koloro. Liaj infanoj, lia edzino, kio okazos al ili? Lia koro estis peza, sed li ne trovis eĉ unu savan penson, eĉ solan rimedon por liberiĝi, en la mondo li nenion trovis, de kie li povus ĉerpi esperon.

Sekvis dimanĉa mateno, la pastro iris al la preĝejo — kiu staris klinita al la tero — por legi la matenan preĝaron.

Kiel ĝenerale la homoj, popo Tanda neniam meditis pri sia servo. Li volonte estis pastro. Li amis kanti, laŭtlegi la evangelion, instrui la homojn, konsoli kaj helpi la erarantojn. Li ne pensis pli profunde. Se li iam estus sin demandinta, ĉu li komprenas ankaŭ la altan sanktecon, la misteran sencon de sia destino, eble li estus sekrete ridinta pri ĉio, kion oni komprenas nur en la gravaj momentoj. Laŭ la homa naturo, kiam ies menso ekkomprenas vicon da aferoj malfacile alpenetreblaj, oni metas la tutan mondon je sama nivelo, kaj ne plu kredas, kion oni ne povas trapenetri per sia kompreno. Sed oni ne ĉiam pripensas. Estas okazoj, kiam la cerbo ĉesas funkcii: en danĝero, kiam la animo ne plu ricevas helpon, en ĝojo, kiam oni ne trovas la fonton, de kie elŝprucas la bonŝanco, kaj dum pensado, kiam la homo ne plu trovas interligon inter siaj pensoj. Kiam iu alvenis al la loko, kie liaj povo kaj senpovo interpuŝiĝas, tiam li ĉesas pensi, sed la homa naturo pensas anstataŭ li.

Popo Tanda eniris la preĝejon. Kiom da fojoj li eniris ĉi tiun preĝejon! Sed ĉiam tiel, kiel la forĝisto eniras sian forĝejon. Tamen nun nekomprenebla timo kaptis lin, li iris kelkajn paŝojn antaŭen, haltis, kaŝis sian vizaĝon en ambaŭ manojn kaj ekploregis kun sufokita kaj sovaĝa ĝemo. Kial li ploris? El lia buŝo eliĝis nur tri vortoj.

— Ĉiopova, helpu min!

Ĉu li kredis, ke ĉi tiu penso tiom arde pensita en lia malespero alportos helpon? Li nenion kredis, nenion pensis, li estis svinge portata.

### II.

La sankta skribo instruas nin, ke ĝuste kiel la kamparano nutranta sin per la frukto de sia laboro, ankaŭ la anima paŝtisto dejoranta ĉe altaro, devas ricevi subtenon por sia altarservo. Kaj popo Tanda ankaŭ ĉi-flanke sekvis fidele la sanktan instruon, li ĉiam laboradis nur pri la anima gvidado de sia kredantaro, kaj atendis, ke ĉi tiu rekompence zorgos pri lia ekzistado. Sed la mondo ne ĉiam kondutas kiel estas skribite kaj ordonite, tiel agis nur la popo, sed ne ankaŭ la vilaĝanoj. La profito, kiun li havis el la pastra posteno, estis tute malsufiĉa, nome: kvar etaj terpecoj, la imposto de l' kredantoj, kaj la profito okaze de naskiĝoj kaj mortoj. Ĉio ĉi kune egalis nenion, ĉar sur la tero preskaŭ nenio kreskis, la imposto ekzistis nur laŭnome, la novnaskitojn li baptis pro kompato, kaj la mortintojn senpage enterigis la bonvola popo.

Proksime al la preĝejo troviĝis domo forlasita, domo nur laŭ la nomo. Ĝia posedanto estus teninta brutojn en ĝi — se li estus posedinta brutojn. Apud

la domo estis loko por ĝardeno, ĉar ni jam rakontis, ke en Malriĉ ne ekzistas bariloj. Popo Tanda aĉetis la domon kune kun la ĝardenloko kaj li loĝis tie. De kiam la domo apartenis al la pastro, oni ne riparis ĝin, ankaŭ nun ĝi estis rompita poto, la muroj — kribriloj, la tegmento — reto. La popo zorgis nur pri la domoj de aliaj.

La manĝaĵo de l' popo ne estis pli bona ol lia loĝejo. Laŭ la rakonto pri la ĝibuloj: la homo konformiĝas al la aliaj homoj. Eĉ kiam li volus, ke la aliaj konformiĝu al li. La popo vivis tiel, kiel vivis lia vilaĝo. Feliĉe, lia edzino havis doton, sed de kie oni ĉiam nur ĉerpas, tie elĉerpiĝas; ankaŭ tie ĉi oni proksimiĝis al la granda fasto.

Ne marŝas la afero — diris popo Tanda. Tiel oni ne progresas! Nun li komencis fariĝi serioza mastro antaŭ ĉio zorganta pri la bono de sia domo.

Komence de l' printempo li vokis ciganon por prepari argilon kaj li riparis la domon. Post kelkaj tagoj ĉiuj kvar muroj estis ŝtopitaj kaj stukitaj. Nuntempe la popo pli ĝoje sidadis ekstere, ol en la domo, ĉar de interne ne estis tiel bone videbla la stukaĵo de l' domo. Kaj stukita domo estis unika belaĵo en Malriĉ, precipe se iu povis diri al si: Tiu ĉi estas la mia!

Sed estis io, kio tute ne taŭgis. Kiam la okuloj de l' popo glitis super la murojn, sur la tegmenton, li tuj enkuris la domon. Ŝajnis al li, ke li vidis sufiĉe. Li ne rigardis la kadukan tegmenton, kaj tamen, kiam li volis vidi la murojn, li vidis la tutan tegmenton. Malbeninda tegmento! Ne plu eble lasi ĝin en tia stato.

Tie, sube, en la valo, kie are kuŝas la marĉetoj, kreskas ne nur salikoj kaj vimeno, jen ĉi tie, jen tie vidiĝas ankaŭ skirpo, junko, kelkloke eĉ trunketoj de kanoj. Tiel mi faros — pensis la popo. Li vokis helpanton, sendis lin al la skirpejo, junkejo, kaj al la kanoj. Sabate estis plene ĉirkaŭ la domo, ĉie faskoj ĉirkaŭligitaj per vimenaj vergoj. Kaj en la sekvanta sabato la tegmento estis flikita kaj ankaŭ rande riparita per kanfaskoj, super kiuj estis metitaj du stangoj laŭ formo de forko. Nun ĝi estis bona dometo, kies riparo ne kostis multe. La vilaĝanoj pasantaj preter la domo de l' popo, ekbalancis la kapon kaj diris kelkfoje: diablulo! Kaj la popo ĝoje restadis ekstere.

Sed eĉ tiu ĉi ĝojo ne daŭris longe. Ankoraŭ troviĝis maldeca flanko. La popo loĝis en kampaĉo. En la tuta vilaĝo ne estis alia domo simila al lia; estus dece, ke ĝi estu iel izolita de la vilaĝo. La pastro ne tre kuraĝis diri: »ĉe mi hejme«, ĉar li vidis, ke »ĉe li« estas »en la vilaĝo«. Mankis ankoraŭ barilo kaj pordeto, tra kiu envenu la vilaĝanoj venantaj al la popo. Li devus havi ion, kion oni nomas »barilo«. Anstataŭ pordeto li devus havi nur simplan pasejon, sed oni sciu, ke antaŭ ol enpaŝi la domon de l' popo, oni devas eniri lian korton.

La popo denove dungis helpanton, sendis lin, ke li dehaku dornajn branĉetojn kaj palisojn li enigis en la teron, la dornbranĉojn li plektis inter la palisojn, kaj jen estis preta la barilo. Antaŭ la domo, en direkto al la preĝejo, li ĉirkaŭbaris terenon de proksimume unu hubo, kaj li faris pordon el kvar palisoj kunfiksitaj per du stangoj kruce metitaj.

Precipe la popa edzino ĝojegis, vidante sin tiel ĉirkaŭbarita. Kaj la popo ĝojis pri la ĝojo de l' edzino. Ne pasis tago, kiam la popo aŭ lia edzino ne estus admonintaj siajn infanojn:

— Aŭskultu, ne eliru el la korto, ludu bele tie ĉi, hejme!

Se viglulo eklaboras, li neniam ĉesas. Unu deziro mankas la alian. Nun fiksiĝis ideo en la kapo de l' edzino.

— Aŭdu, popo, ŝi diris iun matenon. Mi ekpensis, ke estus bone fosi kelkajn bedojn tie laŭlonge de l' barilo.

— Ĉu bedojn?

— Jes, mi kreskigos tie bulbon, karoton, fazeolon, terpomon kaj brasikon. — La popo ekmiris. Tio ĉi ŝajnis al li maleblaĵo. Bedoj en Malriĉ!... Tamen dum kelkaj tagoj lia kapo estis plena de bedoj terpomaj, brasikaj kaj fazeolaj. Kaj post kelke da pliaj tagoj la loko estis prifosita, la bedoj aranĝitaj. Ne estis tago, kiam la popo kaj ankaŭ lia edzino ne estus almenaŭ kelkfoje kontrolintaj la bedojn por vidi: ĉu elkreskis la semoj. Iun tagon okazis tre ĝojiga afero. La popo vekiĝis pli frue ol kutime.

— Edzino, vekiĝu!

— Kial?

— Ili elkreskis.

Tiun tutan tagon la popo, kun sia edzino kaj kune kun ĉiuj infanoj, pasigis kaŭre sidante ĉe la bedoj. Kiu rimarkis pli da elĝermintaj semoj, tiu havis pli bonan ŝancon.

Kaj la vilaĝanoj pasadis preter la domo de l'popo, ili rigardis tra la dornbarilo la bedojn de l' popo, kaj ripete diris al si: la popo estas diablulo!

— Ĉu vi aŭdas, edzino, — ekparolis nun la popo. — Ĉu ne estus bone semi maizon apud la barilo kaj ĉirkaŭ la bedoj?

— Vere estus tre bone. Mi amas la maizon.

— Ankaŭ mi amas ĝin, precipe bakitan!

Kaj jen novaĵo. La popo semis ĉirkaŭe maizon. Lia koro ĝojis pensante pri la tempo, kiam ĉirkaŭe bele kreskos la maizo kaj kovros la dornojn de l' barilo, kiu komencis malplaĉi al la popo. Sed ĉiam prav-

## *Poemoj de Clement Marot*

### Kupido kaj mia Damo

Amoro pasis preter mia kor-estrino
(ĉeestis mi, do tre aŭtentas ĉi rakonto):
»Saluton, diris li, Venus', mia patrino!«
Sed tuj li vidis, ke li eraris pri l' renkonto,
sur la vizaĝ' montriĝis al li desaponto,
kaj honta kaj konfuza, li senhelpe staras...
»Ne, ne, Amor', mi diris, ne necesas honto,
eĉ pli klarvidaj ol vi tiel ja eraras.«

### Bedaŭro

Forpasis sen reven-espero
de mia viv' la juna glor'.
Mia printempo kaj somero
tra la fenestro saltis for.
Vi estis mia mastr', Amor',
vin solan servis mi sindone.
Ha, se nur renaskiĝus kor',
kiel mi servus vin pli bone.

### Pri la ĉefjuĝisto kaj pri Samblanso

Majlard', juĝisto de l' Infer' kondukis
al Falkomont' Samblanson por mortpun'.
Kiu, laŭ vi, el tiuj du kadukis
kaj timis pli? Mi diros; aŭdu nun:
Majlardo ŝajnis tuj mortonta, dum
Samblanso tiel firmis en rigardo,
ke ŝajnis, li kondukas al pendum'
al Falkomont ĉefjuĝiston Majlardo.

El la franca: *G. Waringhien.*

iĝas la proverbo: unu ĉagreno naskas la alian. Malantaŭ la domo estis ankoraŭ tereno kvinoble pli vasta, ol tiu ĉirkaŭbarita. Ĉi tio ne lasis la popon en paco. Kial do ĝi restu sen produkto? Ĉu li ne povus kreskigi maizon ankaŭ malantaŭ la domo?

Sur la ekstervilaĝa parto oni plugis kaj semis, sed en la vilaĝo la tero restis netuŝita, ĉar tie ja estis la vilaĝo.

Marko Sentaŭgulo, la najbaro de l' popo posedis plugilon iom difektitan, sed tamen plugilon, kaj Demetrio Soldat, la najbaro de Marko, posedis du malgrasajn bovojn kaj unu laman ĉevalon. La popo, Marko, Demetrio, la bovoj kaj la ĉevalo, ĉiuj kune, laboris tutan tagon, de mateno ĝis vespero: kaj jen, la tereno estis plugita kaj plensemita de maizo!

De nun la popo pli volonte restadis malantaŭ la domo. Estis mirinde bele — kiaj sulkoj! Kaj inter la sulkoj, jen ĉi-loke, jen tie, maiza trunketo apenaŭ elĝerminta. Malgraŭ ĉio ĉi la popo kelkfoje, eĉ tre ofte, gratis sin malantaŭ la oreloj. Ŝajnis, ke ankoraŭ io premas lian koron. Estis granda afero, kiun li ne kuraĝis komenci senpripense, temis pri la kampa tereno. Ĝis nun li estis cedinta ĝin al aliaj por prilaboro, dividonte duone la rikolton. Li volonte estus mem prilaborinta ĝin. Por ke li vidu sian semaĵon kaj iru rigardi ĝin kune kun sia edzino poste, aŭtune... Jen tre alloga afero.

Li detale priparolis ĉion kun sia edzino. Oni bezonis ĉevalojn, veturilon, plugilon, serviston, stalon — aron da diversaj aĵoj. Kaj la popo ne tre estis lerta en la plugado... Tamen verdiĝis la bedoj, elĝermis la maizo. La popo firmiĝis en sia decido; li elprenis la restaĵon de la edzina doto ĝis nun konservitan en ŝlosita kesto kaj li komencis la laboron.

Por komenco taŭgis ankaŭ la plugilo de Marko. Unu ĉevalon li aĉetis de Demetrio, alia ĉevalo troviĝis ĉe vilaĝano en Hast-Valo; Stan Lamul havis veturilon kun tri radoj. La popo aĉetis ĝin, ĉar li ja akiris unu radon de Demetrio, kiel aldonon al la lama ĉevalo.

Kuk, la sonorigisto, fariĝis servisto ĉe la popo, ĉar lia loĝejo estis je nura salto de tie ĉi. La popo poste enigis kvar kolonojn ĉe la malantaŭa parto de l' domo, du altajn kaj du malpli altajn. Li faris tri murojn el vergoj, surmetis tegmenton el skirpo, kaj vidu: la stalo estis preta.

Dume popo Tanda maljuniĝis dek jarojn, sed li rejuniĝadis, kiam li ensidiĝis sian edzinon kaj la infanojn en la veturilon, alvipis la ĉevalojn kaj ekveturis por vidi siajn hubojn.

La vilaĝanoj lin vidantaj ekbalancis siajn kapojn kaj ripete diradis: diablulo!

Sed la edzino havis siajn virinajn zorgojn. Ŝi posedis belan sanktulbildon donace ricevitan de la filo de l' popo en Melo. Kaj la sanktulbildo ĝis nun kuŝis envolvita en papero en la fundo de la kesto. Ŝi tre deziris pendigi ĝin inter la fenestroj, almeti ankaŭ ocimon ĉirkaŭ ĝin, kaj rigardadi ĝin pli ofte, ĉar la ikono prezentis Sanktan Marian, la Dipatrinon, kaj ankaŭ la filino de l' popo nomiĝis Maria. Ankaŭ io alia ĉagrenis la edzinon de la pastro: unu el la fenestroj estis ŝtopita per porkveziko kaj en la aliaj du fenestroj tri vitretoj rompitaj kaj flikitaj per papero. Iom mallume estis en la domo.

Proksimiĝis Pasko. Nur kvin tagoj restis ĝis la granda semajno. Se la popo volis pasigi la paskajn festojn kune kun sia edzino, li devis nepre akiri tri gravaĵojn: kalkon por la muroj, vitrojn por la fenestroj, kaj kadron por la ikono de Virgulino Maria. Ĉiuj aĵoj akireblaj nur en la urbo. Do ek al la foiro!

Nun la popo jam havis ĉevalojn, li havis ankaŭ veturilon. Sed li koleris pri la veturila korbo, el kiu restis nur la vertebro kun la ripoj. Krome li hontis iri en la foiron sen veturilkorbo. Li ne povis tian deprunti, ĉar li ja estis en Ma'riĉ, kie eĉ la popo ne havis decan veturilkorbon.

La bezono estas la plej bona instruisto. La popo sendis Kukon en la valon por vergoj, enigis du palisojn en la teron, inter la palisojn li enigis pli maldikajn stangetojn je mandistanco, kaj poste la popo, lia edzino kaj la infanoj kaj Kuk komencis la plektadon. Ne pasis longa tempo kaj la veturilkorbo estis preta. Ĝi ne estis mirindaĵo, sed ĝi estis la plej bona veturilkorbo en Malriĉ tiom bona, ke Kuk ne povis reteni sian diron: la popo estas diablulo!

Dumvoje al la foiro kaj de tie hejmen la popo fanfaronis pri sia veturilkorbo; li aŭdis, ke aliaj havas, eĉ aĉetas malpli bonajn veturilkorbojn, ol tiu de li farita.

— Kion vi faras, popo?

— Veturilkorbon.

— Sed vi ja havas jam.

— Mi faras por tiuj, kiuj ne havas.

Post Pasko Kuk komencis senigi la marĉon de la verga kreskaĵo, kaj la popo plektadi veturilkorbojn. Paralele kun la nombra plimultiĝo de l' korboj, progresis ankaŭ ilia kvalito: la laste fabrikita veturilkorbo estis ĉiam la plej bona.

Marko Sentaŭgulo estis parolema homo. Li amis interparoladi kun la popo. Kuk senŝeligis la vergojn, la popo plektis, dume Marko kuŝadis kun la ventro sur la tero, kun la kapo en la manoj, rigardante la horizonton.

Ŝajnas, ke ĉi tiu vergo estas tre longa — diris la pastro, mezurante la vergon per sia rigardo. He, Marko, donu al mi tiun hakilon, por ke mi mallongigu la vergon!

La hakilo kuŝis ĉe la piedoj de Marko, Marko levis la antaŭan parton de sia korpo, li apogis sin sur la kubuton, etendis sian piedon kaj palpe movadis ĝin, volante alproksimigi la hakilon per la piedo.

Vi tro rapidas! — krias al li la popo kaj alvipas lin per la vergo. Marko suprensaltas kaj konvinkiĝas, ke li estas multe pli vigla, ol li opiniis. Poste tiu konvinkiĝo estis tre utila al li. Antaŭ Pentekosto la popo pretigis veturilp'enon da korboj, por vendi en la foiro, kaj Marko tre bone sciis, ke ankaŭ li havos gajan feston, se la popo vendos la korbojn. Li ja helpis al la popo dum kelkaj semajnoj, kaj la laboro ĉiam havigas profiton al la laborinto.

Sed antaŭ Pentekosto ekpluvegis, kvazaŭ neniam volus ĉesi.

Vere mi ne scias, kion mi faros — diris la popo. Eble mi prokrastos la viziton al la foiro ĝis post Pentekosto. Mi timas ekveturi en tia vetero. Se la pluvo ne ĉesos ĝis ĵaŭdo, mi certe ne iros!

Marko gratadis sin malantaŭ la oreloj, sed nenion diris. Ankaŭ li rekonis, ke ne estus dece, ke la popon malsekigu la pluvo.[1]) Tamen la afero lin ĉagrenis kaj enpensigis.

Ĉu mi ne povus plekti kankovrilon? li demandis post longa pripensado — skirpo kaj junko ja troviĝas abunde en la valo.

Vi vere pravas, respondis al li la popo. Kaj ankaŭ tiun oni fabrikas certe sammaniere, kiel tiun ĉi.

[1]) MALSEKIĜI aŭ »ENAKVIĜI« estas dusenca mokoto en la rumana lingvo, ĝi ankaŭ signifas, ke malbonŝanco trafis iun.

## Variaj efikoj de la amo

— Lope de Vega —

Kuraĝi, sveni, iĝi furioza,
kruda, karesa, fuĝa kaj naiva,
vivriska, agonia, morta, viva,
lojala, fia, tima, danĝer-kroza;

sin trovi for de ŝi sen lok' ripoza,
aperi gaja, ombra, simpla, aktiva,
aŭdaca kaj enua kaj pasiva,
kontenta, ofendita, jaluz-poza;

kaŝi de l' ama senreviĝ' vizaĝon,
trovi, ke dolĉas trink', kiu venenas,
pri gajn' forgesi, ŝati la domaĝon;

kredi, ke la infer' ĉielon tenas,
animon, vivon doni en trompajon:
jen am': nur kiu provis, ĝin komprenas.

El la hispana: *Amalia Nunez Dubus.*

Dum la helpado al la popo, Marko lertiĝis tiom, ke li sukcesis fari pli bonajn veturilkorbojn ol la popo. La kovrilo plektita el kano estis majstroverko de Marko, kaj la popo ne revenis malseka, sed kun plenaj poŝoj.

Ĉi tiun fojon la festo de Sankta Pentekosto estis ĝojplena tago. La edzino de l' popo ricevis novan jupon, la tri grandetaj infanoj ricevis ŝuetojn el la urbo. Marinjo, la plej eta, ricevis pajlan ĉapelon kun du ruĝaj floroj, kaj la muroj estis blankigitaj eĉ ekstere, la fenestroj estis sendifektaj, la domo plena de lumo, kaj la ikono de l' Dipatrino estis bone videbla sur la muro, inter la fenestroj kaj ornamita per floroj kreskintaj sur la rando de l' bedoj. Ankaŭ blankan farunon, viandon kaj buteron, eĉ sukeron portis la popo el la urbo. La popo amis sian edzinon, sed ili neniam interkisiĝis. La edzino ekploris, mi ne scias kial, kaj ankaŭ popo Tanda estis ploronta, kiam li alvenis en la preĝejon, sed li rimarkis la vilaĝanojn ĉe la ikonaro, kaj li iris al la altaro kun larmoj en la okuloj. Oni diras, ke li neniam kantis pli bele, ol en tiu tago. Restis dirajo de tiam: »Li kantas kiel la popo pentekoste.«

La tagoj alvenas, la tagoj foriras: la mondo marŝas antaŭen kaj oni jen kun la mondo, jen kontraŭe.

### III.

La landvojo komenciĝas ĉe la urbo, daŭriĝas preter Sek-Valo, kaj pluiĝas en la direkto de Hast-Valo. Kie la vojoj renkontiĝas, ĉe la kuniĝo de la du valoj, sur rivereto Hasto, estas muelejo. Apud Hasto estas vojkruco, apud ĝi fonto, kaj apud la fonto estas ok belaj aceroj. Ĉi tiun lokon oni nomas, »ĉe la Malriĉ-a vojkruco«. De tie ĝis Malriĉ estas nur unuhora vojo. Tamen, kiam malriĉano venas de la urbo, li ĉiam haltas tie ĉi, trinkigas la ĉevalojn, kaj li restas tie ankoraŭ iom, atendante, ke venu iu vojaĝanto kaj demandu lin: »Kiu vilaĝo estas tie, kie vidiĝas tiu bela preĝejo kun blankaj muroj kaj kun brila turo?« — Kiam oni demandas lin pri tio, li tordetadas siajn lipharojn kaj respondas, fiere rigardante al tiu loko: »Ĉu tie supre, sur Tombejo? Tiu estas nia vilaĝo Malriĉ, sed vi devus aŭdi la sonorilojn: kaj sonoriloj estas en tiu turo! ... Ili aŭdiĝas je trihora vojdistanco!«

Kie la vojoj disiĝas, staras kolono kun du brakoj, sur unu brako estas skribite »Al Hast-Valo«, sur la alia »Al Sek-Valo«. Tia vojo, kia pasas tra Sek-Valo al Malriĉ, ne troviĝas en vasta ĉirkaŭaĵo. Glata kiel tablo, kaj malmola kiel ĉerizkerno. Estas videble, ke la malriĉanoj faris ĝin kun ĝoja koro. Dekstre kaj maldekstre, je ĉiuj dek-dekkvin paŝoj, staras nuksarboj kun densa foliaro, kiujn oni plezure rigardadas. La rivero direktiĝas dekstren laŭ la riverujo: la vojo kuŝas sur la deklivo, pli supre, por ke ne atingu ĝin la alfluo de l' akvo. La malriĉanoj devis disrompi rokojn en sia vojo, sed ili volonte faris tion, ĉar el la rokoj ili faris al si la vojon.

Tie ĉi la malriĉano sentas sin hejme, jen pro kio li veturas ĉi loke tre malrapide. Cetere li neniam enuas tie. Preskaŭ je ĉiu paŝo li renkontas konaton, kun kiu li interŝanĝas kelkajn vortojn: »de kie kaj kien?« Ĉi tiu portas veturilon da kalko, la alia veturilon da fruktoj. Jen venas unu kun plektaĵoj, jen pasas la alia kun veturilo ŝarĝita de radoj, aŭ alia ligna produktaĵo. Kaj sur la rando de l' vojo, de temp' al tempo, oni renkontas ŝtonhakistojn, kiuj marteladas de matenkrepusko ĝis sunsubiro. Ĉi tiu vojo ne estas senhoma!

Ĉe la kurbiĝo de l' valo kaj vojo estas la kalkŝtonejoj. Nu, tie regas vigleco kiel en la foiro. Unuj surŝarĝas kalkon, la aliaj deŝarĝas ŝtonon kaj lignon, la kalkistoj ĵetas lignon en la fajron, kaj ĉiu mastro bruegas, kiel kvin homoj kune.

De tie ankaŭ la vilaĝo estas pli bone videbla. Sed la ĝardenojn tro dense pleniĝas la fruktarboj, nur inter la arboj oni povas rimarki jen ĉi tie, jen tie, pecon da muro kaj la tegmentojn de l' domoj. La domo de l' popo estas tute supre, apud la preĝejo. Ankaŭ el la pastra domo nur kvin fenestroj estas videblaj kaj ruĝa tegmento kun du kamentuboj. Kontraŭ la preĝejo staras la lernejo. La domo, el kiu oni povas vidi nur pecon da muro kun du grandaj fenestroj kaj la tegmenton, apartenas al Marko Sentaŭgulo. — Kaj la granda konstruaĵo videbla pli malsupre, estas la vilaĝestrejo. — Se la vilaĝo ne estus tiom densa, ĝi efikus tre impone. Sed tiel oni vidas nur la elstaran tegmenton, laŭ kiu oni povas supozi, kiel aspektas la kaŝitaj partoj.

Ĉio ŝanĝiĝis, nur popo Tanda restis kia li estis: plenfortulo, gaja kaj diligenta. Se la grizaj haroj kaj barbo ne perfidus lian aĝon, oni kredus, ke la infanetoj, kun kiuj li ludas ĉe vesperiĝo sur la benketo antaŭ la domo, estas liaj infanoj. Unu el la etuloj, kiun li levis en siajn brakojn por kisi, deŝtelas la ĉapelon de sur lia kapo kaj petole forkuras kun ĝi. Marinjo malfermas la fenestron kaj krias: »Eta Tanda de panjo, ne lasu aveton sen ĉapelo!« Poste ŝi elkuras el la domo por kapti Ilenjon, kiu forŝtelis la kufon de l' avino kaj ornamis sin per ĝi kaj venas fanfaroni al la onjo. Avo-paĉjo ridas plenĝoje, li ŝatas la ŝercon. Jen venas de la litanio ankaŭ popo Koste kaj li kaptas kaj Ilenjon kaj Marinjon, kisas ilin, poste li sidiĝas sur la benketo apud sia bopatro. Marko, la najbaro, malnova amiko, la bopatro de Marinjo, intimulo en la familio, ekvidas la viglan rondon kaj ankaŭ li venas por babiladi: »Maljunulo, jen via ĉapelo, ne restu kun malkovrita kapo!« — krias la avino, transdonante la ĉapelon tra la fenestro.

Vilaĝano pasas preter la grupo, deziras bonan ripozon, kaj diras al si: »Vivigu lin, Disinjoro, multajn jarojn, ĉar li estas Via homo!«

El la rumana: *Tiberio Morariu.*

# Pri la arto de la aŭstraliaj indiĝenoj

Nur relative lastatempe la aŭstraliaj artfakuloj ektaksis kun komprenemo la artaĵojn de niaj nigruloj, malgraŭ ke jam de longaj jaroj apartaj etnologoj sentis fortan intereson pri la pentraĵoj kaj enĉizaĵoj sur roko kaj desegnoj sur arboŝelo, kiujn faris tra epokoj niaj tro malmulte pristuditaj primitivuloj. Kelkaj el niaj hodiaŭaj pentristoj alprenas sintenon de indiferenteco, kiam temas pri tiuj verkoj de la »malnovaj majstroj«, kiuj eble estis nur junaĝaj, kiam ili elpikis, punkte gravuris, aŭ per peniko el arboŝelo pentris la desegnaĵojn sur la rokmuroj de siaj sanktaj kunvenlokoj. La indiferenteco de la menciitaj pentristoj povas esti ia nekapablo ŝati, ia manko naskita de nescio. Tiuj modernuloj, malŝatantaj la verkojn de la primitivaj homoj, sidas en densa mallumo, kiom koncernas ties valoron kaj signifovolojn, kaj ili montrus indignon, se iu asertus, ke kiam iliaj propraj ellaboraĵoj jam longe forgesiĝos, fakuloj de la burĝonanta arto ŝatos tiujn de la nigruloj eĉ pli ol ili tion faras hodiaŭ.

Ni pristudu tiujn primitivajn artgaleriojn kaj la homojn, kiuj desegnis simbolojn kaj figurojn en ruĝa okro kaj blanka argilo, aŭ pacience per ŝtonaj iloj pikpikis la rokfacojn por eternigi grandiozajn skizojn de dioj, herooj, tero kaj marmonstroj, kiuj dum epokoj eltenis la neniigajn penojn de l' suna brulo kaj pluva lavo. La imago flamiĝas ĉe vizito al unu el tiuj rokŝirmejoj, dekoritaj per ruĝaj manoj kaj misteraj simboloj, spuroj de bestoj kaj krudaj figuraĵoj intencitaj kiel homformoj. Ni vidas la ŝtonepokan artiston emerĝi el la nebulo de l' antikvo, laborita en la ombro de granda dekliva rokfaco per sia »peniko« kaj koloriloj, aŭ ŝabloni ruĝaĵe la propran manon sur la muro. Li agadas kun la facila lerto de la vera metiisto, fidele desegnante la homon kiel li konceptas lin, sen bagatela aldonaĵo kaj sen obeemo al la dogmo de ia »skolo«. Rezulte de lia portretfaro, aperas antaŭ niaj okuloj bildo kvazaŭ de forksimila rafano kun ronda kapo kaj brakoj (v. skizon I.). Jen nuda simplo, kiu pli studemigas la etnologojn ol la luksaj portretoj de niaj laŭtnomaj sed ne vere eminentaj imponuloj, kiuj povas pagi la honorariojn de societaj pentristoj.

Lerteco la plej alta manifestiĝas en la detalriĉe dekoritaj armiloj kaj sanktaj objektoj, kaj en la terdesegnoj de certaj triboj faritaj por ceremonioj, kiuj povas daŭri kelke da semajnoj. Antaŭ tiaj desegnoj ni povas vidi maljunajn virojn kaŭrantajn kaj ululantajn en lingvo, kiun komprenas preskaŭ neniu blankulo.

Sed nia scio pri l' arto indiĝena ĉefe venas pere de la kavern- kaj rokŝirmejaj bildoj, kaj pere de tiuj de la grizaj veterbatitaj pintmontetaj kaj plataj sabloŝtonaj surfacoj, tiom abundaj en la arbaroj regione de Sidnejo.

Centojn da rokĉizaĵoj sur la sabloŝtono de Hawkesbury (ŝtato Nov-Sud-Kimrujo) fotis s-ro B. Hornshaw, de Sidnejo, kiu senrivale staras kiel aŭtoritato pri ĉi tiu branĉo de primitiva arto, kiel tiun praktikis la triboj de Nov-Sud-Kimrujo. En ŝtato Viktorio ankoraŭ oni ne eltrovis rokĉizaĵojn, kaj en tiu ŝtato venis sub la observon nur nemultaj grupoj de rokpentraĵoj, elstare la rokŝirmejo ĉe Glen Isla, sur la okcidenta deklivo de la montĉeno Grampians. Sur la interna faco de la pendanta flanko de izola sabloŝtona roko, alta sepdek futojn, kuŝas granda nombro de pentritaj figuroj, formoj kaj simboloj. Ĉiuj estas en ruĝo, kaj kelkaj havas totemajn signifojn. Glen Isla evidente servis kiel ia ceremoniejo. Irinte mejlojn orienten de Glen Isla, en vasta kaverno, oni trovas multe da ruĝaj manoj, preferita formo de »bildoskribo« (pikturgrafo) trovebla en preskaŭ ĉiu loko en la mondo. La ruĝan manon ili formis, plate metante unu manon sur malsekigita rokfaco, kaj tiam blovante elbuŝe polvigitan pigmenton (farbŝtofon) kontraŭ ambaŭ manojn kaj la rokon.

Tiuspecajn artaĵojn la nigruloj ankoraŭ prilaboris, vidate de la fruaj britaj pioniroj; ankoraŭ hodiaŭ en Okcidenta Aŭstralio ili same faras, sed ni povas ĝuste, profite studi ilin, nur se ni rigardas, kvazaŭ ili estus la verkoj de jam komplete mortinta raso.

La retenemo, la preskaŭ nerompata silento de la nigruloj en ĉio, kio koncernas iliajn sanktajn aferojn, estas karakteriza ĉe ĉiu paŝo, kaj, kune kun aliaj konformaj atestaĵoj, montras, ke niaj primitivaj homoj profunde riverencas tiun por ili magian potencon, kiun enhavas la bilde esprimita objekto.

*Noto pri muziko*

Muziko, laŭ nia koncepto de tiu artformo, preskaŭ tute ne ekzistas ĉe la nigruloj de Aŭstralio. Sed kelkaj jakuloj pretendas eltrovi certajn kadencojn kaj muzikajn intertempojn aŭ paŭzojn en la »kantoj«. Aliaj ne povas distingi ion ekster monotonaĉa bruado, en kiu la solaj ŝanĝoj konsistas en ŝvelo-malŝvelo de la sonvolumeno.

Ilia sola instrumento konata de la blankuloj estas bambua blovpipo, ĝenerale uzata ĉe la nord-marbordregionaj triboj, kaj eĉ tre enlande. S-ro Taplin, en sia raporto pri la gento Narrinyeri, apud la malsupra regiono de la Lagoj Murray, partituris kampkunvenan (corroboree) kanton, sed eble iom influis lin en tio lia propra Eŭropa kulturo. La unua muzikpeco nigrula eldonita en Aŭstralio estis tiu de s-ro Lhotsky, dediĉita al »Adelaide, Reĝino de Britujo kaj Hanover«, kaj titolita »Kanto de la virinoj de la tribo Menero, apud la Aŭstraliaj alpoj«.

*Noto pri lingvo*

La indiĝenoj sentas nenian malfacilon komuniki unu al la alia la ideojn kaj mesaĝojn per sonoj uzataj preskaŭ sammaniere kiel en la angla. La vokaloj estas la plej grava elemento kaj devas esti tre zorge parolataj. La konsonantoj



Rokpentraĵo per bluo kaj ruĝo en la valo de Macquarie-rivero N. S. W.



Pentraĵo sur ŝtono (Arnhem-provinco)

— ili estas malmultenombraj — pro simileco povas esti kontentige reprezentitaj per la anglaj literoj. Mankas I, L, Th, V, S kaj Z. K kaj R ilin nur malofte uzas komenclitere. P kaj B, D kaj T estas preskaŭ nedistingeblaj, dum L, M, N kaj R estas interŝanĝeblaj. Vere, la pozicio de la konsonantoj ne tre gravas, se oni korekte elparolas kaj ĝuste akcentas la vokalojn.

Estas certaj radiksonoj universale uzataj de la indiĝenoj tra la tuta insulkontinento. K kiel komenclitero esprimas naŭzon, timon aŭ malŝaton. Oo (la vasta U) ĉiam estas asociita kun la ideo de plateco aŭ horizonteco, dum Ya (y: prononcu j) estas la »moveca« silabo: »Yanna« signifas naĝi; »Yallum« — gutflui, do puto; »Yallock« — flueti, do rivereto; »Yarra« — brulfali, do falakvoj.

Pro tia malabundo de esprimajmaterialo, la parolantoj devas ofte kromuzi gestojn; nigrulo povas, per signosistemo vigle konversacii kun aliregionano, kies dialekton li ne komprenas. Kvankam la »Aŭstralia lingvo« estas esence samstruktura tra la kontinento, kaj multe da bazaj vortoj ĉiu komprenas, tamen ekzistas sufiĉo da malsameco en la diversaj dialektoj por igi la komunikadon kelkfoje malfacila, se ne neebla. Io simila okazas ĉe interkompreniĝprovoj en Anglujo, kiam homoj de diversaj graflandoj (ekz. Somerset, Lancashire kaj Cumberland) sin renkontas por babili.



Unu el la cent plej interesaj rokĉizajoj en Mootwingee N. S. W.



Rok-ĉizajo en la praarbaro apud Sydney. La dukapa figuro reprezentas la hero-kulton de la indiĝenoj

Sed fremda indiĝeno baldaŭ posedas la dialekton de siaj gastigantoj, kaj buŝe lernas eĉ neparencajn lingvojn pli facile ol la meza Eŭropano.

*(Skribarto?)*

Rimarkindaj estas nur la tielnomitaj leterbastonoj, aŭ emblemoj de aŭtoritato, portitaj de mesaĝistoj aŭ »leterportistoj«. Kelkfoje virinoj plenumas tiun oficon, sed plej ofte viroj. Dubo ankoraŭ ekzistas pri tio, kiom temas pri efektiva skribo, aŭ mnemoniko, aŭ simple signo de aŭtoritateco.

Kompilita de *R. Banham*
laŭ »Blackfellows of Australia«
(Barret and Kenyon), Melbourne.



Ĉizita arbo

# Lope de Vega

*La homo*

La 25-an de Aŭgusto 1635 forpasis unu el la plej famaj verkistoj: la hispana komediisto, romanisto kaj poeto Lope de Vega.

Lope Felix de la Vega Carpio (tia estas lia plena nomo) naskiĝis en Madrido la 25-an de novembro 1562, kiel filo de metiistaj gepatroj; la patro estis brodisto (tiam ordinare vira metio). La familio estis Santander-provinca laŭ deveno. Jam en sia plej frua aĝo Lope de Vega ekmontris sian verkistan talenton, ĉar, laŭ liaj biografoj, kiam li komencis la lernejtempon, ne sciante ankoraŭ skribi, li diktis al siaj pli aĝaj kunlernantoj versetojn (fablojn, preĝojn) kaj ilin pripagis per frandaĵoj.

Lia fajra kaj aventurema sango lin puŝis foriri el la hejmo por »trakuri la mondon«. Kune kun samaĝa amiko, li iris ĝis Astorga, en Norda-Hispanio, sed post suferaj kaj malabundaj tempoj, ili arde sopiris al siaj familioj. Reveninte ili intencis en Legovia vendi ĉenereton, sed la arĝentvendisto ilin suspektis ŝtelistoj kaj ili estis arestitaj. Feliĉe, la juĝisto, patreca kaj bonkora, baldaŭ ilin liberigis. Oni kalkulas, ke li estis tiam dekkvarjara.

Li en frua tempo iĝis verkisto, ankaŭ tre frue li malliberiĝis en la amaj kaptiloj. Deksepjara li enamiĝis al aktorfilino, junedzino de forestanta junulo, eble ankaŭ aktoro. Tiu arda unua amo kaj ĝia malagrabla kaj malhonora fino inspiris al Lope la dialogitan romanon »La Dorotea«, publikigita nur, kiam li estis tre maljuna.

Deknaŭjara, kiel li komprenigas en unu el siaj komedioj, li partoprenis militiron al la »Islas Terceiras« en la Azora insularo.

Li finis sian studadon sub la protekto de la Avila episkopo, en la fama Alcalá Universitato kaj revenis Madridon por esti sekretario de la Duko de Alba, nepo de la famega militestro; sed la trankvila vivado ne multe konvenis al la aventurema junulo, kaj malgraŭ sia edziĝo al Isabel de Ampuero, li aliĝis al la »nevenkebla ŝiparo« sendota de Filipo II. kontraŭ Elizabeta de Anglujo. Tiu impona ŝiparo estis, tamen, venkita pro la ventegoj kaj la malbona estrado, kaj Lope devis elsuferi la ĉagrenon vidi la morton de sia frato, ankaŭ militisto, kuglvundita en batalo kontraŭ la Nederlanda ŝiparo. Dum la militiro, li verkis poemon »Hermesura de Angelica« (Beleco de Angelika).

Post tiuj okazintaĵoj, li loĝis en Madrido, kie estis fondita Akademio, nomata »Parnaso« kaj plene sin dediĉis al verkado. Tiu estas la tempo de liaj plej abundaj literaturaĵoj. Li vidviĝas kaj reedziĝas, en 1600, al Juana de Guardo, riĉa filino de bestvendisto. En tiu edziĝo li havis du infanojn: Carlos kaj Feliciana. Feliciana edziniĝis tre juna kaj Carlos, kiun tre amis Lope, mortis ankoraŭ infano. Tiu frua morto inspiris al la patro belegan elegion, plenan de doloro kaj samtempe de religia rezignacio; sendube unu el liaj plej bonaj lirikaj poemoj.

Tia terura bato kaj ankaŭ la morto de lia dua edzino kruele vundis la amsopirantan animon de la poeto. Ĉagrenita, kormuelita, frapita de la vivo, li rifuĝas en la piecon: li verkas religiajn poemojn, aniĝas al diversaj religiaj societoj aŭ »frataroj« kaj fine pastriĝas kiel sacerdoto. Sed vane li forflugis el la mondo kaj el la amo. La petola Venusido denove lin celis kaj lin trafis per sia fatala sago: per kvazaŭ junaĝa arda pasio — eble la Madridaj aŭtunaj posttagmezoj pli varme oras ol la printempaj matenoj — li enamiĝas, post dujara virta pastreco, al Marta de Nevares Santoya. Knabino naskiĝis el tiu unuiĝo. Lope mem ŝin baptis per la nomo Antonio Clara, kaj kiam la edzo de Marta, laŭleĝa patro de Antonia, mortis, li alprenis en sia domo la virinon kaj la knabinon. Tiu knabino, poste, foririnta kun deloganto, devis kaŭzi la lastan ĉagrenon kaj rapidigi la morton de la fama verkisto.

Vere li meritas la alnomon »granda amanto kaj granda pekanto« donita al li de biografo.

Li ĝuis sukceson en siaj verkoj, triumfis en artaj kaj amaj intencoj, estis dorlotata de nobeloj kaj adorata de popolo, kaj kiam li mortis en la dato nun rememorata, lia enterigo estis la plej solena el ĉiuj.

*La verkisto*

Kiel oni legas ĉe Montalban, lia unua biografo, Lope jam »verkis«, kiam li ankoraŭ ne scipovis skribi; kaj la 23-an de Aŭgusto 1635, tio estas ses tagojn antaŭ sia forpaso, li ankoraŭ verkis poeziaĵon »La ora jarcento«. Dum la tuta vivo, kiel oni elkalkulis, li verkis *dudekunu milionojn* da versoj, po *naŭcent* ĉiutage. Nur komediojn li verkis *mil okcent;* krom tio lirikaĵojn kaj prozajn verkojn. Oni komprenas, kiel prave oni alnomis lin »Monstro de la Naturo« kaj »Fenikso de la Spritulo|«.

Proze li verkis la dialogan romanon »La Dorotea«, trafa pentraĵo de sia unua ama aventuro, sed publikigita — kaj eble korektita — tre maljunaĝe. En 1698 li verkis paŝtistan romanon — tiam laŭmodan — »Arcadia«. En unu kaj alia estas entenataj belegaj lirikaj poeziaĵoj.

En la eposa genro li estas aŭtoro de »Jerusalem Almilitita« kies bela versfarado ne sufiĉe forgesigas la multajn anakronismojn kaj erarojn pri la krucmilitoj. Pli alloga estas la satira eposo »Gatomaquia« (Katoluktado), kie li bone ridindigas, pere de la katoj — heroij — la mezepokajn kavalirbatalojn.

Sed la famo de Lope devenas el la multaj kaj variaj teatraĵoj, de li nomitaj komedioj, sed kiuj laŭ la nuntempa klasifikado estas komedioj, tragedioj kaj dramoj. En ili kuniĝas la klasika stilo kaj la popola gusto. Tial kleruloj kaj popolo same varme ilin aplaŭdis. Li majstre pentras la karakterojn, la amon kaj jaluzon, la kuraĝon kaj la fidelon al parolo. Apud la serioza rolanto, estas la spritulo — ordinare servisto, armilknabo — rompanta la monotonecon de la verko. Sendube, en tiel ega verkado, ne estas eble, ke ĉiu komedio estu ĉefverko, sed kiel diras kritikisto: La ĉio ne estas bona, ankaŭ nenio estas tute malbona.

Oni diras, ke Lope multe cedis por kontentigi la popolan guston. Li mem tion konfesas en la fama distiko:

Popolo stultas kaj ĉar pagas estas juste
por al ĝi plaĉi, al ĝi paroli stulte.

Tamen, kiel ĉiu verkisto, li estis vera edukanto kaj per siaj komedioj li multe altigis la nivelon de la popolmenso. Teatro ĉiam estis, estas kaj estos, laŭ vortoj de nuntempa verkisto[1]) »La libro de tiuj, kiuj ne scipovas legi«.

Lope, kiel ĉiu geniulo, estis antaŭvidanto, reformulo, eĉ profeto. Jen paragrafo de »La Dorotea«, kiun ne malŝatus subskribi Freud mem:

»Ni sonĝas tion, kion ni faris aŭ ni volas fari, kaj ankaŭ el tio, kion ni deziras, naskiĝas tiaj imagaĵoj kaj pensoj; tial... virtuloj sonĝas pli bonajn aĵojn ol malbonuloj, malvirtuloj kaj malbonmoruloj.«

Li antaŭsentis la telegrafon kaj telefonon:

»Alvenis tia sciigo
al ni per fulma rapid'
Kiu scias, iam eble
la fulmo mem portos ĝin.«

Kaj la aerŝipon:

»La venton kateninte, ĉe l' malhelo,
Vi trovis vian vojon tra l' ĉielo.«

Ankaŭ en literaturo li estis reformemulo: Li konsistigis la komediojn el tri aktoj — ĝis tiam ordinare ili estis pli longaj —. Li malestimis regulojn pri samloko kaj samtempo, pli ŝatis mezepokajn ol antikvajn historiojn. Entute, li estis tio, kion ducent jarojn poste oni nomis *romantikisto*.

Por ke oni vidu la popolan kaj universalan sencon de liaj komedioj, mi resumas la temon de du el liaj plej famaj:

»El mejor alcalde, el rey« (Plej bona oficisto, la

[1]) Jacinto Benavente, kies verkaĵo »La kreitaj profitoj« antaŭ nelonge aperis Esperante.



# OBSERVO

## LA SVEDA SKULPTARTISTO *CARL MILLES* ESTAS 60-JARA

La 23-an de junio iĝis la granda Milles 60-jara. Oni festas lin kiel la plej eminentan kaj originalan svedan skulptartiston. Estas karakterize, ke li pasigas sian jubileon en Ameriko, kie li dum sufiĉe longa tempo (6 jarojn) laboradis kiel artisto. Li apartenas al la internacia elito de l' artistoj, kies verkoj troviĝas ne nur en la sveda patrujo, sed ankaŭ en la muzeoj de Kopenhago, Londono, Vieno, Berlino, Brusselo ktp.

Naskita en Lagga (en la stokholma distrikto), Carl Milles komencis kiel artmetiisto. Kun atesto de la Teknika Artlernejo de Stokholmo kaj kun stipendieto de la Slojdsocieto en la poŝo, veturis la serioza junulo al Parizo, kie li dum pluraj jaroj luktis energie kun la malriĉeco kaj batalis samkuraĝe por atingi artan klerecon, al kiu kontribuis ankaŭ lia studado en München. La nuna membro de la Franca Art-akademio kaj Nacia Societo de l' Bel-Artoj en Parizo, perfektigis sian formsenton per etskulptaĵoj, sed plene trovis sin la unuan fojon en printempa skulptaĵo, kiu prezentis du frostantajn homojn kunblovitajn sur benkon en malvarma mateno.

La unua pentreca maniero de Milles iom post iom plene transdonis la lokon al serĉado je fiksa formo kaj linioakreco, klopodo por tute subigi la graniton al la formkrea forto. Li sukcesis sorĉi vivon kaj animon en la plej duran materion. Parto de liaj verkoj estis akre pridiskutata (ekzemple pri lia unua granda kreaĵo, la monumento de Sten Sture, la ondoj de l' diskutado tajdis dum deko da jaroj), sed ĉiuj estas en sia figura monumenteco stampitaj de la persona koncepto de l' artisto. Spite kontraŭstaron, li iris sian propran direkton kaj rompis novan vojon por sia arto, kiu nun eĉ en sia karakteriza propreco estas rekonata kiel esprimo pri novkrea forto de genia spirito.

Lia monumento Gustav Vasa (Norda Muzeo) estas grandioza staturo kies koncentrita aŭtoritateco kaj pugnita mano elokvente esprimas la karakteron de l' granda historia personeco. la loko de la rubriko ne permesas al ni pli detale okupiĝi pri lia Industria monumento en Stokholmo, Eŭropo en Halmstad, Folkunga-fontano en Linköping (tre admirata de la recenzanto), Poseidona fontano en Gotenburgo ktp., kvankam ĉiuj estas »ĉapitro por si mem«.

Lia granda formsento pri la »frostiĝinta muziko« ligis plurajn liajn verkojn al la arkitekturo, ekzemple la skulptaĵgrupojn sur la »Enskilda Banken« kaj reliefojn sur »Norda Kompanio« en Stokholmo. Precipe lasttempe evidentiĝis ĉe li preskaŭ idolana vivemo, bel-adoro en liaj fontangrupoj, fantazia marmondo, rokokonajadoj. Sed en lia animo restis ankaŭ kapelo por la mezepoka mistiko, konfesita sur la kupropordego, baptujo kaj altaro de l' preĝejo en Saltsjöbaden.

La sesdekjarulo ĝuste nun komencis plenumon de novaj grandaj taskoj en Usono kaj ankaŭ la »Nova Orfeo« antaŭ la stokholma Koncerta Domo donos siatempe pruvon pri la juneca forto de l' vastkalibra sveda artisto.

*T. M.*

---

reĝo). Paŝtisto Sancho petas de sia sinjoro, Don Tello permeson por edziniĝi al Elvira; tiu sinjoro promesas ĉeesti la geedziĝon. Li iras, sed vidinte la fianĉinon, li enamiĝas al ŝi, kaj helpate de siaj servistoj, ŝin rabas. La patro kaj la fianĉo de Elvira vizitas Don Tellon, petante, ke li riparu la ofendon, sed la fiera junkro ilin forpeligas el la domo, post severa batado. Tiam ili iras antaŭ reĝon Alfonso la VII., kiu sendas »Alcalde-n« kun ordono, ke Don Tello redonu Elviran, sed denove li malobeas. Ili reiras al la reĝo, petante, ke li sendu »Alcalde-on« pli respektindan; sed la reĝo respondas »Plej bona Alcalde, la reĝo«; li iras propraparsone, devigas Don Tello edzinigi Elviran, kaj tuj lin senkapigas, donante al la vidvino la duonon de la junkra bieno.

En »Fuente orejuna«[2]) vilaĝo suferas sub la sovaĝa premo de komandoro de Calatrava, Herman Gómez de Guzman, ĝuema viro, kiu respektas nek edzinojn nek virgulinojn. Fine la popolo ribelas kaj mortigas la komandoron. La katolikaj gereĝoj sendas juĝiston por puni la kulpulojn, sed neniu denuncas. Vane la juĝisto metas ia vilaĝanojn en torturon, viroj, virinoj, eĉ infanoj, al la demando: — Kiu mortigis la komandoron? ĉiam respondas:

— Fuente orejuna, sinjoro. Tio estas, *la tuta popolo* pelita al ribelo pro la tiraneco; kaj la Aŭtoritato estas devigata pro la cirkonstancoj pardoni ĉiujn.

Tia estis la viro kaj verkisto, kies morton rememorigas nun la tutmondaj literaturamantoj.

*A. N. D.*

[2]) Tiu vilaĝo, kies nomo signifas hispane »Safina fonto« ankoraŭ ekzistas en Andaluzia. La ribelo estas historia fakto.

## HEINZ WATERBOER: LA TAGLIBRO DE DOKTORO SARRAUT.

La juna verkisto estas multpromesa talento. Stranga miksaĵo: franca romantiko, kvazaŭ de entuziasma posteulo de Chateaubriand (eĉ la nomo de la heroo estas: René). Fantastaj travivaĵoj, kvazaŭ nin kondukus Joseph Conrad sur malrektaj vojoj tra la tropikoj; kaj naiva sentprofundo kaj korvarmo. Ĝi estas la taglibro de kuracisto, bonege verkita, kun plena forto de fremdlandaj priskriboj, kun plena impreso de psikologia memanalizo kaj kun plena sincera simplo de sento. D-ro Sarraut priskribas en ĉi tiuj notoj, al kiuj oni dezirus ankoraŭ pli da Rousseau-a sincereco, siajn amtravivaĵojn, kiuj kelkfoje plej endanĝerigas lian vivon. Ia kulpo pelas lin al la pereo. Ĉu kulpo? Apenaŭ ombro en la lumo de matura ekkono. Sarraut estas juna kuracisto en la Salpetrière, sed de tia sentema maniero, ke li ĉiam ankoraŭ evitas la praktikon, ĉar ĝi estas »preparo« por la kadavro-lavisto. En sia Pariza studentloĝejo li loĝigis ĉe si — malnova moro de la »Quartier Latin« — kunulinon, Jeanette, kamaradino el infanjaroj. Baldaŭ ŝi atendas infanon de li. Sed lia sango lin pelas al alia, Adrienna, kuracista kolegino. Li trompas Jeanette kun Adrienna. Nun li turmentas sin kaj ŝin, la bedaŭrindan Jeanette, kiu legis la konfesojn de René en la taglibro. D-ro Sarraut fuĝas antaŭ si mem, antaŭ siaj memriproĉoj en la marokan militon, poste en la afrikajn tropikojn. En ĉi tiuj priskriboj de la ekvatora pejzaĝo fakte estas ardo kaj intenseco de moderna Chateaubriand. Sed li ne longe restas en sia profesio, ĉi tiu doktoro Sarraut, ankaŭ ne kiel ŝipkuracisto. Li fine estas karbotrenisto en Singapore, li mem degradis sin al tio, kiam, sur la vojo hejmen al Jeanette kaj al sia patrino, li ricevas en Marseille la sciigon pri la morto de Jeanette. Kion li travivis, li konfidas al sia taglibro; ĉian malfeliĉon, ĉian tragikon, elvokitan de virinoj, li metas en mistikajn interligojn kun sia propra sorto: tiun murdon, kiun hispana kapitano, pro demona virino, faris al sia kamarado; la sorton de holandano venenita de virino; la sorton de japana kuracisto, kiu ne senkaŭze sentas sin kulpa pri la nesufiĉo de sia kuracista arto, kiam grava epidemio trafas lian vilaĝon. Ĉion d-ro Sarraut rilatigas al si mem. Li estas, laŭ la vortoj de la fikcia eldonanto de lia taglibro, »unu el tiuj malfeliĉaj homoj, al kiuj la sorto destinis heroan rolon sur la scenejo de la vivo, sed kiuj ne scias tiun ludi, ĉar ili ne estas herooj, ankaŭ ne en siaj plej kaŝaj deziroj kaj revoj.« D-ro Sarraut, reveninte hejmen, post kiam li trovis la vojon al la patrino, mortas de propra mano. Ĉi tiujn okazaĵojn, la kolor-riĉajn eksterajn kaj la komplikitajn animajn, oni sekvas kun kreskanta intereso, kaptita jam per la arteca formo de ilia prezento en ĉi tiuj taglibro-folioj. Sed ĉe la fino oni diras al si, kiel morna estas ĉi tiuj »anim-

kazoj«, uzante vorton el la frutempo de la psikologa romano. Li ja estas kuracisto, ĉi tiu doktoro Sarraut, pro kio do li troigas kiel naturkonanto la naturan? Liaj memtorturoj ŝajnas al ni animaj dorlotaĵoj; tro subtila animo ĉi tie respeguliĝas. Sed la spegulo mem estas facetita de la manoj de juna talento.

*F. W. V.*

(V.) LA DAME DE MALACCA (La Sinjorino de Malacca) de Francis de Croisset. Antaŭ ĉio, oni devas rekoni, ke s-ro de Croisset verkis tre amuzan romanon. Tia laŭdo ŝajnis senutila antaŭ kelkaj jaroj, sed post la milito, la romano fariĝis tiom teda, ke oni devas aklame saluti verkiston, kiu ankoraŭ pensas pri siaj legantoj. Oni eĉ povus diri, ke s-ro de Croisset tro pensas pri ili — kio montriĝas alia ekstremo — sed tre malmultaj homoj plendos tiurilate.

La aŭtoro estus povinta verki romanon de drama speco, kio estas tre facila por iu, kiu, kiel li, bone konas la teatran teknikon. Sed male, li atentis la regulojn de la ludo kaj simple verkis romanon de romana speco.

Kiel romano de fantaziema verkisto, ĝi meritas apartan kritikon, ĉar tie ĉi la fantazio evidentiĝas tre faciIefekta; ĝi estas fantazio de la cirkonstancoj kaj situacioj. Se la heroo, anstataŭ esti hinda princo dolĉa, fiera kaj kruela, kovrita de juveloj kaj posedanto de vera fea reĝolando en la duoninsulo Malacca, estus sensignifa malriĉa oficisteto, la fantazio tute ne trovus lokon ĉi tie, eĉ inter la tute samaj okazaĵoj. La vera fantazio nestas en la animoj. En la *Sinjorino de Malacca*, ĝi troviĝas en la riĉeco kaj ekstera stato de la figuroj.

Tamen la heroino de s-ro de Croisset havas korincitan ĉarmon; ŝi estas irlandanino, profesoro de angla lingvo ĉe privata instituto en Calais. La sorto senkompate malhelpas ŝiajn aspirojn; ŝi perdis la patron kaj la fianĉon. Ŝi havas nek riĉon nek estonton, malgraŭ ŝia neordinara beleco. Ŝia amikino, s-ino Turpin, zorgantino en legsalono, vane anoncas al ŝi, ke grandaj, belaj, gloraj okazaĵoj venos renkonte al ŝi en ŝian vivon: tiuj ne venas! Nur unu viro interesiĝas pri Andrey, senhava milit-kuracisto, nomata Herbert Carter, kiu estas ĝuste la malo de la idealo kara al fantaziema koro.

Ĉar Carter ricevis postenon ŝtatan en Ekstrem-Oriento, Andrey tamen lin akceptas kiel edzon. Verdire tra li ŝi jam antaŭvidas la magion de Hindujo. Ŝi do foriras kun la edzo, kaj sur la ŝipo mem, la Rajputana, ŝi renkontas la viron, kiun ŝi amos: Aleksandron Selim, sultanon de Udaigor, posteulon de Aleksandro la Granda. Kompreneble li estas tiel bela, kiel riĉa kaj mistera.

»La princo malrapide alproksimiĝis. Akvoverda bireto kovris lian kapon. Pezaj smeraldoj piroformaj brilis ĉe liaj oreloj. Lia rekta nazo, lia firma buŝo, lia bone modelita mentono elvokis romian maskon; tro grandaj por lia vizaĝo, liaj malhelaj okuloj kontrastis kun lia profilo. Per la tuta kapo li superis sian adjutanton, kies vizaĝkoloro, sub hela turbano, ŝajnis preskaŭ nigra.«

Oni vidas, ke s-ro de Croisset ne hezitis elekti la plej belan modelon de heroo por fantazia romano. Kiu povus rivali kun Aleksandro Selim? Certe, la senkompare bela sultano konfuzos pli ol unu legantinon. Kaj kiaj juveloj!!!

La plej amuza kaj originala parto de la romano — ĉar la amintrigo de Andrey kaj Selim ne plenigas la tutan libron — estas la priskribo de la anglaj koloniaj moroj. La aŭtoro tie disvolvas multe da sprito kaj tre akran senton pri humoro. Oni ne retrovas la tragikon de Kipling, sed petolan kaj viglan observemon tipe francan.

La snobismo estas vivregulo en Rahafang, sed tie ne la deveno ludas rolon, sed la funkcio kaj rango.

Herbert Carter, kiel snobo, estas perfekta en sia speco, tiom pli, ke li restas sincera homo, ĉar efektive li ne snobas pro la ekstera mondo, sed pro intimaj motivoj. Avara, egoista, mallarĝ-mensa kaj ĵaluza, Carter, tiom eta, prenas per la snobismo imponan aspekton. Kompleta komedio de funkciuloj servas kiel dekoracio al la reciproka pasio de la juna irlandanino kaj de la bela sultano.

La unua sinjorino en Rahafang estas lady Brandmore, edzino de la ĝenerala guberniestro. La dua, lady Lyndstone, fratino de la unua kaj edzino de bankdirektoro. Tiuj du gravaj figuroj tremigas ĉiun en Rahafang; ili kompreneble fervore malamas Andrey, kiu estas rave ĉarma, sed ĝisnube laŭdadas la ridindan Carter, kiu bone scias ilin flati.

La amromanon de la sultano ne indas rakonti detale. Ĝi pekas kiel ĉiuj samspecaj intrigoj en tio, ke ĝi bonege finiĝas per feliĉodona geedziĝo. »Kiel mallonga estos la vivo« sopiras la juna sultanino post la edziniĝo. Sola tiu frazo, kiu finas la libron, konkeros al s-ro de Croisset senfinan nombron de legantinoj kaj admirantinoj. Entute la libro estas tre lerte aranĝita.

(V.) HENRI BARBUSSE. Ĉu ni devas priplendi, ke li mortis antaŭtempe, aŭ lin envii, ke li foriris en glora momento, eble ĉe la kulmino de sia kariero, kaj ke li en sia lasta vojaĝo refoje trairis la homan patrion, kiun li por si elektis kaj tiom amis? Sed tiom mallonga estas homa vivo: dudekjare, la literatura premio de l *Écho de Paris* kaj la Dreyfus-a konfuzo; kvardekjare, la milito; sesdekjare, la morto de la revoluciulo...

Kaj kia distanco inter la anemia poezio de la komenco kaj la arda blovo de *Feu* (Fajro)! Mezvoje venis *l' Enfer* (La Infero), sed nur malmultaj ĝin atentis. Ĉu ne kurioze, ke tiu pruda delikatulo, tiu tenera sindetenulo ŝanĝiĝis en fulmparolan profeton? De la revulo de *Pleureuses* (Plorantinoj) al la direktoro de *Monde*, al la oratoro de l' internaciaj kongresoj, kiom da irita vojo, kia serio de rezignoj, de venkoj, de komprenoj. Tro facile estas, kaj sekve nejuste, lin prezenti glitanta senvole al la komunismo. La vera, la admirinda konsistas en tio, ke li sciis resti tute konsekvenca al sia unua ribelpaŝo kaj protesto kontraŭ la mensogoj. Ĉio konspiris por lin reteni sur la deklivo: la materia sukceso, lia malbona sanstato, liaj burĝaj rilatoj — kiuj cetere restis al li fidelaj — kaj ankoraŭ pli la individuista liberalismo, homarana kaj anarkiema, kiu estis lia kredo, kiel tiu de liaj plej bonaj samtempanoj.

La posteularo elektas siajn heroojn kaj simbolojn. Se revolucia estonto memoros pri Henri Barbusse, tio ne estos senkaŭza: en sia epoko li estis la unua, kiu oferis sian kredon de liberala burĝo sur la altaro de l' marksismo. Sed ĉu la nomo de Barbusse nin postvivos aŭ ne, ĉu oni rigardos bona aŭ ne lian aliĝon al la komunismo, restas afero, kiu ĉiam gravos por kelkaj: li estis bela animo, kiu sciis doni sin senrezerve al sia idealo. Banala laŭdo, sed vere nur malofte meritita.

(V.) LA DERNIERE CHANCE (La lasta ŝanco) de Francis Carco. Ĉu romano? Ĉu dokumento? Jes, kun ĉiuj avantaĝoj kaj tedoj propraj al tiu speco. Ne sufiĉas, ke rolulo ekvidita ĉe la unuaj paĝoj, kaj perdiĝanta poste, mortu ĉe la epilogo, por ke libro estu rigardata kiel romano. Tiun figuron oni povus eble kompari kun inĝeniero, kiu gvidas vizitantojn en uzino, aŭ kun ekspediciestro en tigroĉaso.

Ni juĝu, kio estas precize tiu ĉi libro. Enketo pri la medio en la mediteraneaj regionoj. Kiel la aŭtoro tion faras? Li amikiĝas al du individuoj *Total* kaj *Amédée-la-Commande*, kies veston, aspekton, slangon kaj okupon ĉiu leganto povas al si facile imagi dank' al la multnombraj tiurilataj gazetraportoj. Sed tiuj bravuloj malaperas pro misteraj sed bonaj motivoj, kaj la aŭtoro, kiu tute ne amas promeni sola kaj rapide enuas kun si mem, petas la polic-inspektoron de Atheno lin konduki tra la urbo. Drasta priskribo de Atheno kaj Pireo, vizito de la noktaj amuzejoj kaj de la rezervita kvartalo. Interesiĝinte pri la trafiko de l' kokaino kaj opio, li, gvidata de la policisto, konatiĝas kun la »loka etoso«.

Foriro al Smirno. Priskribo de la urbo kaj de opimagazeno. Konstantinopolo. Priskribo de la urbo kaj de la rezervita kvartalo. Renkontiĝo kun François-le-Fou, amiko de Amédée-la-Commande. Vizito al la polic-oficejo kaj peto pri gvidado tra la nokt-amuzejoj. Bejruto. Priskribo de la urbo kaj de la rezervita kvartalo. Prome-

nado kun la loka policestro. Tuniso. Priskribo de la urbo kaj de la rezervita kvartalo. Renkontiĝo kun Lucien, kiu estis forsendota el la lando, kaj kiun la vojaĝanto povas »utiligi« por sia enketo. Marsejlo: oni sciiĝas, ke Amédée-la-Commande vendis Total-on, kaj ke tiu lasta, kaptata de la polico, kare defendis sian vivon kaj persiste rifuzis denunci siajn kunkulpulojn.

Konkludo: la medio velkas. Ĉe Total malaperas la honoro, la solidareco, la moralo. Cetere malaperas ankaŭ la ekspluatado de la virinoj. Ĝin anstataŭas la pli danĝera trafiko de drogoj aŭ dubaj okupoj. Kelkaj ankoraŭ senespere provas sian lastan ŝancon, sed ĉie la polico gvatas... Tio ne signifas, ke la polico laboras pli efike, sed ke ĝi trovis potencan kaj nevenkeblan kunaganton: la krizon. La epoko plu ne taŭgas por la malnovaj entreprenoj. Plu ne estas mono, sekve ankaŭ ne malpermesitaj plezuroj kaj ne veraj homoj.

Laŭ tiu ĉi fidela protokolo, oni povas imagi la kvalitojn de la libro. Dokumento, ni diris, kaj vere bona en sia speco, plena de viglaj dialogoj kaj etnografiaj mencioj. Sed la troaj priskriboj fariĝas nesaveble tedaj kaj furioze odoras la Baedeker-on.

Krome la senbrida emo al ekzotismo, la serĉado de la *tipa* spektaklo por trosataj okuloj, ĉio tio montras psikologion infektitan de la plej malbona romantismo. Francis Carco estas tute certe viktimo de *Les Orientales* (poemlibro de Victor Hugo), de Farrère kaj de Loti.

Kio kelkloke faras la libron tre alloga, tio estas la simpatio, kiun la aŭtoro montras al la sociaj faloj. Tamen ne sen malagrabla sento ni vidas lin en ĉiu urbo akompanatan de polic-inspektoro.

MECHTILDE LICHNOWSKY: DELAIDE. Romano.

Treege sentema juna edzino estas la ĉefa persono de ĉi tiu romano. Ŝi loĝas kun sia malgranda filino en Firenze; floroj kaj bestoj ŝin ĉirkaŭas, elegantaj kostumoj kaj belaj ĉapeloj al ŝi ne mankas; ŝia ĉefzorgo estas observi la barometro-ŝanceliĝojn en la sentoj de sia edzo kaj tiujn registri, plej ofte kun iom da doloro, ĉar la barono, ŝia edzo, kvankam ne sensenta kaj kruda, tamen ne tre emas partopreni ŝiajn zorgege flegitajn animajn kaj spiritajn delikatajojn. »Koloroj, tonoj, vortoj pli gravas al mi ol la aĵoj mem,« diras Delaide. La rakontistino, kiu jam pritraktis kun granda kompreno art-aferojn, posedas grandajn spiritajn kapablojn kaj ŝia lingvo sonas dolĉe; sed tamen oni iomete miras, ke ankoraŭ hodiaŭ la historio de edzineco de nekomprenata virino — ĉar tio estas la enhavo de la libro — povas esti priskribata per tia neelĉerpebla abundo da nuancoj; oni kredus, ke aliaj tempoj pli gravas nuntempe. Ĉiu vorto, kiun diras Roberto, la edzo, kaj kiun li ne diras, ĉiu respondo, kiun li donas kaj ne donas, estas pripensata, analizata kaj melankolie rigardata, ĉar li estas »animsurda, miaj vortoj lin ne enpenetras«. La virino, kiu havas nenion por fari, krom cerbumi pri sia animvivo kaj pri tiu de ŝia edzo, vidas ĉiun minuton disfali en centonojn kaj ĉiu el tiuj postulas sian apartan rajton. La intrigoj de la mondumo, en kiu ŝi vivas, ŝin turmentas: salonserpento volas delogi ŝian edzon, kiun Delaide malgraŭ ĉiuj miskomprenoj, tamen amas. Se granda doloro ŝin trafas, en la kapon de ĉi tiu kompleta estetino venas la itala teksto de ario. La milito forŝiras de ŝi Roberton; el lia lasta letero estas videble, ke la ŝajna malvarmo ne estis lia vera naturo; li mortas en batalo. La fino estas malmulte konvinka: la spirito de Delaide malklariĝas kaj ŝi mortas en deliro; la taglibro, kiu gardas ĉiujn ŝiajn sekretojn, estas metita en ŝian ĉerkon. Neniu ĝin legos.

*F. W. V.*

HALLIDAY SUTHERLAND: ARKO DE LA JAROJ.

Fama kuracisto priskribas sian vivon. Sutherland estis prezidanto de la asocio por kontraŭbatalo de la tuberkulozo en Anglujo, fondinto de la unua liberaera lernejo en Londono kaj mararmea stabkuracisto dum la milito. Li scias priskribi tiel interese kaj samtempe simple, ke oni tute ne havas la impreson legi libron, sed povus kredi, ke oni sidas antaŭ bona, malnova konato, kiu revenis post longa vojaĝo kaj nun rakontas siajn travivaĵojn. Bunta, movata vivo en ŝanĝiĝemaj bildoj aperas antaŭ ni. La fono estas la montoj de Skotlando. Sutherland rakontas pri ĉasoj kaj fiŝhok-migroj en la malhelajn arbarojn de la altlando, pri la petolaĵoj de sia studtempo ĉe la universitato en Edinburgh, kie li studis anatomion kaj en Aberdeen, kie li estis enkondukata en la sekretojn de la patologio. Amindajn kaj komikajn profesorojn, diboĉajn kaj ambiciajn studentojn li renkontis. Ŝajne li konas ĉiujn homojn kaj li estis ĉie: ĉe balenkapto apud la norda marbordo de Skotlando, kie kun buŝbarba kapitano li aventuras, en Hispanujo, kie li helpas sian onklon en ties laboro de kuracisto kaj provas sin, eĉ ne sen sukceso, ankaŭ kiel »toreadoro«. Post vojaĝo al Afriko li revenas en sian skotan hejmlandon, kie post longaj ekskursoj li travivas en hospitalo por cerbmalsanuloj tragikajn kaj komikajn aferojn kun ties enloĝantoj. Kie ajn, ĉie li travivas aventurajn aferojn. Dum la milito li servas kiel mararmea stabkuracisto, travivas la Zepelin-atakojn de Londono kaj ĉion li rakontas tiel interese kaj senintence, ke ĉi tiu kroniko de riĉa vivo ĉe la legantoj vekas plej grandan kunsenton.

*F. W. V.*

OSKAR MARIA GRAF: »DER HARTE HANDEL.« (La malfacila afero.) Romano.

»La romano traktas krim-aferon el mia bavara hejmlando«, komencas Oskar Maria Graf sian mallongan antaŭrimarkon. Temas pri vera okazaĵo de niaj tagoj. Kiel tia, ĝi certe estis ankaŭ legebla en iu provincgazeto de la ĉirkaŭaĵo, ĝi do jam trapasis la unuan ŝtupon de sia estado en formo de raporto. Ĝi eble tekstis jene:

Amreiner Sepp, kampulo el Besendorf, subaĉetas sian serviston Wastl, bruligi al li lian domon, por tiamaniere, per la brulasekuro, ricevi la monon por nova korto. La afero sukcesas. La nova domo fariĝas unu el la plej belaj en la ĉirkaŭaĵo. Sepp nun sukcese povus serĉi riĉan fianĉinon. Sed li ne emas. Li pli volonte restas fraŭlo, kvankam lia maljuna patrino ne volonte vidas tion. Sed la afero tamen fine malsukcesas. Wastl, en kolero kaj ebrio, ĉion elbabilas kaj ili ambaŭ, pro brulkrimo, venas en la pundomon. Sepp ricevas tri jarojn kaj nun havas tempon pripensi sian sorton kaj la estontecon. La bieno feliĉe apartenis ankoraŭ al lia patrino. Asekurtrompo do, laŭ la jura scienco, ne estas konstatebla. Sepp pasigas sian tempon en la pundomo kvazaŭ militservotempon kaj kun sukceso provas ludi rolon similan al oficirservisto. Li servopretas ĉiudirekte kaj estas tiel malsincera kaj mensoga, kiel oni deziras, kaj el tio li tiras sian profiton. La kampuloj de la vilaĝo vidas en la tuta afero apenaŭ pli ol bedaŭrindan malsukceson. Ili finfine subtenas la petskribon de la vilaĝestro kaj Sepp, post du jaroj, estas liberigita kun provtempo.

Kaj nun komenciĝas la batalo kontraŭ leĝo kaj juro. Se li transprenos la bienon, li iĝos asekurdeviga kaj devos repagi la kaŭzitan malutilon. Kompreneble, li volas transpreni la bienon, sed ne pagi. Kaj nun Sepp sidas tage kaj nokte super la brulasekura dokumento kaj la civila kodo, elfunde studas ilin ambaŭ kaj serĉas truon, por eskapi tra ĝi kiel sincera fripono. Li eĉ vojaĝas al Munheno por tie viziti jurkonsiliston kaj por ekscii de li oficiale, ke laŭ la leĝo nenio estas farebla. Nur tion ja Amreiner Sepp volis scii. Li nun tute forlasas la rektan vojon por surpaŝi la malrektan. Li montros ja al la instruita jurkonsilisto, ke sub malpura kampulĉapo kaŝiĝas pli da ruzo kaj lerto ol sub solena doktor-ĉapelo; li pruvos al li, ke eĉ la tordita paragrafsigno ne povas sin tiel turni kaj tordi kiel kampulaĉo el Besendorf, se li nur posedas la necesan malrespekton kaj neniajn homajn malhelpojn. Sepp bezonas nur knabinon, kiel vivantan ilon, por havigi al si heredonton kaj tiamaniere elludi sian lastan atuton kontraŭ leĝo kaj juro: La bubo ricevos la bienon kaj li mem restos sinjoro en la domo.

La ŝtofo de la romano estas tre realista kaj malmulte edifa, sed, kiel prenita el la vivo mem, vera majstroverko de matura scipovo.

*F. W. V.*

**Horizontale**

GRAVA RIMARKO: La signo (') montras, ke la vorto estas radikvorto aŭ vorto sen gramatika finaĵo.

1 Unua verso de tre konata poemo.
15 Favoro en prezo. (')
16 Sovaĝa bovo en Eŭropo.
17 Korelativo.
18 J o d o kun preseraro (').
19 Kristnaskarbo (').
20 Enkampa fortikaĵo (').
21 Tia tago estas la 15-a de Decembro.
23 Aŭdebla aervibrado (') inverse.
24 Afekte, dande,
25 Latva pioniro de Esp.
26 Gramatika finaĵo.
27 Diskuŝigi (').
29 Fino de verso.
30 K. L.
31 Maljesa.
32 Esperanto ne estas ..... lingvo.
35 Prepozicio.
37 Serpento (').
38 Kora sento.
40 Verkinto de VERDAJ DONKIĤOTOJ.
42 Tre konata ĉefredaktoro.
45 N C.
46 Prefikso.
47 Originala satira romano.
48 Malkomponiĝi (').
49 Sufikso (inverse)
50 Sufikso (inverse)
51 Malsama (').
53 Apotek (inverse kun manko de vokalo ('))
55 Grava faktoro en versoj kaj melodioj.
58 Nomo de estona verkistino.
59 Aĉe paroli.
60 Vojo kun arboj.
62 E L E.
64 Konsonantoj de d a t u r o.
65 Valorŝtono (')
66 Prepozicio.
67 Ĉina esp. verkisto.
68 Sovaĝa besto dezerta.
70 Rezulto de sukcesinta militiro.
72 Manĝebla ruĝa radiko.
74 Marherbo (inverse).
76 R M P N R O.
78 Identaj konsonantoj.
79 Mallongigo de titolo (inverse).
80 Pi...
81 Identaj vokaloj.
83 Verko de Bulthuis.
86 Verkinto de HOMOJ SUR LA TERO.
87 Kortbirdo (inverse).
88 Valorpapero (').
89 A D I
90 Sinonimo de ŝirmi (').
92 Prefikso (inverse).
93 Medio.
94 N O.
95 Verkinto de Mr. TOT AĈETAS MIL OKULOJN.
97 Sufikso.
99 Entrepreno de LITERATURA MONDO
101 Sufikso.



102 Nombro.
104 Verko de H. Adamson.
105 Identaj konsonantoj.
106 Artifiki (').
107 Batado de la arterioj
109 Prefikso.
110 Himno.

**Vertikale**

1 Verko de Francisko Szilágyi
2 Lignaĵisto faras (')
3 Nun militanta popolo.
4 Prepozicio.
5 Poemaro el 22 lingvoj.
6 Daŭrigo de VIKTIMOJ.
7 Centro de cirko (').
8 Tirano de virinoj.
9 Grava revuo.
10 Farmi (')
11 Esprima aspekto de la vizaĝo.
12 Trinkaĵo (').
13 Ampleksa proza verko (')
14 Lingvo-projekto konkurinta.
21 Poemlibro de K. Kalocsay.
22 Proza verko (').
28 Prefikso.
33 Interjekcio.
34 C Y.
35 Litero el antikvaj skandinavaj alfabetoj.
36 Bataltemo de esp. lingvistoj.
39 Nombro.
41 Malliberigi (').
43 Moralscienco. (')
44 Sufikso (inverse)
52 Idearo de iu (').
54 P N.
56 Subtera elfosejo (').
57 Malnova mezurunuo.
59 Estona Cseh-metoda instruisto.
60 Sen ĝi ne estas vivo (')
61 Komenci plenumon de tasko (').
63 Fabelo.
65 Glua suko arba (')
67 Verkinto de LINGVO STILO FORMO.
69 Sufikso (inverse)
71 Eligi laŭtajn voĉsonojn (').
72 Nemulta (') inverse.
73 Patosa lirika poemo.
75 Poemaro de Baghy.
77 Ŝtonego.
81 Korelativo
82 Nereala bildo.
84 Prepozicio.
85 Danĝera mara roko (')
87 Identa kun la 73-a sen finaĵo.
91 Parto de korpo (').
92a Aerpilko (').
95 Heroino de Viktimoj
96 Hibrida besto (inverse)
98 Rozviola floro (').
100 Korelativo (inverse).
102 Identa kun la 96-a (').
103 Kolektiva sufikso kun substantiva finaĵo.
105 Malantikva (').
106 R N.
108 Gramatika finaĵo.
109 Prefikso.

KRUCVORTENIGMO

troviĝas en nia nuna numero. Ni planas prezenti plurajn el ili, kies pretigon afable akceptis samideano Baghy. La enigmoj estos ĉiam instrucelaj kaj ni esperas, ke multaj abonantoj ĝin akceptos volonte. En aliaj numeroj ni uzos kovrilpaĝon por la celoj de la enigmoj.

Por ne labori vane, ni fiksas ankaŭ libropremiojn por la unuaj dek solvintoj. El la premioj ni donos ses al niaj eŭropaj kaj kvar al la ekstereŭropaj solvintoj, laŭ la alveno de la ĝusta solvo.

*La premioj estas jenaj:*

1. Dresen: Historio de Mondolingvo
2. Hekler: Arthistorio I.
3. Eŭgeno Onegin
4. Dresen: Analiza Historio de la Esp. Movado
5. Goethe—Kalocsay: La Taglibro, Romaj Elegioj
6. La Vivo de Arnaldo

*por ekstereŭropanoj:*

1. Hekler: Arthistorio I.
2. Dresen: Historio de Mondolingvo
3. Dresen: Analiza Historio de la Esp. Movado
4. Eŭgeno Onegin

## Al niaj abonantoj

Ĉi tiu numero estas 40 paĝa kaj la lasta por 1935. Tamen, ankoraŭ en januaro kune kun la enhavtabelo aperos sur 12 plus kvar paĝoj la kvara numero de »Lingvo-Libro«, kun la plena programo de AELA 1936. Tion ni devis fari pro la grava malsano de niaj redaktoroj s-anoj Kalocsay kaj Szilágyi. La unua perdis unu renon per tre malfacila operacio, sed li jam hodiaŭ estas ekster mortdanĝero kaj la dua devis elprenigi kelkajn ŝtonojn el la reno. Tiuj malfeliĉoj kaŭzis ne nur malfruan aperon de ĉi tiu numero, sed ankaŭ multajn prokrastojn en aliaj laboroj.

*Apero en 1936. Niaj subtenantoj.*

Dank' al la fervoro de niaj abonantoj, ni feliĉe povis decidi tiel, ke »Literatura Mondo« aperos ankaŭ en 1936. sur sama paĝonombro, en sama formato, kiel ĝis nun, sed nur sesfoje dum la jaro. Ni tre atentos, ke tiu sesfoja apero estu regule ĉiam la tago de la paraj monatoj. La gazeto estos kvarfoje 52 paĝa, inkluzive »Lingvo-Libro« kaj la kovrilo kaj dufoje 36 paĝa. Tiamaniere ni donos ampleksan kaj reprezentan revuon. Ĝis nun pagis aŭ anoncis sian subtenon 23 amikoj, al kiuj ni esprimu nian plej sinceran dankon. Ni estas certaj, ke ankaŭ la aliaj 27 subtenantoj troviĝos en nia fervora kaj entuziasma subtenantaro. Ni esperu, ke post unu jaro de fortostreĉa laboro ni denove povos forlasi la petojn por subteno. Dume ni danku al la jenaj amikoj, kiuj subtenis nin ĉu per duobligo de la abono, ĉu per mondonaco, ĉu per abono por luksa ekzemplero. Ili estas la jenaj:

Blot (Angers), Bernard (Bois Colombes), Artigand (Limoges), Bodereau (Le Mans), Bouvier (Poix), Saget (Elbeuf), Delor (Tlemcen), Gicouel (Limoges), Rameau (Limoges), Esperanto-Grupo (Limoges), ĉiuj en Francujo;

Tordoff (Bristol), Badash (Rotherham) en Anglujo;

Eldering (Amsterdam), Pascha (Bergen), en Nederlando;

Christaller (Stuttgart, Germanujo), Soneson (Svedujo), Bonnevie (Oslo), Zetterlund (Stockholm) Riedle (Altstetten, Svisujo), Yajet (Morges, Svisujo), Esperanto-Grupo »Verda Stelo« (Praha), Dick. M. Ponti (Stabbek), Julio Kruminŝ (Riga).

*Kovrilo por 1935.*

estos farita el plena tre fortika tolo (ledimita). Ĝia kosto afrankite estas svfr. 1.50. La koloro sama, kiel ĝis nun, ankaŭ la aspekto, nur la materialo estas senkompare pli bona. Ni petas afablan mendon kiel eble plej baldaŭ, por ke ni sciu, kiom ni devas farigi el ĝi.

Ni havas ankoraŭ kelkajn kovrilojn por la pasintaj jaroj. Ilin ni liveras por svfr. 1.—.

*La abonprezo por 1936.*

restas la sama por ĉiuj landoj, kiel estis en 1935. Ni denove atentigas pri kolektiva abono, kiu signifas, ke la unua ekzemplero kostas la regulan abonprezon kaj ĉiu plua ekzemplero kostas svfr. 4.50 kiel jarabonon.

*AGRABLAJN KRISTNASKAJN FESTOTAGOJN*
*KAJ FELIĈAN NOVAN JARON*
*DEZIRAS AL ĈIUJ AMIKOJ*

*la redakcio kaj administracio de »Literatura Mondo«*

ĴUS APERIS

# Plena Gramatiko de Esperanto

**(Vorto kaj frazo)**

Verkis: K. Kalocsay kaj G. Waringhien

**Favorprezoj por landoj neorvalutaj!**

**Granda rabato por AELA-anoj!**

Grandformata verko sur 370 dense presitaj paĝoj kun plej detala gramatiko de Esperanto.

ĈEFAJ ĈAPITROJ:

| | |
|---|---|
| Fonetiko | 12 paĝoj |
| Vortfarado | 122 paĝoj |
| Morfologio kaj Sintetio | 68 paĝoj |
| Vortsintakso | 20 paĝoj |
| Frazsintakso | 57 paĝoj |
| Vortordo | 5 paĝoj |
| Interpunkcio | 7 paĝoj |
| Indekso | 18 paĝoj |

prezentas al vi ian bildon pri la detaleco de la unua scienca gramatiko de Esperanto.

La detalega indekso tre faciligas la trovon de la respondoj je ĉiuj gramatikaj demandoj kaj duboj. Tiuj respondoj estas riĉe ilustrataj plejparte per Zamenhofaj ekzemploj. La impona verko kostas bindita svfr. 9.50, broŝurita svfr. 8.— plus 10% por sendkostoj. Kelkaj ekzempleroj presitaj sur luksa papero kaj binditaj en imitita ledo kostas svfr. 10.50 plus senkostoj 10%.

Ĉi tiu verko estas la unua el la tri verkoj de la lingvoserio de AELA 1935. Novaj membroj por ĉiuj tri verkoj (kun entute 1200 norm-paĝoj) pagas kotizon de nur 10.— svisaj frankoj broŝurite kaj afrankite.

Eldonas Literatura Mondo, Bpest, Hungarujo, IX. Mester u. 53




La majstra verko de

**BLASCO IBÁNEZ**

pri hispanaj moroj 22×16 cm, 232 paĝoj. Nepre estu en via biblioteko

Eldono de Aragona Esp.-Federacio.

Mendu ĉe la tradukinto: R. de Salas — Cervantes S — Zaragozo-Hispanlando, antaŭsendante la monon en pesetoj.

9·50 pesetoj por Fremdlando — 8·50 pesetoj por Hispanlando — Sendkosto enkalkulita

1 pes = proksimume 0·40 sv. fr. = 2 fr. fr. = 0·33 gmk.

Ree ekaperas la monata gazeto

# FRATECO

Unika en Esperantujo kiu portas altan idealon, propagandas laŭnaturan vivadon, pacideojn, kontraŭmilitarismon kaj konatigas al siaj legantoj la fundamentajn naturajn leĝojn el kiuj la nuntempuloj flankiĝis.

Abonkotizo 1·— frsv., 3 internaciaj respondkuponoj kaj ĉiu egalvaloro.

Postulu speciemon.

Adreso : Redakcio **Frateco,** Sevlievo, Bulgarujo.

Felelős szerkesztő és kiadó: Bleier Vilmos. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — A nyomdáért Bénik Gyula felelős.